[272]
XIX a jaro. No 291 (4) ☆ Monata ☆ Aprilo 1923

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Simpla abono . . . . . . . . . . . . 10.— Fr. Sv.
Kun la membreco de UEA . . . . . . . 12.50 Fr. Sv.
Unu numero . . . . . . . . . . . . 1.— Fr. Sv.
*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

Anonco (unu centimetra kolonero) . . . . 2.— Fr. Sv.
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . 0.50 Fr. Sv.
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . 0.75 Fr. Sv.
*Vidu naciajn prezojn en la koncerna fako!*

FONDINTO: HECTOR HODLER

GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*



## La Komerca Konferenco en Venezia.

Tiun ĉi lojon ni estis vere surprizitaj, kaj ne nur ni, sed ankaŭ la kuraĝa subskribinto de l' invitoj: la Itala Komerca Ĉambro por Svislando, kiu ne atendis tian sukceson kaj antaŭvidis, kiel ni, nur modestan kunvenon preparan al iamposta pli vasta konferenco. Ni do rajtas esti kontentaj.

El 23 landoj aliĝis 208 organizaĵoj interalie tre gravaj: 84 Komercaj Ĉambroj en Eŭropo, 2 Ameriko, Afriko, Azio kaj eĉ Oceanio, la 21 grandaj foiroj de Eŭropo, 30 turismaj asocioj 7 ministrejoj de komerco aŭ financoj kaj sesdeko da industriaj federacioj, bankaj unuiĝoj, eksportaj asocioj, komercaj lernejoj ktp.

Ilin reprezentis en Venezia 150 oficialaj delegitoj kaj venis entute pli ol 250 personoj por partopreni la konferencon. Parolis kaj voĉdonis nur la rajtigitaj delegitoj. Inter la aliĝoj *ne* akceptiĝis esperantistaj societoj. Tiamaniere la konferenco konservis ĉiam pure teknikan karakteron. La plej multnombraj delegitaroj estis la itala [75], la franca [52], la svisa [42], la brita [16], la ĉeĥoslovaka [14], la germana [8], la dana [6], la rumana [5] kaj la hungara [5].

Ni devas tiun ĉi jaron aparte gratuli niajn francajn amikojn pro tiu ĝojiga sukceso. Ili multe laboris por ĝin efektivigi kaj ili ludis en la konferenco unuarangan rolon. Pro plendo de gravaj francaj industriuloj kaj scienculoj, la ministro de publika instruado komprenis sian lastjaran eraron kaj ĝin ekriparis. Kun lia konsento kaj tiu de la komerca ministrejo, la Komerca Ĉambro de Parizo lastmomente decidis sendi al Venezia sian eminentan membron S-ron André Baudet, kiu sekvis tuj kvin aŭ ses lecionojn de esperanta interparolado kaj mirigis la konferencon per sia bonega elparolo.

Similan rezultaton atingis ankaŭ la grava delegito de la Komerca Ĉambro de Milano, Prof. Ravizza, direktoro de ĝia Komerca Lernejaro, kiu eklernis la gramatikon en la vagonaro kaj tre klare parolis Esperanton dum la konferenco, malrapide, sed tute korekte. Alveninte skeptika, li foriris konvinkita, kaj serioze fervora. Same kiel Prof. Bovet post la Ĝeneva Konferenco, li estos la grava gajnito post la Venezia. Ni atendas kun granda intereso lian ateston ĉe la Milana Komerca Ĉambro.

El Britlando la Londona Komerca Ĉambro sin oficiale reprezentigis kaj ni devas danki al S-ro Edmonds, ne nur pro lia senlaca korespondlaboro dum la tuta jaro, sed ankaŭ pro lia rimarkinda enketo inter angla komercistaro. Lia interesa raporto meritus presigon *in-extenso* kun ĉiuj entenataj valoraj atestoj de industriuloj kaj importistoj, kiuj konigas sian sperton kaj ŝaton pri uzo de Esperanto. El la Komerca Ĉambro de Sheffield venis al la konferenco ĉi ties prezidanto S-ro John Merchant, kies konstanta bonhumoro kaj paciencо ĉion gaje glatigis.

El Germanio sin reprezentigis du ministrejoj kaj ludis ĉefan rolon la grandaj foiroj de Frankfurt kaj Leipzig. Sub prezido de D-ro Dietterle la ĉiulandaj Foiroj plifirmigis sian interrilatan organizaĵon kaj sincere povis atesti ĉe la konferenco sian vere profitplenan uzon de nia lingvo.

El Ĉinaj Komercaj Ĉambroj venis kuraĝigaj aliĝoj kaj el Rumanio revenis al ni malnova samideano, nun granda komercisto kaj industriulo en Bukuresti S-ro Henriko Fisher, kiu ludis en la konferenco tre ageman kaj utilan rolon ankaŭ fondinte la internacian varborson.

Duoble pli vasta ol la Ĝeneva, la Venezia Konferenco estis ankaŭ pli grava en tiu senco, ke multe grandiĝis la proporcio de oficialaj delegitoj eklernintaj la lingvon nur por partopreni. Tamen, sen ia decido, Esperanto fariĝis tuj la sole uzata lingvo en la laborkunsidoj, ĉar ĉiuj sentis la oportunecon de l' rimedo.

Komence oni aŭdis pri la spertoj faritaj, unuarange de la foiroj. Poste oni diskutis pri la rezolucio de la Komerca Ĉambro de Parizo.

Plena libereco regis kaj, unu post la aliaj, anonciĝis la aliĝoj de la diverslandaj Komercaj Ĉambroj. Por la ĉefaj landoj, raportintoj ankoraŭ menciis la malfavorajn voĉdonojn aŭ sindetenojn de pluraj Ĉambroj. Rimarkinda estas la granda proporcio de favoraj decidoj, ekz. en Francio 30 *jes* kontraŭ 5 *ne*. Ĉe la konferenco mem la rezolucio Pariza estis unuanime akceptata post tiu longa diskuto kaj Esperanto rekomendata al la tutmonda komercistaro kiel spertita kaj elprovita helplingvo.

Poste venis diversaj eksteraj rekomendoj al UEA, tre riĉa kunsido pri spertoj en turismo, interesa diskuto pri telegrafio kaj senfadena telefonio kaj trafa fermkunsido kun klaraj resumoj kaj fina voĉdono de rezolucioj. La tuta konferenco laboris serioze kaj vigle. Praktika metodo de komercistoj ĉie regis, ĝia raporto, nun preta en franca, angla, germana, itala kaj esperanta lingvoj, estas unu el la plej legindaj dokumentoj pro la riĉeco de faktoj, atestoj kaj aliĝoj.

Sur ĝi povos enskribiĝi la malfrue alveninta aliĝo de L. M. la Ministro Itala de Komerco kaj Industrio, kiu jus akceptis doni al la konferenco sian altan patronadon. Dankinte al li, al la Itala Komerca Ĉambro en Svislando, al la Urbo kaj Komerca Ĉambro de Venezia kaj al niaj italaj samideanoj pro la ĉiuspecaj helpoj kaj gastigoj, ni nun resumos la situacion:

Nova armilo kreiĝis por disvastigi la helplingvon en novan rondon, eble la plej gravan. Ĝia pretigado signifis ŝvitigan laboregon de la tuta jaro, sed la vidaĵo de l' florkresko ĝojigas hodiaŭ niajn okulojn. Nun komencas la tasko de l' tutmonda esperantistaro ĝin uzi senprokraste, saĝe kaj elike. Komercaj kaj turistaj gazetoj devas ricevi artikolojn kun la rezolucioj. Komercaj lernejoj devas koni la raporton kaj super ĉio en ĉiu urbo *vi* devas trovi urĝe almenaŭ dek aliĝojn de komercaj entreprenoj al UEA por komenci la deziritan „Komercan jarlibron". Fide kaj danke ni atendas tiun respondon de nia amikaro.

*Edmond Privat.*

# Internacia Konferenco en Venezia

(Oficiala Protokolo).

## Solena Malfermo. (La komercaj ministrejoj).

La Konferenco malfermiĝis lundon 2 aprilo je la 10 matene en la Palaco de la Komerca Ĉambro de Venezia. En la nomo de tiu korporacio prezidas S-ro Pianetti kaj parolas S-ro Scattola por saluti la Konferencon itallingve, dezirante ke la laboroj povu alporti grandan rezulton por faciligi kaj plimultigi la internacian trafikon laŭ la saĝa konsilo de la Komerca Ĉambro de Parizo.

*La Vic-urbestro de Venezia* (Kav. Ponti) bonvenigas ĉiujn delegitojn el dudekdu landoj, alvenintajn en Venezia, urbo de belarto, konstruita per laboro de historiaj komercistoj, kies ŝipoj trakuris la tutan mondon por organizi la interŝanĝon de produktaĵoj. Li invitas la konferencanojn al oficiala ricevo en la nomo de l' urbestraro je la sama posttagmezo en la fama Salono Napoleona. Intensigo de tutmonda komerco kaj ĝeneraligo de helpa mondlingvo helpos al la fratigo de ĉiuj popoloj, kio estas la supera celo de ĉiuj bonvolaj homoj.

*La Ĝenerala Sekretario de la Itala Komerca Ĉambro por Svislando* (D-ro Chiostergi) klarigas ankaŭ itale la intencon de tiu korporacio, kiam ĝi decidis kunvoki tiun preparan konferencon, kiu devas helpi la solvon de grava komerca problemo kaj servi kiel antaŭpaŝo por forigi unu el la plej grandaj malfacilaĵoj barantaj la vojon al internacia trafiko, ne nur komerca sed ankaŭ turisma.

Kiam la Itala Komerca Ĉambro por Svislando prenis sur sin la respondecon de tiu ĉi invito, ĝi certe ne atendis tian sukceson. Baldaŭ ĝi povis konstati per la ricevitaj respondoj ke vere granda parto de la komerca, industria kaj turisma mondo akre sentas la urĝan bezonon je praktika mondlingvo kaj ke multaj organizaĵoj el diversaj landoj jam voĉdonis rezoluciojn por rekomendi la uzon de Esperanto dum la lastaj jaroj. Eĉ pli pozitive la internaciaj specimenaj Foiroj komencis mem uzi la lingvon por sia internacia reklamo kaj siaj interrilatoj, tiamaniere ke ilia sperto povas jam utili al la diskutoj de la konferenco.

Oni nun preskaŭ ĉie komprenas, ke pro la rivaleco politika, ne estas eble oficialigi en la tuta mondo la lingvon nacian de unu aparta popolo por ĝin trudi al ĉiuj aliaj kiel helpan mondlingvon. La sola kontentiga solvo estas la ĝeneraligo de neŭtrala lingvo, kiu vundas neniun nacian senton kaj povas fariĝi iom post iom la poŝlingvo de ĉiu komercisto aŭ vojaĝanto, kiam li rilatas kun la eksterlando. La latina lingvo almenaŭ havus tiun karakteron de neŭtraleco, sed bedaŭrinde ĝi estas multe tro malfacila kaj ne respondas plu al bezonoj de moderna vivo. El tio venas la ĉiam pli multaj simpatioj, oficialaj aŭ privataj, kiuj sin turnas al Esperanto, kiu nun ankaŭ akiris propran pozicion en la mondo kiel tutmonde uzata helplingvo post la tri aŭ kvar ĉefaj komercaj lingvoj internacie uzitaj ĝis nun.

La komercistoj antaŭ ĉio volas scii, ĉu la mondlingvo proponata estis uzata sukcese, ĉu ĝi vivas, ĉu ĝi estas disvastigata en ĉiuj landoj. La konferenco respondas jam per si mem al tiuj demandoj, ĉar ne nur la delegitoj de gravaj komercaj aŭ turistaj organizaĵoj interŝanĝas spertojn faritajn, ne nur la dokumenta ekspozicio elmontras belan kolekton de esperantaj katalogoj, prospektoj kaj gvidlibroj, sed la delegitoj jam vigle interparolas inter si en Esperanto, kvankam pluraj el ili lernis la lingvon nur de kelka tempo aŭ eĉ de kelkaj tagoj por veturi al la konferenco.

Fakte kunvenas tie ĉi samtempe du konferencoj, unue: Foiroj, internaciaj, naciaj aŭ koloniaj, diskutas inter si pri komunaj aferoj, uzante Esperanton por sia aparta konferenco. Krom unu, la 21 grandaj foiroj de Eŭropo estas tie ĉi reprezentataj.

Due: pli vasta konferenco kunigas tiujn foirojn kaj pliajn 180 ĉambrojn de komerco, industriajn aŭ bankajn asociojn kaj turismajn sindikatojn, dezirantajn akordiĝi por ĝeneraligi la uzon de la mondlingvo helpa. 27 landoj estas tie ĉi reprezentataj el Eŭropo, Ameriko, Azio kaj Afriko. Li dankas la Urbon kaj la Komercan Ĉambron de Venezia pro ilia afabla gastigo kaj deziras bonsukceson al la laboroj de la Konferenco.

*La dua delegito de la Itala Komerca Ĉambro por Svislando* klarigas la programon en Esperanto.

*La delegito de la Ĉambro de Komerco en Budapest,* parolante en Esperanto, proponas elekti kiel prezidanton eminentan komerciston, kutimantan gvidi gravajn kunvenojn. Li rekomendas la nomon de S-ro John Merchant, de la Komerca Ĉambro de Sheffield. (Ĉiuj sekvantaj parolantoj sin esprimas en Esperanto, de tiam ĝis la fino de la Konferenco.)

*La delegito de la Foiro kaj Komerca Ĉambro de Reichenberg* subtenas tiun proponon, kiu estas aplaŭde kaj aklame akceptata.

*La nova prezidanto, delegito de la Komerca Ĉambro de Sheffield,* dankas pro la honoro farita al lia lando, ĉar lia nacio estas popolo de komercistoj. Angloj preferas faktojn al paroloj kaj pro tio li zorge aŭskultos ĉion kion diros la ceteraj, kaj estas certa ke li multe lernos de la konferenco.

Poste estas elektataj kiel honoraj prezidantoj de la konferenco la Komercaj Ĉambroj de Venezia, Paris kaj London. Kiel efektivaj vic-prezidantoj, S-ro Prof. Ravizza, direktoro de la Instruado komerca en Milano kaj delegito de la Komerca Ĉambro Milana, S-ro André Baudet, prezidanto de la administra konsilantaro de la komerca instruado de maldekstra bordo de Paris kaj delegito de Komerca Ĉambro samloka. Kiel ĝenerala sekretario, la Itala Komerca Ĉambro por Svislando.

*La delegito de la Pariza Komerca Ĉambro* petas pardonon, ke li ne parolos multe, eklerninte paroli en Esperanto nur antaŭ unu semajno. Tamen la aŭdantaro admiris lian bonan akcenton kaj klaran esprimpovon. — La Komerca Ĉambro de Parizo sendis lin por subteni ĝian rezolucion kaj ankaŭ la Foiro de Paris por atesti pri la spertoj faritaj. Li dankas pro la honoro.

*La delegito de la Komerca Ĉambro de Milano* komencis lerni nur de kelkaj tagoj, kaj la aŭdantaro admiraŝ ankaŭ lian elparolon. Li dankas pro la honoro kaj plenumos fidele sian rolon de atenta observanto, laŭ la mandato de la Ĉambro.

*La delegito de la Komerca Ĉambro de London* plendas pri la malekonomia sistemo de pluraj lingvoj por internacia komercado. Pro la nuna alta kosto de presado, unu mondlingvo estas nepre necesa por internacia reklamo. La mondo bezonas ŝparon de tempo kaj mono. La Londona Komerca Ĉambro ĵus rekomencis post la milito organizi ekzamenojn de Esperanto por komercaj oficistoj.

*La delegito de la Komerca Ministrejo de Ĉeĥoslovaka Respubliko* deklaras ke lia ministrejo jam de longe konvinkiĝis ne nur pri la neceseco de mondlingvo, sed ankaŭ pri la taŭgeco de Esperanto kiel sukcesa rimedo por internacia propagando komerca kaj turisma. Precipe en tiu lasta fako la ministrejo povas atesti pri spertoj, ĉar ĝia turisma fako uzis Esperanton por diskonigi Ĉeĥoslovakion eksterlande; same faris ankaŭ la Foiro de Praha.

*La delegito de la Ĝenerala Komerca Ĉambro de Peking,* de la Komerca Ĉambro de Tien-Tsin kaj de la Ĉinaj Komercaj Ĉambroj en Siam kaj Makassar memorigas ke la Ĉina Res-

publiko decidis la instruadon de Esperanto en normalaj lernejoj. La registaro subtenas la movadon, ĉar la ĉina komerco bezonas pli kaj pli interŝanĝi krudajn materiojn de Oriento kontraŭ fabrikaĵoj de Okcidento, kaj la malfacileco de eŭropaj lingvoj tiom malhelpas kiom ilia multeco al tiu necesa trafiko. Esperanto estas multe pli simpla kaj egale uzebla por ĉiuj landoj.

*La delegito de la Germana Ministrejo de l' Interno*, salutinte la konferencon oficiale, konstatas, ke pli kaj pli multaj Germanaj Ĉambroj de Komerco favoras la disvastigon de Esperanto kaj ĝian instruadon en komercaj kaj ankaŭ elementaj lernejoj de la Germana Respubliko. Du Ministrejoj de la Respubliko sendis delegitojn al Venezia [Interno kaj Landekonomio]. Tiu konferenco alportos utilan dokumentaron pri spertoj faritaj kaj respondas al deziro de komercistoj elprovi iun ajn aferon antaŭ ol ĝin definitive akcepti. Li ĝojas pri la sukcesaj spertoj faritaj, ne nur de germanaj foiroj, sed ankaŭ de certa nombro da komercistoj.

*La delegito de la Ministrejo de Financoj en la Reĝlando Serba-Kroata-Slovena* atestas pri la grandaj ŝanĝoj okazintaj en la ekonomia situacio de Jugoslavio de post la milito. Antaŭe estis multe uzata la germana lingvo por internacia komerco. Nun montriĝas ankoraŭ pli necesa la kono de itala kaj angla lingvoj, kies kono plej ofte mankas al multaj komercistoj. Esperanto alportas rektan helpon al solvo de tiu malfacilaĵo. La ministrejo uzas Esperanton por diskonigi eksterlande informojn pri ekonomio jugoslava, importado kaj eksportado pere de la nova bulteno „LA INFORMILO", presita en Esperanto.

*La delegito de la Ministrejo por Komerco kaj Industrio Rumana* konstatas, ke diversaj Komercaj Ĉambroj en Rumanio tre favoras la disvastigon de Esperanto pro la multnombreco de la naciaj lingvoj en Balkana kaj Centra Eŭropo kaj la malfacileco de komercaj interrilatoj. La ministrejo sendis lin kiel observanton por raporti kiel funkcias Esperanto kiel parolata lingvo kaj li jam plezure observas ke li povas flue kaj rapide interkompreniĝi per Esperanto kun ĉiuj alilandaj delegitoj.

*La delegito de la Foiro de Wien* salutas la konferencon en la nomo de la ministrejo komerca de la Aŭstria Respubliko, kies oficiala reprezentanto sidas apud li. La Ĉambro de Komerco en Wien opinias, ke la konferenco venas en tre oportuna momento por solvi gravan problemon. Ankaŭ en Aŭstrio, la foiro kaj diversaj organizaĵoj komercaj aŭ turismaj uzas Esperanton utile.

La prezidanto salutas *la oficialan reprezentanton de la Pola Ministrejo de Komerco kaj Industrio.*

*La delegito de la Internacia Labora Oficejo de la Ligo de Nacioj* memorigas, ke tiu interŝtata organizaĵo konstante rilatas kun Ĉambroj de Komerco kaj Industrio pri laborkondiĉoj. Ĝi ankaŭ spertis la malfacilaĵon de lingva diverseco en konferencoj kaj la altan koston de dokumenta presado en multaj tradukoj. Tial ĝi eksperimentis la uzon de Esperanto kaj presigis dokumentojn en tiu lingvo. Sekvis korespondado en Esperanto kun organizaĵoj de pluraj orientaj landoj. Aparte sukcesis la diskonigado de informoj por represo en naciaj gazetoj. Post tiu sukceso la Internacia Labora Oficejo de nun eldonas regule bultenon en Esperanto.

*La delegito de la Komerca Ĉambro de Treviso* gratulas la Italan Komercan Ĉambron por Svislando pro ĝia utila iniciato, kiun kronas sukceso eĉ pli granda ol oni povis atenti. Li proponas sendi dankan telegramon al ĝia prezidanto. (Akceptite per aplaŭdo.)

La prezidanto esprimas al la Komerca Ĉambro Itala por Svislando la unuaniman dankon de ĉiuj organizaĵoj tie ĉi reprezentataj pro la mirinda fakta leciono tiel donata al ĉiuj. Li fermas la kunsidon je la 12a.

## Dua kunsido. (La specimenaj foiroj.)

Lundon, 2a aprilo je la 15a, la prezidanto malfermas la duan kunsidon, informante ke 20 foiroj el 21 estas reprezentataj ĉe la konferenco. Li petas la prezidanton de la Interfoira komisiono apudsidi por helpi lin en la gvidado de la diskuto.

*La delegito de la Foiro de Bordeaux* raportas, ke tiu foiro dissendis cirkuleron en Esperanto kaj dediĉis specialan budon al ekspozicio pri la disvastigo de tiu lingvo. Kiam la komitato de la foiro ricevis la inviton de la Itala Komerca Ĉambro por Svislando, ĝi propramove petis unu el siaj membroj veturi al la konferenco.

*La delegito de la Foiro de Breslau* informas, ke ĝi dissendis kelkmilojn da prospektoj en Esperanto kaj ricevis demandajn leterojn el ĉiuj landoj kiel rezultato de tiu propagando efektiviĝita per la servoj de la delegitoj de UEA.

*La delegito de la Foiro de Budapest* raportas, ke tiu foiro jam organizis apartan ejon, kie deĵoras personoj parolantaj Esperanton kaj kie pendas afiŝoj en kaj pri Esperanto.

La *delegito de la Foiro de Frankfurt a. M.* citas faktojn kaj ciferojn. La foiro komencis uzi Esperanton jam de sia fondo en 1919, ĉar oni jam sukcese provis tion en Frankfurt antaŭ pli ol 10 jaroj okaze de Internacia Ekspozicio Aerveturа. Dank' al la servoj de la delegitoj de UEA en la tuta mondo, la foiro povis dissendi en Esperanto cirkulerojn kaj prospektojn en 94 landojn de ĉiuj kontinentoj:

| | | |
|---|---|---|
| Oktobro 1919: | 1000 | ekzempleroj de 2-paĝa cirkulero. |
| Majo 1920: | 15000 | „ „ „ „ en 3 eldonoj. |
| Oktobro 1920: | 12000 | „ „ „ „ en 2 eldonoj. |
| | 2000 | „ „ „ „ por Eŭropo. |
| | 6000 | „ de prospekto trikolora. |
| | 2000 | „ speciala 4-paĝa numero de „Esperanto Triumfonta". |
| Aprilo 1921: | 6000 | ilustritaj prospektoj 8-paĝaj. |
| | 18000 | cirkuleroj. |
| | 6000 | 12-paĝaj branĉolistoj. |
| | 2000 | ekzempleroj de speciala 5-paĝa numero de „Esperanto Triumfonta". |
| Oktobro 1921: | 15000 | 5-paĝaj cirkuleroj en 3 eldonoj. |
| Aprilo 1922: | 3000 | 4-paĝaj prospektoj. |
| | 6000 | flugfolioj ekonomiaj. |
| Oktobro 1922: | 5000 | 4-paĝaj prospektoj. |
| | 12000 | 4-paĝaj prospektoj kun aldonoj. |

Depost la 4a Foiro (aprilo 1921) provizora katalogo (150.000 ekz.) estis presata kun traduko de branĉolisto en 10 lingvoj, inter aliaj Esperanto. Dum lastaj jaroj pro trokariĝo de preskosto kaj plialtiĝo de afranko oni devis ŝpari, sed tamen, oni ne timis tiujn altajn elspezojn kiuj havigis jenajn rezultatojn:

La detranĉaĵoj de naciaj gazetoj ricevitaj estis por la unuaj 4 foiroj:

| | | |
|---|---|---|
| Oktobro 1919: | 35 en | 9 lingvoj, |
| Majo 1920: | 105 en | 16 lingvoj, |
| Oktobro 1920: | 120 en | 20 lingvoj, |
| Aprilo 1921: | 128 en | 23 lingvoj. |

Poste la statistiko ne estis plu daŭrigata, ĉar la foiro kontentiĝis pri la rezultatoj, sed estas certe, ke la nivelo daŭris normale. La korespondado montris ankaŭ interesajn ciferojn. Por la unua foiro dum 4 semajnoj eliris pli ol 100 leteroj kaj alvenis 450, pri la dua foiro alvenis 450 demandoj kaj forsendiĝis 600 leteroj, por la tria alvenis 650 leteroj kaj forsendiĝis pli ol 1000 en Esperanto.

La demandaj leteroj ricevitaj venis el 37 landoj. Entute la rezultatoj superis la atendon de la malplej skeptikaj kaj la ekzemplo povas kuraĝigi aliajn foirojn, uzi ankaŭ Esperanton sur pli granda skalo ol ili faris ĝis nun.

*La reprezentanto de la Foiro de Finnlando* atestas la sukceson de speciala broŝuro en Esperanto pri ekonomiaj fortoj de Finnlando kun detalaj statistikoj pri importado kaj eksportado. Pri ĝi aperis artikoloj tre interesaj en naciaj gazetoj plej diverslingvaj, kiuj montras, ke ekzistas en multaj lokoj ĵurnalistoj kapablaj legi Esperanton. Per unu broŝuro en tiu lingvo oni povas tiel krei intereson samfrape en ĉiuj landoj de la mondo, ĉar estas jam ĉie organizitaj rondoj, kie Esperanto estas konata kaj uzata. La foiro kreis specialan Esperanto-sekretariejon por eksterlanda korespondado kaj bonvenigis en 1922 en Helsingfors delegitojn de 14 aliaj foiroj. Ĉiuj interparoloj okazis en Esperanto kun plena sukceso.

*La raportanta delegito de la Foiro de Lyon* anoncas, ke tiu foiro sendis observanton, ĉar jam de 1917 la foiro disponigas senpagan budon por la propagando de Esperanto kaj ankaŭ por la helpo al vizitantoj kiuj parolas tiun lingvon. Plie la foiro eldonis en Esperanto prospektojn, anoncojn en esperanta gazetaro kaj en la Jarlibro de UEA. Rezulte, ĝi ricevas informpetojn en tiu lingvo el plej diversaj landoj.

*La reprezentanto de la Foiro de Malmö (Svedio)* anoncas, ke tiu foiro ĵus komencas la uzon de Esperanto.

*La delegito de la Foiro de Milano* ne povas ankoraŭ raporti pri multaj rezultatoj, ĉar tiu foiro nur nun komencis uzi Esperanton kaj dissendis 50.000 flugfoliojn en tiu lingvo al ĉiuj landoj de la mondo.

La katalogo de la Finnlanda Foiro entenas esperantan liston de komercaĵoj. 500.000 prospektoj seslingvaj estas nun dissendataj en la tuta mondo kun teksto en Esperanto. Konsiderinda korespondado en Esperanto okazas per la sekretariejo.

*La delegito de la Foiro de Padova* raportas, ke la uzo de Esperanto estis komencita en 1919, kiam la foiro fondis specialan Esperanto-oficejon por propagando kaj korespondado de la foiro. Plie ĝi dediĉas specialan budon al Esperanto kun gvidantoj por helpi la vizitantojn kiuj parolas tiun lingvon. La korespondado per Esperanto precipe okazis kun komercistoj de nacioj ne konantaj la grandajn lingvojn eŭropajn. Tre efikan helpon trovis la foiro por sia propagando elektante reprezentantojn inter la delegitoj de UEA en diversaj landoj.

*La delegito de la Foiro de Paris* konstatas kun plezuro, ke la foira komitato delegis krom li unu el siaj plej gravaj membroj, S-ron André Baudet, kiu lernis Esperanton por partopreni la konferencon. En 1921 kaj 1922 la foiro dediĉis budon al informoj pri kaj per Esperanto. En 1922 ĝi eldonis 10 000 prospektojn kaj afiŝojn en tiu lingvo.

*La delegito de la Foiro de Praha* informas pri eldono de 2000 reklamiloj en Esperanto kaj pri presigo de specialaj poŝtkartoj kaj afiŝoj pri la foiroj de 1922 kaj 1923. Korespondado ankaŭ okazis en tiu lingvo kaj la rezultatoj montriĝis favoraj. La foiro jam sin reprezentigis oficiale en la 13ª kaj 14ª Universala Kongreso de Esperanto por montri sian simpation al la afero.

*La delegito de la Foiro de Reichenberg (Ĉeĥoslovakio)* konstatas, ke la oficiala akcepto de Esperanto por internacia reklamo kaj korespondado donis utilajn rezultatojn al la foiro. Post dissendo de prospektoj kaj afiŝoj en tiu lingvo aperis gazetartikoloj en multaj diversaj landoj kaj venis informpetoj. Tial la foiro nun enpresas tradukon en Esperanto en la katalogo de la komercaĵoj. En la bultenoj, la ekspozantaj firmoj indikas en kiuj lingvoj ili korespondas, kaj estas rimarkinde, ke la mencio „Esperanto" aperas plurajn fojojn sur ĉiu paĝo de tiu listo. En la oficejo mem de la foiro Esperanto okupas laŭ la nombro da leteroj la kvaran lokon de graveco venante tuj post angla, franca kaj germana lingvoj. Dum la foiroj funkcias servo de esperante parolantaj helpantoj por eksterlandaj vizitantoj kaj ankaŭ vidiĝas en speciala montrejo dokumentoj en Esperanto.

*La delegito de la Foiro de Wien* ricevis instrukcion atesti la taŭgecon de Esperanto kiel altvalora rimedo por komerca propagando en ĉiuj landoj. La foiro ĝin uzas speciale jam de 1921 kaj konstatis tuj rezultatojn per apero de artikoloj en plej diversaj landoj. Dum la printempa foiro, funkcias ne nur helpantoj por vizitantoj parolantaj Esperanton, sed ekzistas ankaŭ ekspozicio pri Esperanto. Per sia korespondado eksterlanda la foiro konstatis, ke Esperanto estas jam tre disvastigata en landoj kies lingvo ne estas tre konata ekstere. Ekzemple el Bulgario venis respondo, ke oni preferas korespondi en Esperanto, ĉar pli multaj komercistoj konas tiun lingvon ol la francan aŭ anglan. La Bulgara parlamento enkondukis la instruadon de Esperanto en la gimnazioj per speciala artikolo de leĝo pri instruado.

*La delegito de la Foiro de Barcelona* klarigas, ke ĝi precipe uzas la hispanan lingvon, ĉar ĝi rilatas antaŭ ĉio kun Sudameriko. Tamen, la foiro ankaŭ oficiale uzas Esperanton por alilanda korespondado kaj ĵus eldonis artan afiŝon en tiu lingvo por internacia reklamo. En Barcelona ekzistas granda nombro da homoj sciantaj Esperanton kaj la vizitantoj facile trovos komercistojn kapablajn interparoli en tiu lingvo.

*La delegito de la Foiroj de Zagreb kaj Ljubljana* bedaŭras, ke ĝis nun ili ne ankoraŭ eksperimentis la uzon de Esperanto por internacia reklamo, sed nur komencis uzi tiun lingvon por interrilati kun la aliaj foiroj de la mondo. Ili havigis al si la necesajn sekretariojn; krom tio instigis oficistojn lerni la lingvon. La Zagreba Foiro aranĝos servon de esperante parolantaj helpantoj por la fremdaj vizitantoj, kaj la foiro de Ljubljana deziras esprimi la opinion, ke la disvastigo de Esperanto ŝajnas al ĝi grava helpo por restarigi la veran internaciecon de komerco en la mondo.

*La delegito de la Foiro de Leipzig* raportas, ke tiu foiro enkondukis Esperanton jam en 1918 en la liston de komercaj branĉoj. De post 1921 ĝi aperigas ilustritajn broŝurojn en Esperanto dufoje ĉiujare. Ĝi ankaŭ presigas en tiu lingvo cirkulerojn, specialajn gazetnumerojn kaj anoncojn en la esperanta gazetaro kaj en la jarlibro de UEA. La foiro uzas Esperanton por korespondado kaj informado pri la germanaj industrio kaj komerco. Ekzistas speciala Esperanto-sekretariejo en la foira oficejo kaj ĝi dejoras oficistino okupita nur per Esperanto.

La rezultatoj de tiu oficiala uzo de Esperanto montriĝis tre bonaj por la foiro kaj la nombro de esperante parolantaj vizitantoj kreskas de jaro al jaro. Dum la ekspoziciaj tagoj deĵoras de mateno ĝis vespero 2 oficistoj por helpi ilin. Kelkaj vizitantoj deklaris, ke ili nur per Esperanto aŭdis la unuan fojon pri la foiro de Leipzig. Tio okazis ekzemple al komercistoj de Maroko kaj Argentina Respubliko. La foiro deziras atesti, ke ĝi trovis Esperanton tre taŭga laŭ lingva vidpunkto, ĉar ne okazis tiaj miskomprenoj kiaj okazas en aliaj fremdlingvaj fakoj. Plie laŭ reklama vidpunkto, ĝi montriĝis tiom efika kiom ŝpariga.

*La prezidanto* anoncas, ke la *Foiro de Basel* aliĝis al la konferenco, ĉar ĝi uzas Esperanton por sia internacia reklamo kaj ĵus eldonis belan ilustritan prospekton en tiu lingvo. Ĝi sendis oficialan deklaron por esprimi sian aprobon al oficiala ĝeneraligo de Esperanto kiel komerca helplingvo. La *Foiro de Lwow* sin reprezentigis per la foiro de Praha, anoncante, ke ĝi utiligas la servon de esperante parolantaj helpantoj por gvidi la fremdajn vizitantojn kaj tre deziras la plifortiĝon de la interfoira organizo, komencita per Esperanto. La *Foiro de Valencia* petis la *Foiron de Trieste* ĝin reprezenti en la konferenco. Ĝi estis la unua kiu uzis Esperanton jam antaŭ 10 jaroj kaj el-

donis tre grandajn afiŝojn en tiu lingvo. Resume preskaŭ ĉiuj foiroj de Eŭropo estis aŭdataj en la konferenco kaj alportis sian voĉon. La interfoira komisiono fondita en Praha 1921 uzas nur Esperanton por sia korespondado kaj siaj konferencoj. Ĝia sperto estas valora atesto.

## Tria kunsido.

La Komercaj Ĉambroj.

Mardon 3a aprilo je la 10a, la prezidanto malfermas la kunsidon. Antaŭ la komenco de la diskuto *la delegito de la Internacia Labora Oficejo de la Ligo de Nacioj* deponas raporton al la konferenco pri la spertoj faritaj de tiu interŝtata oficejo per Esperanto. Laŭ la rezultatoj atingitaj ĝi estas konvinkita, ke Esperanto estas taŭga por reciproka informado kaj ke la eldono de sciigoj en tiu lingvo montriĝis efika rimedo por trafi grandnombran legantaron, disigitan en la tuta mondo.

*La prezidanto* dankas por la interesa raporto de la Internacia Labora Oficejo kun kiu rilatas multaj Ĉambroj de Komerco. Nun la delegitoj, kiuj venis en Venezia kiel praktikaj komercistoj dezirantaj elprovi komercaĵon, diskutos la rezolucion proponitan de la Komerca Ĉambro de Parizo kaj dissenditan al ĉiuj invititoj, kiel bazon de la tagordo.

*La delegito de la Komerca Ĉambro de Parizo* raportas pri la enketo farita de lia korporacio en 1921 kaj pri la decido de la 9a februaro 1921 enkondukanta Esperanton en la komercaj lernejoj en Parizo. Li profitas la ĉeeston de la delegito de la Internacia Labora Oficejo por danki la Ligon de Nacioj pro la honoro kiun ili faris al la Pariza Komerca Ĉambro enmetante ĝian konkludaron kiel aldonan dokumenton al la rimarkinda raporto aprobita de la ĝenerala kunsido de la Ligo de Nacioj, la 21 decembro 1921. Li memorigas kiamaniere la Komerca Ĉambro de Parizo ekstudis la demandon kaj solvis ĝin nur post serioza ekzamenado kaj senpartia provado, aŭdinte ankaŭ ĉiujn argumentojn de la kritikantoj de Esperanto. La facileco de la lingvo estas tia ke ĝi posedas entute nur 12 verbajn finiĝojn, dume ĝenerale nacilingva konjugado enhavas 180 formojn. Ĉar niaj lingvoj posedas ĝenerale minimumon de almenaŭ 100 neregulaj verboj, oni devas lerni preskaŭ 18.000 finiĝojn!

Perfekta helpa lingvo devas ebligi ĝustan tradukon de iuj nuancoj de la homa penso. Tion kapablas Esperanto, kiel pruvis eksperimento de duobla traduko el franca lingvo en Esperanto kaj poste el Esperanto en franca lingvo. Oni elektis tri precize delikatajn tekstojn: arbitracia regulo, povo por administranto, vendocertigilo de modelo. Du esperantistoj faris la unuan tradukon sub la okuloj de la juĝantoj kaj poste du aliaj, ne informitaj pri la teksto faris la duan tuj samloke, dum foresto de la unuaj. La proksimeco de la dua traduko al la originalo estis tia ke ĝi pruvis kiel preciza, klara kaj facila estas Esperanto, kiu plenumas ĉiujn postulojn de internacia helplingvo komerca. La komisiono studa ankaŭ informiĝis pri Ido kaj baldaŭ konstatis ke anstataŭ perfektigo, ĝi estas malsimpligo de Esperanto, kiu nur prokrastis ĝian disvastigon kreante konfuzon ĉe la publiko.

Post tiu kritika ekzamenado, la Komerca Ĉambro de Parizo unuanime decidis enkonduki la instruadon de Esperanto kiel kurson en siaj komercaj lernejoj, kaj publikigi deziresprimon por rekomendi la ĝeneraligon de tiu instruo en ĉiuj landoj. Kursoj tuj komencis ĉe la lernejo por alta komerca studado, la supera praktika lernejo de komerco kaj industrio, la komercaj lernejoj de dekstra kaj maldekstra bordo de Parizo. Plie, same faris la Lernejo Virina por Alta Komerca Instruado, kiu ankaŭ sendis delegitinon al tiu ĉi konferenco. La kursoj donis bonegajn rezultatojn.

Gejunuloj lernos Esperanton, se ĝi kapablos alporti al ili profiton. Por tio necesas, ke firmestroj postulu de siaj oficistoj, la konon de tiu lingvo. Sekve, malgraŭ ĝiaj altaj lingvaj meritoj Esperanto estu prezentata al komercistoj: ne kiel plia lingvo fremda, sed kiel tutmonda komprena maŝino; kompare al skribmaŝino aŭ kalkulmaŝino, Esperanto estas universala esprimilo per sia vortaro de radikoj, aĉetebla kiel ŝlosilo kun la uzmaniero, entenata en la 16 reguloj de ĝia senescepta gramatiko, certe pli facile lernebla ol la reguloj de ordinara kalkulmaŝino. Tiu ilo kostas malmulte kaj ebligas ŝparon de multaj komplikaj aŭ neprecizaj tradukoj en fremdaj lingvoj. Esperanto valoras jam kiel internacia kodo komparebla kun la telegrafaj kodoj. Ĝi devus esti indikita de ĉiu komercisto sur la leterpapero same kiel la numero telefona kaj la adreso telegrafa. Prezentu al komercistoj Esperanton kiel praktikaĵon; ili ĝin alprenos; sed turnu vin unue al tiuj, kiuj vendas aŭ aĉetas eksterlande, precipe al la fabrikantoj de produktaĵo sub patentita marko disvendota en ĉiuj landoj. Por siaj prospektoj, afiŝoj kaj prezaroj, ili ŝparos per Esperanto gravajn sumojn je kompostado kaj presado anstataŭ uzi kaj ofte kripligi plurajn fremdajn lingvojn. Necese ankaŭ estus atentigi pri la grava utilo de Esperanto por senfadena telefonio. Rekomendinde restus alcentrigi la proponojn kaj dezirinde krei en ĉiu lando peresperantan societon por komercistoj kaj industriuloj, kiel ĵus fondiĝis en Francio la societo „Esperanto et Comerce“ sub prezido de S-ro Ballimann, prezidanto de la Sindikato por Vitra Komercado en Paris. Konklude, la konferenco bonvolu alpreni la jenan dezirесprimon, laŭ la teksto de la rezolucio de la Komerca Ĉambro de Parizo:

*„Konsiderante ke la tutmondaj interŝanĝoj estus multe faciligitaj per uzado de helpa internacia lingvo;*

*Konsiderante, ke tio tute ne devas malutili al la naciaj lingvoj intime ligitaj kun historio de ĉiu lando kaj riĉaj je senmortaj ĉefverkoj;*

*Konsiderante, ke kontraŭe la helpa lingvo devas esti utiligata kvazaŭ iu kodo kaj interpretilaro inter la nacioj, kaj ke tial estas necese ke oni povu ĝin akiri per facila kaj praktika lernado;*

*Konsiderante, ke la lingvo Esperanto posedas ĉiujn dezirindajn kvalitojn de klareco kaj de metoda simpleco, laŭ la vidpunkto de la prononcado kaj ankaŭ de la gramatiko, de la vortaro kaj de la riĉeco je esprimmanieroj;*

La Internacia Konferenco de Venezia voĉdonas la jenan dezirеsprimon:

1e *ke la instruo de Esperanto estu enkondukata en ĉiujn komercajn lernejojn de ĉiuj landoj;*

2e *ke la Komercaj Ĉambroj, ekonomiaj grupoj kaj turismaj oficejoj dezirantaj faciligi la komercajn interŝanĝojn kaj la internaciajn vojaĝojn, helpu al la rapida disvastigo de la helpa internacia lingvo.“* (Longa aplaŭdo).

*La prezidanto* dankas la eminentan delegiton de la Komerca Ĉambro en Parizo kaj malfermas la fundamentan diskuton pri la prezentita rezolucio. La delegitoj bonvolu konigi la opinion de la Komercaj Ĉambroj en sia lando kaj tute libere paroli por subteno aŭ rifuzo laŭ la rezolucioj voĉdonitaj de la Ĉambroj.

*La delegito de la Komerca Ĉambro de Londono* faris enketon pri la komerca uzado de Esperanto en Britlando kaj deponas interesan liston de firmoj uzantaj Esperanton por korespondado. Krom tiuj, multaj aliaj uzis kaj uzas laŭokaze. Same nekompleta estas listo de firmoj eldonintaj katalogojn, prospektojn en Esperanto inter kiuj Thos. Cooks & Son. Plejofte almenaŭ unu membro de la firmo aŭ de ĝia oficistaro povas korespondi en Esperanto.

La delegito de la Komerca Ĉambro de Londono raportas rezultojn atingitajn (laŭ atestoj de uzantoj). Ekzemple estro de la firmo Frank H. Lockyer Supply Co. partoprenis kiel vendisto ĉe la Foiro de Lyon en 1919, tute ne konante francan lingvon; pere de la tiama anstataŭantino de la Del. de UEA, li ricevis precizajn antaŭajn informojn kaj povis dungi francan oficistinon konantan

Esperanton. Akompanata de la vic-del. de UEA, li sukcese kaj facile interparolis en la foirolicejoj ĉe la urbo-domo. Kun sia oficistino, li vizitis magazenojn por prezenti siajn komercaĵojn. La firmo Stephens, Inko-Fabrikejo, certigas, ke sekve de reklamado en Esperanto, ĝi ricevis komunikaĵojn el preskaŭ ĉiuj landoj kun plena komprenebleco. Post dudekono de la tempo dediĉita al aliaj lingvoj. S-ro Henry Stephens opinias, ke Esperanto pro ĝia pli granda simpleco kaj klareco estas preferinda al la lingvoj uzitaj dum la pasintaj 20 jaroj. La Firmo Adams Polish Ltd. preferas post la angla lingvo uzi Esperanton, anstataŭ iun fremdan lingvon, ĉar tiamaniere, la ebleco de miskomprenoj tute malaperas. S-roj Mouchel & Partners Ltd. civilaj inĝenieroj, uzis Esperanton por aĉeti ŝtalajn stangojn kaj relojn, vendatajn en diversaj landoj de Eŭropo post la armistico, por akiri fotografaĵojn kaj precizajn informojn pri pontoj kaj havenaj konstruaĵoj. „Kiel firmo franco-brita, skribas la direktoro, ni povas malkaŝe diri ke la normo de lingva ĝusteco ĉe la esperanta korespondaĵo estis multe pli alta ol tiu ordinare trovebla ĉe leteroj de alilandaj korespondantoj, kiuj provas skribi al ni aŭ france aŭ angle. Unu speciala profita ekzemplo eble estus utile menciebla. Bone konata kontinenta inĝeniero, la eltrovinto de inĝenia matematika instrumento sendis al ni la manuskriptojn de siaj broŝuroj en angla kaj franca lingvoj. (Neniu el tiuj lingvoj estas lia gepatra). La teksto priskribis la teorian kaj praktikan uzadon de la aparato, pri kiu li petis nian opinion. Ni tre malfacile povis kompreni plene ĉiun punkton, ĝis li sendis esperantan tradukon, kiu tuj igis klara ĉion, pri kiu ni dubis."

La Norda Import Kompanio skribas: „En rilatoj kun firmoj francaj, polaj, germanaj, aŭstraj kaj ĉeĥoslovakaj por la importado de komercaĵoj, la uzado de Esperanto pruviĝis ne nur praktikebla, sed preskaŭ necesega. Pro tio ni senhezite asertas, kiel rezulto de nia sperto, ke sen la helpo de Esperanto, la samaj rezultoj ne estus atingeblaj, krom per multe pli granda elspezo kaj multe pli da maloportuneco."

La Hellical Bar & Engineering Co. Ltd. skribas: „Ni havis okazon, uzi Esperanton, por anonci certajn specialajn bezonojn pri konstruada materialo havebla el la kontinento. La precizeco de la teknikaj detaloj estis ĉiam plene kontentiga kaj ni havas nenian dubon pri la plena taŭgeco de Esperanto por internacia korespondado."

La delegito de Komerca Ĉambro de Londono deponas liston de 20 similaj atestaĵoj.

La Komercaj Ĉambroj de Bath, Burnley & Plymouth voĉdonis rezoluciojn por rekomendi la ĝeneraligon de Esperanto.

La Komerca Ĉambro de Londono rekomencis organizi ekzamenojn en tiu lingvo kiel ĝi jam faris antaŭ la milito.

La sekretario por UEA en London ricevis lastan jaron 1178 leterojn kaj forsendis 1395 plenuminte 257 servojn, ĉirkaŭe la duono por komerco, kaj la kvarono por turismo. Interesa listo de ĉefaj servoj estas deponata kiel aldono al la protokolo. La komercaj servoj temis pri presmaŝinoj, kun Hispanio; reklamado kun Portugalio, ĝardenkulturo kun Ruslando, vestoj kun Pollando, kinematografo kun Germanio kaj Rusio; mielo kun Rusio, gravurado kun Hispanio, sekaj vezikoj kun Nederlando, lokomotivoj kun Aŭstrio; patentoj kun diversaj landoj; oleoj kun Nordafriko; ktp. Plie, la sekretario tradukis multajn leterojn kaj cirkulerojn por britaj kaj alilandaj firmoj. Tio montras, ke per sia propra organizo kun delegitoj en ĉiuj landoj de la mondo, UEA faciligas la tujan uzon de Eperanto por praktikaj celoj. Ĉiuj menciitaj faktoj certe havigas argumentojn por rekomendi la subtenon de la rezolucio de la Pariza Komerca Ĉambro.

La *delegito de la Komerca Ĉambro de Treviso* citas similajn faktojn por Italio. Laŭ lia enketo 40.000 personoj supozeble lernis Esperanton en Italio kaj ekzistas centroj kun pretaj tradukistoj en 114 italaj urboj. Sin reprezentigis en la konferenco 23 Italaj Komercaj Ĉambroj kaj ankaŭ 5 Italaj Ĉambroj de Komerco en aliaj landoj de Eŭropo kaj Ameriko. Li subtenas la Parizan proponon.

La *reprezentanto de la eksportaj gazetoj „Le Cuir" kaj „Les Echos de l'Exportation"*, *Paris* citas en Francio 23 Ĉambrojn de Komerco, kiuj alprenis rezolucion favoran al Esperanto: Avignon, Beauvais, Béziers, Brive, Calais, Cette, Clermont-Ferrant, Grenoble, Le Puy, Le Tréport, Limoges, Lyon, Mâcon, Moulins, Nîmes, Paris, Roanne, Saumur, Saint-Omer, Tarrare, Tulle, Vienne, kaj la francan Komercan Ĉambron en Londono. 5 esprimis kontraŭan opinion: Ambert, Arles, Dijon, Marseille, Oran. 3 organizas oficialajn kursojn; Paris, Avignon kaj Limoges. 3 donas senpage lokon por kursoj, Bauvais, Mâcon, Saint-Omer. 3 voĉdonis subvencion: Paris, Bauvais, Cette.

La gazeto „Le Cuir", organo de la leda industrio en Parizo alprenis Esperanton en 1921, kaj publikigas en tiu lingvo tradukon de siaj listoj da ledaj komercaĵoj. Ĝi korespondas per Esperanto kun kelkaj foiroj kaj ankaŭ ricevis en tiu lingvo komercajn leterojn el landoj kiel Brazilo, Ĉeĥoslovakio, Finnlando kaj Japanio. Ĝi ricevis teknikajn artikolojn el Svedio kaj Ĉeĥoslovakio. Por citi hazarde alian ekzemplon de komercaj servoj per Esperanto, oni povas uzi la statistikon de UEA kaj konstati ke la delegito en Lyon ricevis en lasta jaro 445 leterojn kaj 78 presaĵojn en Esperanto. Li forsendis 342 leterojn kaj 1037 cirkulerojn. Li plenumis 145 servojn inter kiuj 34 por komerco kaj 64 por turismo.

La *delegito de la fabrikista sindikato de ĥemiaj produktaĵoj en Lyon* konfirmas tiujn informojn.

Nur en Lyon pli ol 20 firmoj korespondas en Esperanto. La delegito deponas ilian liston.

La *delegitoj de la Komercaj Ĉambroj en Brno, Reichenberg, kaj Hradec-Kralove (Königgrätz)* anoncas ke iliaj Ĉambroj kaj tiuj en Olomouc kaj Budejovice alprenis rezoluciojn por Esperanto. La Ĉambro de Hradec-Kralove eĉ starigis oficejon por traduki por komercistoj tekstojn el kaj en Esperanto. En tiu urbo uzis Esperanton por sia reklamo 2 firmoj en 1921 kaj 33 en 1922. La Komerca Ĉambro organizis oficialan kurson por komerca korespondado. Unu firmo konstatis ke post anonco en Esperanto ĝi ricevis 10 demandojn el 5 landoj. Same kiel bona instrumento prezentas la duonon de la entreprena kapitalo en la industrio, tiel ankaŭ la helpa lingvo internacia prezentas la duonon en la entreprena kapitalo en la komerco. La ministrejo de instruado enkondukis per dekreto de 15 majo 1921 la nedevigan instruadon de Esperanto en la programon de la superaj komercaj lernejoj (akademioj). En la nomo de siaj Komercaj Ĉambroj, la delegitoj ĉeĥoslovakaj subtenas la Parizan rezolucion.

La *delegito de la germana ministrejo por ekonomio* prezentas liston de firmoj uzantaj Esperanton. Multaj Komercaj Ĉambroj en Germanio fariĝis favoraj al Esperanto. Kelkaj enkondukigis ĝian instruadon en la komercajn lernejojn kaj ankaŭ en la altajn institutojn de komercaj sciencoj en Nürnberg kaj Leipzig. Certe multaj Komercaj Ĉambroj de Germanio estus tie reprezentataj se la cirkonstancoj estus pli favoraj al vojaĝo. Li ankaŭ subtenas la rezolucion de la Komerca Ĉambro de Parizo.

La *delegito de la Foiro en Wien* konstatas ke el la 5 aŭstriaj Komercaj Ĉambroj, 3 subtenas enkondukon de Esperanto kaj same faras 5 aliaj oficialaj institucioj komercaj. Li subtenas la rezolucion.

La *delegito de la Komerca Ĉambro de Galatz* anoncas ke la Komercaj Ĉambroj de Cluj, Galatz, Braila kaj Chiŝinau subtenas la Parizan rezolucion. La Ĉambroj de Bukureŝti, Ploeŝti, Tecuci, Krajova sendis raportantajn delegitojn al la konferenco. La Komerca Ĉambro de Bukureŝti enkondukos Esperanton post finkonstruo de sia lernejo. Instruejo por sekretariinoj decidis komenci la instruadon. Li citas ekzemplon de rumana fabrikejo kun laboristoj rumanaj, hungaraj kaj rusaj. Por apliki tie la Tayloran

sistemon kun angla kontrolanto estis necese uzi Esperanton en rektaj parolaj rilatoj, kaj la fakestroj kaj pluraj oficistoj lernis la lingvon. Li subtenas la Parizan rezolucion.

La *delegito de la Komerca Ĉambro en Budapest* subtenas ankaŭ la rezolucion en la nomo de sia Ĉambro. Samopinias ankaŭ la Ĉambroj de Debrecen, Györ, Miskolc, Szeged. Tiuj en Pecs, kaj Sopron ne respondis. Ne ekzistas aliaj Ĉambroj en Hungario. La Budapesta Komerca Ĉambro alvokis al hungaraj firmoj por ke sin anoncu tiuj kiuj uzas Esperanton por eksterlanda korespondado. Multaj prezentis atestojn de kontentiga rezultato. Ekz. komercisto, dissendinta 200 cirkulerojn en Esperanto kaj enmetinta 2 anoncetojn en esperantaj gazetoj, ricevis mendojn por eksportartiklo el 12 landoj, inter alie Aŭstralio kaj Usono. Granda vineksporta entrepreno provis esperantan korespondadon kaj poste utiligis la helpon de delegitoj de UEA por vizitigi nederlandajn komercistojn.

La *delegito de la Internacia Oficejo por favori komercon kaj industrion en Amsterdam* prezentas liston de nederlandaj firmoj, korespondantaj en Esperanto. La Komercai Ĉambroj de Hago, Alkmaar, Nymegen, Dordrecht kaj Veendam akceptis rezolucion en la senco de la Pariza.

La nederlanda komerca instituto organizas ekzamenojn por komerca korespondado en Esperanto.

*La delegitoj de la Komercaj Ĉambroj de Genève, St. Gallen, Tiĉino, Vaud kaj Valais* partoprenas la kunsidon. La Ĉambroj de Vaud kaj Tiĉino jam aprobis la deziresprimon de la Komerca Ĉambro de Parizo. Tiu de Genève ĵus adoptis rezolucion favoran al komerca mondlingvo kaj al instruado de Esperanto en komercaj lernejoj, se ĝi estos tutmonde adoptita per internacia akordo.

La *delegito de la Kompanio de Komercistoj en Edinburgh* subtenas la Parizan rezolucion kaj aldonas al la raporto, prezentita de la delegito de la Londona Komerca Ĉambro, atestojn de skotaj firmoj, kiuj sukcese uzis Esperanton. Ekz. la firmo Buchanan Scott & Co. en Glasgow spertis, ke Esperanto estis tiel facila, ke neniu speciala oficisto estas necesa por prizorgi la korespondadon. Iu, kiu estas libera por la momento, ĉu unu el la firmestroj, aŭ unu el la komizoj povas fari ĉion necesan. En neniu alia lingvo, oni povas agi tiel senĝene. La sperto de la firmo estas preskaŭ unutona pri tio, ke Esperanto estas tiel elika, ke ĝi okazigas nenian komikaĵon kiel ofte okazas per naciaj lingvoj uzataj inter diversnacianoj. La firmo T. C. Green & Co. en Glasgow korespondis kontentige kun Svedio, Hungario Japanio kaj Ĉinio. Ankaŭ la Komerca Ĉambro de Dunfermline estas reprezentata ĉe la Konferenco.

*La delegito de la Internacia Oficejo de Komercaj Foiroj kaj Ekspozicioj en Parizo* komunikas favoran leteron de franca ministro de komerco, kiu interesiĝis je diskonigo de francaj produktaĵoj per Esperanto en 1921.

La *delegito de la Belga Komerca Ĉambro en Londono* subtenas la rezolucion Parizan en la nomo de sia ĉambro, kiu donis al li instrukcion pri tio. Persone li aldonas ke lia firmo antaŭe uzis 17 lingvojn por korespondado kaj presaĵoj, dum li uzas nun neniun alian krom angla, franca kaj esperanta.

*La delegitoj de la Komerca Ĉambro de Lecce, de la Komercista Asocio Tiĉina, de la Itala Komerca Ĉambro de Montevideo, de la Komerca Ĉambro de Verona, de la Landa Hungara Komerca Unuiĝo, de la Ĝenerala Asocio de farmaciaj sindikatoj en Francio* ankoraŭ parolas por subteni la rezolucion de Parizo.

La prezidanto demandas, ĉu iu deziras esprimi kontraŭan opinion aŭ kritikon.

La *delegito de la Komerca Ĉambro en Milano* (profesoro Ravizza) proponas en sia persona nomo du modifojn al la rezolucio prezentita:

1ª aldoni kvinan paragrafon „konsiderante ke multaj komercaj firmoj aŭ foiroj en ĉiuj landoj de la mondo jam sukcese spertis la uzon de Esperanto por korespondado, internacia reklamo kaj negocaj interparoloj";

2ᵉ aldoni post la du deziresprimoj trian paragrafon: „ke la Komercaj Ĉambroj, kiuj ankoraŭ ne estas konvikitaj pri la oportuneco de la unua kaj dua deziresprimo almenaŭ ekzamenu serioze la demandon kaj faru provojn anstataŭ resti en pasiva indiferenteco."

La *delegito de la Komerca Ĉambro de Parizo* sin deklaras preta akcepti tiujn modifojn, kiuj vere estas nur kompletigaj aldonoj.

La *delegito de la Komerca Ĉambro de Milano* dankas pro tiu akcepto, klarigante ke li estis impresita per la multaj cititaj faktoj pri praktika uzo de Esperanto kaj dezirus ke oni instigu la skeptikajn Komercajn Ĉambrojn al serioza pristudo kaj eĉ al eksperimentoj. Li mem estas plene konvinkita kaj tre impresita pri la taŭgeco de Esperanto.

La *delegito de la Komerca Ĉambro de Tiĉino* opinias ke, ĉar multaj Komercaj Ĉambroj jam uzis Esperanton, ne plu necesas paroli pri eksperimentoj.

La *delegito de la Itala Komerca Ĉambro en Svislando* rekomendas ne fermi la pordon al tiuj, kiuj ankoraŭ ne estas informitaj, kaj kontraŭe doni al ili eblecon studi la faktojn anstataŭ antaŭjuĝi nesciante. Li subtenas la aldonojn proponitajn de profesoro Ravizza.

Tiuj aldonoj estas akceptitaj unuanime krom unu voĉo kontraŭa.

La prezidanto petas la delegiton de la franca Komerca Ĉambro en Londono, S-ron Gueritte, prez. de la Societo de Inĝenieroj en Britlando, prezenti raporton pri tiu diskuto en la ferma kunsido de la konferenco antaŭ la fina voĉdono pri la rezolucio de la Komerca Ĉambro de Parizo, ĵus modifita kaj reverkota.

## Kvara kunsido.

Praktikaj rimedoj.

La prezidanto malfermas la kunsidon mardon, posttagmeze je 14 h.

*La delegito de la Komerca Ĉambro de Parizo* opinias, ke oni povus jam utiligi Esperanton multe pli vaste ol oni ĝis nun faris por internacia reklamo. Ekzemple estas tute eble fondi naciajn societojn kun kapitalo el 20 diversaj landoj kun tiu nura celo. Tia societo aĉetus reklamspacojn en ĉiuj landoj per kontrakto kun bonaj gazetoj kaj afiŝejoj. Poste ĝi patentigus en ĉiuj landoj modelon de kadro kaj titolo, kiu estus ĝia posedaĵo. Fine ĝi luus anoncliniojn aŭ mursurfacojn al komercistoj dezirantaj konigi siajn produktaĵojn en la tuta mondo. Oni per tio pruvos, ke per Esperanto oni povas gajni monon, ĉar la nomo Esperanto devus ĉie stari en la patentita titolo.

*La direktoro de la banko Vogt kaj delegito de la Komerca Ĉambro en Stuttgart* varme aprobas tiun personan sugeston.

*La delegito de la Belga Komerca Ĉambro en Londono* prezentas serion da proponoj praktikaj por plivastigi la komercan potencon de la helplingvo. Li rekomendas, ke la Universala Esperanto-Asocio klopodu per siaj delegitoj akiri pli multajn aliĝojn de „entreprenoj" kaj varbi ĉiujn firmojn korespondantajn en Esperanto, por ke ilia adreso aperu en speciala bone klasigita listo en la jarlibro de UEA. Se ilia nombro kreskas rapide, oni povos eldoni apartan komercan jarlibron, kiu egalos ekzemple la telefonlibron. Ofte komercistoj ne volas interesiĝi al Esperanto respondante, ke ili neniam ricevis leterojn en tiu lingvo. Kiel ili povus atendi, ke oni skribos al ili en tiu lingvo, se ili ne publikigas sian nomon en la esperanta jarlibro aŭ ne metas sur sia leterpapero ke ili korespondas en Esperanto? Ili agas same kiel komercisto, kiu plendus, ke neniu telefonas al li, kiam li mem forgesis enskribi sian firmon en la telefonlibro kaj sian numeron sur la leteroj.

*La delegito de la jarlibra firmo Didot-Bottin en Parizo* anoncas, ke en 1923 la dikaj adreslibroj, fame konataj sub la nomo „Bottin" montras per stelo la komercistojn uzantajn Esperanton kaj tradukas ankaŭ en tiu lingvo la titolojn de la firmoj.

*La delegito de la Financa Ministrejo Jugoslava* konstatas, ke per sia organizo UEA efektive povas tuj disvastigi ian ajn dokumenton al atentema leganta publiko disa en 50 landoj de la mondo. Pro tio lia ministrejo diskonigas informojn pri jugoslava ekonomio, same kiel aliaj Ministrejoj de Litovio, Ĉeĥoslovakio kaj Svedio, en la nove fondita „Informilo" en Esperanto.

*La delegito de la Komerca Ĉambro en Calais* rekomendas samformatan eldonon de ĉie disvastigeblaj komercaj gvidfolioj.

*La delegito de la Komerca Ĉambro en Londono* memorigas pri la eksperimento organizita antaŭ la milito per samtempaj kursoj al komercaj lernantoj en diversaj landoj kun ĵtuj posta korespondado inter ili. Tiu afero devus nun esti rekomencata.

*La delegito de la Hungara Tutlanda Komercista Unuiĝo* rekomendas, ke la Ĉambroj de Komerco organizu ĉie servon de tradukado por korespondado per Esperanto. La delegitoj de UEA kaj la lokaj esperantaj societoj devus proponi fiksan aranĝon por preni sur sin tradukadon de leteroj el aŭ en Esperanto por komercistoj, kiuj provas internacian lingvon per tiu lingvo aŭ enpresigas anoncon en Esperanto-gazetaro. En la komenco tio estu farata senpage kiel kuraĝigo aŭ page laŭ modera tarifo. Poste kiam la firmoj jam ricevos multajn, ili baldaŭ lernigos mem Esperanton al unu aŭ pluraj siaj oficistoj.

*La delegito de la Itala Radio-Klubo* atentigas la konferencon pri la graveco de helplingvo por senfadena telefonio, kiu nun disvastiĝas tre rapide en la tutan mondon. Estas neeble fondi sendostaciojn jen suda kaj centra Eŭropo ne adoptinte helplingvon kiel Esperanton, kiu povus esti facile komprenata pro siaj klaraj sonoj.

*La delegito de la Radio-Elektra Societo en Svislando* subtenas tiun vidpunkton kaj konstatas, ke jen pola respubliko granda intereso vekiĝis por senfadena telefonio, dank' al artikolo aperinta en gazeto esperanta kaj poste tradukita nacilingve por lokaj ĵurnaloj. Estas tute certe, ke la telefonaj ondoj transpasas la limojn de ĉiuj apartaj lingvoj kaj ke Esperanto montriĝos pli kaj pli necesa por atingi multnacian aŭdantaron.

*La delegito de la Rumana Ministrejo Komerca* konsentas pri tiuj argumentoj kaj opinias, ke ili interesos la grandindustriulojn por enkonduki senfadenan telefonion en la landojn de orienta Eŭropo. Li dezirus ankaŭ scii kia estas la situacio nuna de Esperanto rilate al oficialaj telegrafaj tarifoj. Ĉu tiu demando ne estis pritraktita en la Ligo de Nacioj?

*La reprezentanto de la Persa Delegacio al la Ligo de Nacioj* diras, ke efektive tiu temo estis pritraktita dum la lasta kunsido de la Ligo en Genève en la komisiono pri teknikaj aferoj. Laŭ raporto de la ĝenerala sekretario de la Ligo de Nacioj, la internacia telegrafa oficejo en Bern balotigis proponon de la Ĉeĥoslovaka telegrafa administracio, por aldoni la vorton „Esperanto" al la mencio de oficialaj lingvoj rekonataj por internacia telegrafado „klara". La Brazila registaro subtenis la proponon kaj 11 ŝtatoj voĉdonis „jes" dum 12 respondis „ne". La afero restas do ankoraŭ nesolvite. Sufiĉus, ke 2 ne respondinta ŝtatoj konigus sian konsenton por ke la regularo estu modifita kaj „Esperanto" aldonata. En interna servo pluraj ŝtatoj jam rekonis Esperanton kiel lingvo „klara", inter alie Granda Britlando jam de 1907.

La *delegito de la Komerca Ĉambro de Treviso* demandas kiel oni transskribas telegrafe la fonetikan alfabeton de Esperanto.

La *delegito de la Foiro de Leipzig* respondas ke oni ĉie uzas la anglan kaj Zamenhofan formon ch, sh, por ĉ, ŝ same kiel germane ae, oe por ä, ö.

La prezidanto petas la diversajn parolintojn prepari tekstojn de rezolucio por baloto en la ferma kunsido.

* * *

## Kvina kunsido.

### Turismo.

La prezidanto malfermas la kunsidon merkredon 4 aprilo, je 10 h 10, en „Hotel Wagner".

La *delegito de la Turisma Fako de Ĉeĥoslovaka Komerca Ministrejo, de la Nacia Federacio Turisma kaj de la Ĉeĥoslovaka Turing-Klubo,* raportas pri utilo de Esperanto por turismo. La reprezentantoj de turismaj organizaĵoj kunsidis en aparta komisiono kaj jam interdiskutis pri specialaj punktoj. Se ili havas lokon en Komerca Konferenco, la kaŭzo estas ke la fremdula movado estas ja la plej bona importado por iu lando. En la nunaj cirkonstancoj ne sufiĉas plu ke turisma institucio eldonu presaĵojn en 5 aŭ 6 lingvoj. La nombro kreskas kun bezonoj kaj ankaŭ la kosto de presado kaj tradukado. Ŝtato aŭ privata korporacio ŝparus multe da mono kaj peno se ĝi povus eldoni nur en ĉefaj lingvoj kun esperanta resumo aŭ nur en Esperanto almenaŭ por ĉiuj nacioj kiuj ne parolas tre disvastigitajn lingvojn.

Per tia ŝparo, oni povus eldoni pli multe kaj pli lukse.

Jam kelkaj ŝtatoj komencis eldoni broŝurojn en Esperanto. La parolinto ricevis mem du belegajn antaŭmilitajn albumojn de la aŭstria fervoja ministrejo kaj ankaŭ unu de la franca fervoja kompanio Paris - Orléans. Turismaj sindikatoj ankaŭ komencis presigi en Esperanto regionajn aŭ urbajn gvidlibrojn. Ekzistas tiaj pri ĉirkaŭe 400 lokoj de Eŭropo kaj Afriko. La ekspozicio montris 250 specimenojn, sed kompare kun la tuto en la mondo, ĝi estas komprenèble ankoraŭ tro malmulto kaj nur komenco.

Ankaŭ ĝis nun, la esperanto - societoj devis tro ofte helpi aŭ eĉ presigi mem tiujn eldonaĵojn. Tio ne estas la ĝusta metodo. Oni devas instigi la ŝtaton, la urbon aŭ la turisman oficejon ke ĝi mem presigu tian dokumenton kaj la esperanto-societoj aŭ delegitoj de UEA devus nur proponi sian tradukan servon, ĉar la disvasteco de Esperanto en ĉiuj landoj de la mondo estas jam tia, ke la eldono de gvidlibroj en tiu lingvo ne signifas elspezon, sed veran gajnon. Lia ministrejo spertis, ke presaĵo en Esperanto, disvastigita per la internacia organizo de UEA trafas atenteman legantan publikon samtempe en ĉiuj landoj, atingas plej diversnacian gazetaron kaj entute montriĝas el ĉiuj rimedoj la plej malkara kaj sukcesplena reklamilo. En Ĉeĥoslovakio la turisma fako de la komerca ministrejo subvenciis per 10.000 Kr. la XIIIan Universalan Kongreson de Esperanto, kiu fariĝis la plej grandnombra vizito de fremduloj en la lando. Partoprenis 2500 personoj, kies duono el eksterlando. Antaŭ la milito, la turismaj asocioj de Praha kaj Brno sendis vojaĝantan paroladiston ĉirkaŭ Eŭropo. Post la milito same vojaĝis al diversaj eksterlandaj urboj la delegito de la turisma fako de l' komerca ministrejo por fari paroladojn en Esperanto kun lumbildoj pri sia lando. La rezultato estis allogo de 1200 fremduloj al Praha. La Turing - Klubo Ĉeĥoslovaka fondis esperantistan sekcion. Multaj gvidlibroj aŭ gvidfolioj ĉeĥoslovakaj estas jam presitaj en Esperanto. Dum en 1908 en London, ĉe la aŭstria ekspozicio kun ĉeĥa sekcio la gazetaro silentis pri Bohemio, ĉar la imperia registaro mem ne atentigis pri ĝi. Pere de esperantistoj poste multaj ĵurnaloj citis kaj longe priskribis tiun sekcion.

La *delegito de Ĉeĥoslovaka Turisma Ligo por Moravio* konfirmas tiujn informojn.

La *delegitoj de la porfremdulaj sindikatoj en Bourg kaj Genève* konstatas efektive, ke oni multe parolas pri Ĉeĥoslovakio en la tuta mondo pere de Esperanto. Eĉ la infanoj lernintaj Esperanton en aliaj landoj, tre ofte ekkorespondas unue kun ĉeĥoslovakaj samaĝuloj.

La *delegito de la porfremdula sindikato de Grenoble kaj Dauphiné* mencias ke la franca Turing - Klubo estis la unua granda societo kiu helpis enkonduki Esperanton en okcidentan Eŭropon en 1900. Hodiaŭ kelkaj gvidantoj ne estas tiom favoraj, sed ekzistas esperantista grupo de la franca Turing - Klubo de 150 membroj.

30 gvidlibroj aŭ gvidfolioj pri francaj urboj aŭ regionoj aperis en Esperanto, ĝenerale kun subvencio de la loka turisma sindikato. Krom tio ekzistas albumoj eldonitaj de la Fervoja Kompanio Paris-Orleans, de la franca ŝtata fervojaro kaj unu pri Vaison. La regionaj turismaj sindikatoj de Anjou, Grenoble, kaj Dauphiné, Bourg-en-Bresse kaj Touraine presigis mem en ilustritajn gvidlibrojn. La sindikato de Grenoble skribas: „Ni konstatis la utilon de tiu libro kaj preskaŭ ĉiutage ricevas informpetojn en Esperanto el multaj landoj." En la nomo de tiu asocio, la delegito prezentas rezolucion rekomendentan al ĉiuj landaj turismaj sindikatoj sekvi tiun profitigan ekzemplon.

La *delegito de la Silezia Turisma Ligo* raportas similajn faktojn pri sia propra kaj aliaj regionoj de Germanio.

La *delegito de la Nacia Turisma Asocio „Pro Italia"* citas rezolucion jam voĉdonitan de tiu societo por rekomendi al turismaj sindikatoj la profitigan uzon de Esperanto. La Turisma Asocio de Veneta regiono ankaŭ voĉdonis similan rezolucion. Aperis en Esperanto sufiĉe granda nombro da gvidfolioj kaj belaj ilustritaj gvidlibroj de Rimini, Ravenna, Bologna, Trentino, Genova, Milano kaj Venezia.

La *delegito de la Komerca Ĉambro Itala en Maroko* raportas pri karavano de Milano al Finnlando, kiu uzis Esperanton dum la tuta vojaĝo kaj ricevis ĉie la helpon de delegitoj de UEA.

La *delegito de la Turisma Sindikato en Annecy* faris similajn spertojn kun karavano de Lyon al Ĉeĥoslovakio. Tiaj karavanoj estus tre malfacilaj kaj multekostaj sen la esperantista organizo kaj lingvo.

La *delegito de la Turisma Sindikato en Zagreb* gratulas pri la belega ilustrita gvidlibro de Venezia en Esperanto. Li multe lernis per la konferenco kaj konstatas ke lia lando, ankoraŭ tro nekonata ekstere, povus multe profiti el turisma propagando esperanta.

La *delegito de la Svisa Turisma Oficejo* raportas ke en Svislando ekzistas ilustritaj broŝuroj pri Oberlando kaj Genève, kaj gvidfolioj pri diversaj urboj. La Svisa Turisma Oficejo estas ne nur favora principe al la celo de la konferenco, sed estas preta eldoni presaĵon en Esperanto pri Svislando.

La *delegito de la Foiro de Wien* citas la du albumojn en Esperanto pri Aŭstrio kaj anoncas ke la ministrejo pri trafiko intencas eldoni novajn gvidlibrojn en tiu lingvo, ĉar la rezultatoj estis bonaj.

La *delegito de la ĝenerala direktejo de Rumana Fervojaro* esprimas la deziron ke oni aldonu Esperanto-ŝlosilojn al la gvidlibroj por ke oni povu disvastigi ilin, ne nur inter personoj komprenantaj Esperanton, sed eĉ inter la aliaj: ĉar sufiĉas iom tralegi la 16 regulojn de la gramatiko por kompreni facile iun tekston.

La *delegito de Katolika Societo Itala de Komercaj Oficistoj* certigas, ke multaj katolikaj asocioj en Italio konsideras Esperanton kiel utilan helpilon por sukceso de katolikaj pilgrimoj al Sanktejoj de la fido.

La *delegito de la Svisa Societo Hotelista, la delegito de la Ĉeĥoslov. Turing-Klubo* kaj la *delegito de la Rumana Komerca Ministrejo* atentigas pri la utilo de Esperanto por hoteloj kaj rekomendas, ke oni restarigu en la jarlibro de UEA mencion de 2 aŭ 3 diversklasaj hoteloj por la ĉefaj urboj.

La *delegito de la Ĉambro de Komerco de Kanana (Meksiko)* rekomendas ankaŭ la restarigon de la samformataj gvidfolioj per UEA kaj petas, ke la konferenco oficiale voĉdonu ankaŭ rezolucion por rekomendi la instruadon de Esperanto al hotela servistaro, ĉar la Sud- kaj Centr-Amerikanoj multnombre vojaĝas al Eŭropo kaj trovas malofte hotelistojn kapablajn interparoli hispane aŭ portugale. Dume Esperanto estas tre facila kaj tuj komprenebla, eĉ preskaŭ senlerne, de la hispanlingvanoj aŭ brazilanoj.

La prezidanto fermas la kunsidon tagmeze.

## Finferma kunsido.

(Rezolucioj).

La *delegito de la Komerca Ĉambro de Sheffield* prezidas la ferman kunsidon de la konferenco, en la Komerca Ĉambro de Venezia, merkredon 4 aprilo je 15 h.

La *delegito kaj eks-prezidanto de la Franca Komerca Ĉambro en Londono* raportas resume pri la tuta ĝenerala diskuto okazinta ĉirkaŭ la Pariza rezolucio. Lin surprizis la longa listo de gravaj korporacioj aprobantaj la deziresprimon de la Komerca Ĉambro de Parizo. Ankaŭ la franca Komerca Ĉambro de Londono voĉdonis similan rezolucion por rekomendi la ĝeneraligon de Esperanto, ĉar eble francoj loĝantaj eksterlande ankoraŭ pli bone komprenas la necesecon de helplingvo ol tiuj, kiuj restas en la lando mem. Pri tio konsentas kun la komercistoj ankaŭ multaj inĝenieroj kaj teknikistoj. Lastan jaron la societo de inĝenieroj el Britlando, kiun li tiam prezidis, neoficiale voĉdonis pri taŭgeco de Esperanto kiel helplingvo por inĝenieroj. La rezultato estis tre interesa kaj ne atendita: 90% respondis „jes", 3% „ne" kaj 7% restis neŭtralaj. La nuna konferenco ŝajnas al li ankoraŭ pli bona pruvo per faktoj ol ĉiu ajn balotado. Li partoprenis tre multajn internaciajn konferencojn, en kiuj preskaŭ ĉiam regis lingva konfuzo kaj malfacilaĵo. Oni perdis tempon, difektis intereson, kreis malagrablan embarason. Dume tiu ĉi konferenco estas la plej bona kiun li iam vidis. Ĉiuj delegitoj parolas unu saman komunan lingvon kaj ne bezonas timi ke ili faros gramatikajn erarojn. La plejmulto parolas tre flue kaj tiel senĝene kiel en sia propra lingvo. La kompreno estas plena, la unueco kaj rapideco de laboroj rimarkinda. Li mem, ne ofte parolinte en Esperanto antaŭe ĝuis agrablan interparolon en tiu lingvo kun ĉiulandaj konferencanoj. Li proponas al akcepto de la konferenco la rezolucion de la Komerca Ĉambro de Parizo kun la modifoj proponitaj de Prof. Ravizza de Milano:

Konsiderante, ke la tutmondaj interŝanĝoj estus multe faciligitaj per uzado de helpa internacia lingvo,

konsiderante, ke tio tute ne devas malutili al la naciaj lingvoj, intime ligitaj kun historio de ĉiu lando kaj riĉaj je senmortaj literaturaj ĉefverkoj,

konsiderante, ke kontraŭe, la helpa lingvo devas esti utiligata kvazaŭ iu kodo kaj interpretilaro inter la nacioj kaj ke tial estas necese ke oni povu ĝin akiri per facila kaj praktika lernado,

konsiderante, ke multaj komercaj firmoj aŭ foiroj el ĉiuj landoj de la mondo jam sukcese spertis la uzon de Esperanto por korespondado, internacia reklamo kaj negocaj interparoloj,

konsiderante, ke la lingvo Esperanto posedas ĉiujn dezirindajn kvalitojn de klareco kaj de metoda simpleco laŭ la vidpunkto de la elparolado, de la gramatiko, de la vortaro, kaj de la riĉeco je esprimoj, la Internacia Komerca Konferenco de Venezia, voĉdonas la jenan deziresprimon:

1e ke la instruado de Esperanto estu enkondukata en la komercajn lernejojn de ĉiuj landoj.

2e ke la Komercaj Ĉambroj, ekonomiaj grupiĝoj kaj turismaj oficejoj, dezirantaj faciligi la komercan trafikon kaj la internacian vojaĝadon helpu al la rapida disvastigado de Esperanto, kiel internacia helpa lingvo.

3e ke la Komercaj Ĉambroj, kiuj ankoraŭ ne estas konvinkitaj pri la oportuneco de la unua kaj dua deziresprimoj, almenaŭ ekzamenu la demandon kaj faru provojn.

La *delegito de la Ĝeneralaj Komercaj Ĉambroj de Peking kaj Tien-Tsin* (Ĉinio) subtenas la rezolucion en la nomo de tiuj du Ĉambroj kaj ankaŭ en tiu de la Ĉinaj Komercaj Ĉambroj en Siam, Azio kaj Makassar (Oceanio) kiuj donis al li saman instrukcion. La ĉina komercistaro bezonas kaj deziras rilati kun eŭropaj negocistoj se oni nur povas forigi la lingvan barilon, kiu estas la ĉefa malhelpaĵo.

La *delegito de la Oficejo de Industrio en Genève* ankaŭ subtenas la rezolucion. Tiu korporacio helpis la altan lernejon de Edukaj Sciencoj, Instituton J. J. Rousseau, organizi en Genève Internacian Konferencon por profesia orientado, kiu studis la psikologiajn mezurilojn por profesiaj kapablecoj. Poste tiu Instituto kunvokis alian konferencon por ekzameni la spertojn faritajn per instruado de Esperanto en publikaj lernejoj de 16 landoj, kies ministrejoj de instruado sendis oficialajn delegitojn. Tiu konferenco okazis en la sekretariejo de la Ligo de Nacioj kaj uzis ankaŭ Esperanton plensukcese, kiel la nuna. Sed antaŭ ĉio, ĝi pruvis, ke la studado de Esperanto neniel perdigas tempon, nek limigas la lernadon de la fremdaj lingvoj. Tion timis iom la Ĉambro de Komerco de Roanne, kiu aliĝis al tiu ĉi konferenco, insistante, por ke oni ne rekomendu la forigon de la fremdlingva instruado, sed nur la laŭvolan instruadon de Esperanto.

Oni aŭdis en la Ĝeneva Konferenco raportojn de anglaj inspektoroj kaj direktoroj de lernejoj, kiuj konstatis, ke la geknaboj lernintaj Esperanton gajnis unu aŭ du jarojn en la studado de ceteraj lingvoj, ĉar Esperanto, kiel simpligita kaj reguligita lingva tipo, montriĝis rimarkinda enkonduko al studo de aliaj europaj lingvoj, laŭ la principo: „pasu de simplo al malsimplo". Ankaŭ la ĉinaj kaj japanaj delegitoj atestis la samon. Tiamaniere la Komerca Ĉambro de Roanne povas trankviliĝi kaj certiĝi, ke, dum la necesa transira periodo, lernantoj neniel perdos sian tempon studante Esperanton, sed tute kontraŭe. Pro tio li subtenas ankaŭ la Parizan rezolucion.

La prezidanto balotigas la delegitojn per levo de manoj kaj la rezolucio estas unuanime akceptita.

La *prezidanto de la Interfoira Komisiono* raportas pri la laborkunsido de la foiroj, kiuj havis sian apartan konferencon en Venezia kaj parolis nur Esperanton la tutan tempon por diskuti pri diversaj aferoj de komuna intereso. La internaciaj foiroj dum la lasta jardeko, precipe de post la fino de la mondmilito, akiris multe pli grandan influon ol antaŭe en la ekonomia vivo de la diversaj nacioj. Pli ol io alia, la lasta milito montris, ke la tuta mondo jam estas ekonomia tutaĵo, en kiu parta progreso aŭ parta difekto influas ne nur la vivon de tiu parto, sed la tutan organismon. La foiroj ne nur respegulas la ekonomian vivon de siaj landoj, sed ankaŭ helpas restarigi la internacian interŝanĝon de produktaĵoj. Unuarange ili sentas la tutmondecon de komerco kaj tial eble ankaŭ unuarange ili montris la vojon en la uzado praktika de helpa mondlingvo. Por ili Esperanto ne estas plu simpla propono, sed jam ekzistanta lingvo, kiu pruvis sian vivon kaj taŭgecon. Por esprimi sian dankon pri tiu tre utila instrumento, la delegitoj, raportantoj aŭ reprezentantoj de 18 ĉeestintaj foiroj deziras publike transdoni al la nuna konferenco la jenan rezolucion, kiun ili alprenis unuanime kaj kiu povas eble utili en la aktaro.

II. La reprezentantoj de la foiroj de Barcelona, Bordeaux, Breslaŭ, Budapest, Frankfurt, Helsingfors, Leipzig, Lubljana, Lyon, Malmoe, Milano, Padova, Paris, Praha, Reichenberg, Valencia, Wien kaj Zagreb, kunvenintaj en Venezia dum la Internacia Konferenco por komuna komerca lingvo, interŝanĝis dum tri kunsidoj siajn spertojn pri la praktika uzado, kiun ili faris per Esperanto, ĉu por sia internacia reklamo, ĉu por sia korespondado, ĉu por siaj propraj interrilatoj kaj konferencoj, kaj unuanime konstatas, ke Esperanto estas la plej taŭga, simpla kaj ekonomia rimedo por internacia komunikado, kaj rekomendas, ke oni nun, post sukcesplenaj provoj, ĝeneraligu ĝian uzadon.

La prezidanto dankas la interfoiran konferencon por ĝia valora atesta dokumento, kiu konfirmas la leterojn ricevitajn de la Itala Komerca Ĉambro en Svislando, responde al ĝia invito. La dokumento estos aldonata en la protokolo kun mencio de la deklaro sendita de la Basela foiro, laŭ precize la sama senco.

La *delegito de la Belga Ĉambro de Komerco en Londono* raportas pri la detalaj praktikaj proponoj faritaj en la kvara kunsido kaj legas komunikaĵon de la prezidanto de la Universala Esperanto-Asocio akceptanta sugestojn similajn. Li do prezentas la jenajn rezoluciojn:

III. 1e UEA bonvolu publikigi en sia jarlibro aŭ aparte specialan liston de komercistoj, pretaj korespondi en Esperanto kaj klasigataj laŭ fakoj.

2e UEA bonvolu publikigi komercajn informojn en sia oficiala organo kaj kiel eble plej baldaŭ eldoni komercan bultenon.

3e UEA kreu servon de komercaj gvidfolioj, ilin kunigu laŭ fakoj aŭ landoj kaj disvastigu ilin laŭ mendo.

4e UEA atentigu per siaj delegitoj la komercistojn, hotelestrojn, informoficejojn kaj peradistojn pri la uzo de Esperanto kaj akiru kontraktajn favorprezojn por esperantistaj komercistoj.

5e UEA atentigu la eksportajn komercistojn pri la admirinda klareco de esperantaj radikoj por senfadena telegrafio. Per mallongigoj facile komprenataj de la telegrafema publiko, Esperanto povos parte anstataŭi la telegrafajn kodojn kutime uzatajn de grandaj firmoj. Uzo de Esperanto ŝparas monon kaj evitigas erarojn.

6e UEA elektu inter siaj delegitoj taŭgajn personojn por funkciigi la supre nomitajn servojn. Kiam estos necese, UEA kreu pli ampleksan organizon kaj metu je la dispono de la komercistaro la personojn kaj instalojn, kiujn oni juĝos dezirindaj.

La prezidanto balotigas pri tiuj deziresprimoj. Ili estas unuanime akceptitaj kaj transdonotaj al UEA kun la espero, ke ĝiaj delegitoj varbos aliĝojn de sufiĉe multaj entreprenoj por ebligi la realigon de la esprimitaj deziroj.

La *delegito de la Pariza Komerca Ĉambro* proponas aldoni al la unua punkto:

UEA en ĉiu lando konigu la adresojn de komercistoj, uzantaj Esperanton ankaŭ al la komercaj jarlibroj, kiel ekzemple „Bottin" en Parizo, petante, ke ili atentigu pri tiuj komercistoj per stela signo, kiel jam faras la supre nomita.

Tiu aldono estas unuanime akceptata.

La *delegito de Turisma Sindikato en Annecy* resumas la faktojn prezentitajn al la konferenco pri uzado de Esperanto ĉu de turismaj oficejoj, ĉu de turistaj asocioj. Li raportas pri la diskuto kaj proponas la kvar jenajn rezoluciojn:

IV. 1e La Internacia Konferenco por komuna komerca lingvo laŭ propono de la Turisma Sindikato de Dauphiné konsiderante la sukcesajn spertojn jam faritajn kaj la grandan nombron de gvidlibroj jam eldonitaj en Esperanto, proponas al turismaj asocioj, agentejoj kaj eldonejoj, eldoni gvidlibrojn en tiu lingvo aŭ almenaŭ dediĉi kelkajn paĝojn al esperanta resumo de siaj nacilingvaj gvidlibroj, ĉar tio estas la plej ŝpariga rimedo por diskonigi la belaĵojn de iu ajn urbo aŭ regiono en ĉiuj landoj de la mondo.

2e La konferenco invitas la hotelistajn societojn, enkonduki la instruadon de Esperanto en siaj lernejoj kaj instruigi tiun lingvon al la hotela servistaro.

3e La konferenco esprimas la deziron, ke la servo de samformataj turismaj gvidfolioj estu restarigata de UEA per interesigo de turismaj organizaĵoj. Tiuj gvidfolioj estu aranĝataj laŭ la ĝis nun akiritaj spertoj, konsiderante la nunan situacion kaj faktan valoron de tia reklamado.

La prezidanto balotigas pri tiuj proponoj. Ili estas akceptitaj

La *delegito de Radio-Elektra Societo* raportas pri la diskuto okazinta pri senfadena telefonio kaj la *delegito de la Generala Unuiĝo de Teknikistaj Lernantoj en Industrio kaj Komerco* raportas pri la permeso uzi Esperanton kiel „klara“ telegrafa lingvo. Ili prezentas la du jenajn rezoluciojn:

V. La konferenco, en kiu partoprenas ankaŭ reprezentantoj de Radio-Elektraj Societoj, konstatas, ke la tutmonda disvastiĝo de senfadena telefonio nepre postulas rimedon por superi la lingvajn barilojn kaj rekomendas la uzadon de Esperanto por komunikaĵoj destinitaj al eksterlanda aŭdantaro.

VI. La konferenco esprimas la deziron, ke Esperanto estu baldaŭ ĉie rekonata de telegrafaj administracioj kiel normala lingvo, ĝuanta la tarifon de lingvo „klara“. Ĝi rekomendas al la Komercaj Ĉambroj kaj Esperanto-societoj, ke ili instigu la centran telegrafan administracion en sia lando skribi al la Internacia Telegrafa Oficejo en Bern por konigi sian konsenton al la aldono de Esperanto en la mencio de akceptataj lingvoj, kiel faris jam 11 ŝtatoj.

La prezidanto balotigas pri tiuj rezolucioj. Ili estas akceptitaj.

La *delegito de Padova Komerca Ĉambro* prezentas la jenan proponon:

VII. La konferenco transdonu al la Internacia Komerca Ĉambro la rezolucion de la Komerca Ĉambro de Parizo ĵus unuanime akceptitan kaj petu, ke la demando estu enskribita sur la tagordo de venonta kongreso de la Internacia Komerca Ĉambro.

La prezidanto balotigas pri tiu rezolucio. Ĝi estas unuanime akceptita.

La *delegito de la Rumana Komerca Ministrejo* memorigas, ke la tria ĝenerala kunsido de la Ligo de Nacioj oficiale adoptis rimarkindan raporton de la ĝenerala sekretario de la Ligo post zorga diskutado kaj modifado de teknika komisiono. Tiu raporto konstatas la vivantecon kaj disvastecon de Esperanto kaj ĝian taŭgecon por skribaj kaj parolaj interrilatoj, sed la Ligo de Nacioj decidis ankaŭ submeti la demandon pri instruado de Esperento en lernejoj al sia Konstanta Komisiono por Intelekta Kunlaborado kaj peti, ke ĝi donu sian opinion pri la diversaj flankoj de la mondlingva problemo. Nu, ĉar efektive tiu problemo havas antaŭ ĉio komercan kaj turisman flankon, dum en la komisiono sidas nur sciencistoj kaj literaturistoj, estas la devo de tiu ĉi konferenco informi la komisionon de la Ligo de Nacioj pri la spertoj kaj deziroj de la rektaj interesatoj: la praktikaj komercistoj. Tial li prezentas la jenan rezolucion, ne kiel registara delegito, sed persone kiel grandindustriulo kaj komercisto:

VIII. La konferenco respekte atentigas la komisionon por intelekta kunlaboro ĉe la Ligo de Nacioj, komisiata por plue studi demandon de Esp. en lernejoj kaj la diversajn flankojn de la mondlingva problemo pri la jenaj punktoj:

La mondo komerca kaj turisma estas unuarange interesata en la urĝa bezono je praktika helplingvo por faciligi trafikon, vojaĝon kaj korespondadon.

Tiu helplingvo povas esti nek la lingvo de iu aparta nacio, pro politikaj kaŭzoj, nek la latina, pro lingva malfacileco kaj arkaismo.

La internaciaj foiroj kaj multaj komercistoj el ĉiuj landoj jam sukcese uzis Esperanton por sia internacia reklamo, sia korespondado aŭ konferencoj pro ĝia facileco kaj neŭtraleco.

Tial, la plej praktika solvo estas generaligi la uzon kaj instruadon de Esperanto kiel jam rekomendis pluraj gravaj organizaĵoj kaj tiu ĉi konferenco elprovinte la taŭgecon de Esperanto.

La prezidanto balotigas pri tiu rezolucio, kiu estas unuanime akceptita.

La *delegito kaj direktoro de la Komerca Lernejo en Odense* (Danmarko) ĝojas, ke la Komerca Ĉambro de Parizo faris la unuan paŝon, kaj la Itala Komerca Ĉambro por Svislando la duan. Nun venas la britoj, kiuj prenu sur sin la taskon, diskonigi la rezultatojn de la konferenco al la Komercaj Ĉambroj en la tuta mondo. Dankante la prezidanton pro lia bonhumora kaj taŭga prezidado, li prezentas la sekvantan rezolucion:

IX. La konferenco konstatas la gravecon de la iniciato de la Itala Ĉambro de Komerco por Svislando, kunvokinta la konferencon por pristudi la rezolucion de la Pariza Komerca Ĉambro favore al la enkonduko de Esperanto en la komercajn lernejojn kaj esprimas la deziron, ke la brita delegitaro en la konferenco klopodu, por ke la organizitaj komercistoj de Britlando prenu sur sin la taskon diskonigi la rezultatojn de la konferenco al la Komercaj Ĉambroj kaj asocioj tra la tuta mondo. Plie, la konferenco petas la britan delegitaron, organizi internacian eksperimenton pri la instruo de Esperanto al komercistoj diverslandaj.

La *delegito de la Rumana Arbarista Unuiĝo*, veninte kiel observanto, deziras esprimi sian admiron pri la perfekta funkciado de Esperanto kiel parolata kaj facile komprenebla lingvo inter delegitoj de ĉiuj nacioj.

La *delegito de la Komerca Ĉambro en Bukureŝti* raportas pri la Internacia Varborso, samloke starigita inter la kunsidoj de la konferenco kaj partoprenata de 40 komercistoj diverslandaj. Anoncinte reciproke siajn varojn, ili organizis tuj la vendadon kaj aĉetadon, kaj 16 mendoj konkludiĝis dum la daŭro de la konferenco. Esperanto perfekte taŭgis por ĉiuj negocadoj, kaj tiamaniere, pluraj delegitoj havos duoblan kaŭzon ĝoji pri la vojaĝo, ĉar ili sukcesis profiti per tuja uzo de Esperanto, ne nur por la homaro, sed ankaŭ por siaj propraj aferoj.

La *prezidanto* sprite gratulas la sukcesajn vendistojn pri la varborso, kaj esprimas la esperon, ke ili donos procenton de siaj ĵus akiritaj milionoj por subteni la sekretarian kason, kiu bezonus monon por eldoni bonan raporton kaj protokolon en la plej gravaj naciaj lingvoj.

Li nun esprimas finan dankon al la neforgesebla urbo de Venezia, al ĝia gastama Komerca Ĉambro kaj al la Itala Komerca Ĉambro en Svislando, kies kuraĝa iniciato ebligis skribi la unuan paĝon de nova epoko en la historio de tutmonda komerco. Li ankaŭ dankas la Ĉambrojn de Komerco de Parizo, Milano, Londono kaj ĉiujn ceterajn, kiuj sendis oficialajn delegitojn kaj ebligis, ke la konferenco montriĝis vere granda sukceso.

Tiu sukceso alportos en la estonto nekalkuleblan helpon al la komercistoj de ĉiuj landoj, donante al ili la de longe deziratan rimedon por libera kaj rekta komunikado kun la tuta mondo.

La *reprezentanto de la Komerca Ĉambro en Venezia* dankas pro la honoro farita al lia urbo kaj al lia lando. La konferenco malfermis la okulojn de skeptikuloj kaj montris, ke la solvo de grava mondproblemo estas ja trovita kaj elpruvita. Restas nur ĝin diskonigi pli vaste. Li esprimas la esperon ke tiu laboro efektiviĝos kiel konsekvenco de la Veneziaj kunsidoj kaj li opinias, ke lia Komerca Ĉambro povas esti fiera ke oni elektis ĝian sidejon por tiel fruktodona okazintaĵo.

La *ĝenerala sekretario de la Itala Komerca Ĉambro por Svislando* konfesas, ke ĉiuj duboj kaj antaŭjuĝoj malaperas antaŭ la impresa brilo de la faktoj kaj de la vivo, kiu animis la tutan konferencon. Li estas plene konvinkita pri la taŭgeco de Esperanto. Neniam li atendis ke la lingvo funkcios tiel bone kaj flue. Ĉe la varborso, la komercistoj negocadis pri siaj aferoj

kun tiom da facilo kvazaŭ iliĉiuj parolus sian gepatran lingvon. En la diskutoj ĉio iris rapide kaj seninterrompe. Oni eĉ aŭdis vere elokventajn paroladojn, kiuj ĉarmis la orelojn de la italoj. Esperanto estas belsona kaj harmonia kiel suda lingvo. Tamen ne temis en Venezia pri elokventeco aŭ poezio, ankaŭ ne pri teorio aŭ pedagogio, sed pri esploro de faktoj kaj spertoj kaj pri aŭdo de enketoj faritaj de gravaj korporacioj kiel la Pariza Komerca Ĉambro. La celo de la invito estis ankaŭ koni la opinion de la ceteraj komercaj rondoj. La respondoj ricevitaj, ni povis konstati ke deziras la ĝeneraligon de Esperanto kiel internacia helpa lingvo, ne nur la voĉdonintaj korporacioj, sed ankaŭ granda nombro da Komercaj Ĉambroj kaj aliaj institucioj, kiuj nek aliĝis, nek partoprenis, sed esprimis sian simpation letere. Inter pluraj centoj da respondoj ricevitaj troviĝis nur kvar malfavoraj kaj preferantaj al Esperanto iun aŭ alian nacilingvon. Nur unu el la respondoj menciis heziton inter Esperanto kaj alia simila formo de mondlingvo. Se la granda plejmulto kaj la konferenco mem preferis sin teni al Esperanto, tio okazis, ne nur pro la antaŭe faritaj enketoj de diversaj el ili, ne nur pro la elpruvita sperto kaj taŭgeco de la lingvo, sed ankaŭ pro la ĝenerala deziro uzigi ĉie unu saman, simplan kaj praktikan helplingvon, kaj ne haltigi urĝan homan progreson per teoriaj disputoj. Ambaŭ la respondoj kaj la konferenco mem alportis al Esperanto la saĝan aliĝon de jam konsiderinda parto organizata komerca mondo, konvinkita per la faktoj. La ĝeneraligo de tiu praktika mondlingvo signos definitivan venkon de la homa racio super unu el la plej ĝenantaj bariloj, kiuj malhelpis ĝis nun la internaciajn interŝanĝojn.

La konferenco fermiĝas je la 17ª h. per longa aplaŭdado.

* * *

## Komuna vespermanĝo en „Hotel Wagner".

Solena vespermanĝo kunigis merkredon vespere post la fermo de la konferenco en la manĝo-ĉambro de „Hotelo Wagner" ducenton da delegitoj kaj invititoj. Plena koremeco kaj gajo regis la tutan vesperadon, ĉe kies fino alparolis per noblaj toastoj la vicurbestro Kav. Ponti itallingve kaj esperante la ĉiam gaja kaj ĝojiga prezidanto S-ro Merchant, kiu dankis en ĉies nomo al D-ro Privat pro lia tutjara laborado por okazigi kaj sukcesigi la konferencon kaj al la helpintaj italaj samideanoj S-roj Vaona, Bonini, Vianello, Toschi k. c. Respondis D-ro Privat kaj Kav. Vaona per elokventaj paroloj. Ankaŭ parolis poste, inter aplaŭdoj, D-ro Chiostergi de Itala Komerca Ĉambro por Svislando, Kav. Pianetti de Venezia Komerca Ĉambro, P-ro Ravizza de Milana Komerca Ĉambro, P-ro Baudet de Pariza Komerca Ĉambro, S-ro Fischer, Galati, de Rumana Ministrejo kaj aliaj el la plej eminentaj partoprenantoj de l' konferenco.

* * *

## Ekskursoj al Murano kaj Padova.

La 5ª de aprilo estis dediĉita al la ekskursoj.

La Komerca Ĉambro de Venezia tre ĝentile disponigis specialan ŝipon (ornamatan per la granda flagaro), kiu portis sufiĉe multenombran grupon da konferencanoj viziti la insularon de Estuario. Oni travidis la vitrajfabrikojn de S-roj Cappelin, de Fratoj Toso kaj la perlfandejon en Murano dum la laborado ĉe l' flamebrulantaj fornoj kaj la lernejon de Reĝino Margherita por puntistinoj en Burano.

Samtempe la „foiruloj" ĉiulandaj estis invititaj en Padova ĉe tiea Specimenfoiro kies modernajn instalojn ili vizitis, akceptataj de ĝia estraro. Poste ilin akceptis la urbestraro, la foirestraro kaj la registaraj aŭtoritatoj ĉe vere luksa tagmanĝo. La ĝentilaj akceptoj de l' Aŭtoritatoj, de Foiraj kaj Komercoĉambraj Direktoraroj kaj la travidado de tia moderna industria urbo lasis la plej agrablan kaj interesigan impreson al la vizitantoj.

## La Ekspozicio en „Hotel Wagner".

En iu el la vitraj ĉambregoj de „Hotelo Wagner" sur insulo Lido estis instalita akurate tre interesa ekspozicio. La porturista flanko de l' presaĵoj estis la plej multekvanta: ni povis kalkuli 120 gvidfoliojn kaj proksimume 200 gvidlibrojn, inter kiuj la arteprezentata gvidlibro de Venezia kiu estis disdonata al la konferencanoj.

Alia interesa flanko estis la aro da reklamiloj, afiŝoj, broŝuroj ktp. de la specimenfoiroj. Ĉiu eŭropa foiro estis tie reprezentata. Fine aparte grava estis la elmontro de 25 fakaj lernolibroj de la helplingvo por komercistoj kaj tablo kovrita per katalogoj kaj prospektoj en Esperanto.

En la ekspoziciejo deĵoris S-ro Westermacher el la firmo Ellersiek & Borel, Berlin, kiu zorgis la vendadon de diversflanka esperantista literaturo.

* * *

## La akcepto en „Napoleona Salono".

Lundon la 2ªⁿ je la 5 kaj duono posttagmeze la konferencanaro estis akceptata en la solena halo de Reĝa Palaco per la Urbaj Aŭtoritatoj. Vicurbestro Kav. Ponti alparolis mallonge sed vere elokvente en la mirinda „Napoleona Salono". Je l' nomo de l' konferenco dankeme respondis la prezidanto S-ro Merchant. Poste la gastigotoj disiradis en la haloj de l' etaĝo, miris de l' balkonoj la apudan Placon de Sankta Marko, kie la urba muzikistaro ludis je ilia honoro kaj fini amasiĝis en la bufedejo por invita temanĝo.

* * *

## Koncertvespero.

Mardon la 3ªⁿ je la 9 vespere en Teatro Italia la konferencanoj kaj multenombraj invititoj ĉeestis prezentadon de itala klasika komedio unuakta „Ŝakludado" de G. Giacosa laŭ la lerta esperantigo de fratoj Padulli kaj de teatraĵo „L' Interprete" en venezia dialekto. Varmajn aplaŭdojn ricevis la geludintoj. Dum interaktoj ludis muzikistaro de mandolenoj tre lerte interesan programon de klasikaj kaj nuntempaj muzikaĵoj. La agrabla vesperado tre interesigis la konferencanojn, kiuj ŝuldas ĝin al la zorgema klopodo de la loka esperanto-grupo L. L. Zamenhof en Venezia. *V. T.*

* * *

## Kunveno de naciaj societoj.

**Konstanta Reprezentantaro** de la naciaj societoj por la propagando de Esperanto havis sian unuan kunsidon en Venezia Lundon, 2ª de aprilo je 20.30 h. sub prezido de D-ro Privat, prezidanto de la Svisa Esperanta Societo, kies sekretariino, F-ino Alice Diekmann funkciis kiel sekretariino.

Ĉeestis oficialaj reprezentantoj de la brita, ĉeĥoslovaka, itala, franca, germana, hungara, urugvaja, svisa kaj germana en Ĉeĥoslovakio societoj.

UEA estis ankaŭ oficiale reprezentata. Konsente kun ĝiaj delegitoj, la kunsido unuanime starigis komunan liston de ses kandidatoj al la Centra Komitato, laŭ la decido de la Universala Kongreso en Helsingfors. Tiu listo estos submetata al konfirmo de la naciaj societoj per la prezidanto de la K. R.

Letero estis tuj sendita al Generalo Sébert por komuniki al li la rezultaton de la kunsido kaj ankaŭ por proponi ke li bonvolu cedi la gardadon de la biblioteko de la Centra Oficejo en Parizo al la zorgo de la nova Centra Komitato, kiu ricevis de naciaj societoj sufiĉan garantion por pagi almenaŭ minimuman luon de sufiĉa ĉambraro por ke la biblioteko konserviĝu en estontaj jaroj. Oni petos Generalon Sébert fiksi mem la daton kaj kondiĉojn de tiu cedo, kiam li deziros akcepti ĝin. Samokaze la K. R. esprimis al li la unuaniman dankemon de la esperantistaro pri lia senlaca kaj valora helpado al la esperantista movado.

Laŭ propono de la Ĉeĥoslovaka Asocio, la K. R. esprimas la deziron ke la naciaj societoj sendu al ĝia Sekretariejo en Parizo, 51 Rue du Clichy, po 25 ekzempleroj de sia ĉiujara raporto por ke la Sekretariejo povu s'avice dissendi unu ekzempleron al ĉiuj ceteraj societoj. Tiamaniere, ili lernos multon unu el aliaj.

La kunsida sekretariino:
*Alice Diekmann.*

* * *

## Listo de la aliĝintaj korporacioj

1. Foiro de Milano.
2. Foiro de Padova.
3. Foiro de Paris.
4. Foiro de Bordeaux.
5. Foiro de Frankfurt.
6. Foiro de Leipzig.
7. Foiro de Praha.
8. Foiro de Reichenberg.
9. Foiro de Barcelona.
10. Foiro de Basel.
11. Foiro de Ljubljana.
12. Foiro de Trieste.
13. Foiro de Breslau.
14. Foiro de Finnlando.
15. Komerca kaj Industria ĉambro de Venezia.
16. Itala Komerca ĉambro por Svislando, Genève.
17. Komerca kaj Industria ĉambro de la Provinco Siena.
18. Itala Komerca ĉambro en Belgio, Bruxelles.
19. Komerca kaj Industria ĉambro en Bologna.
20. Komerca kaj Industria ĉambro de Padova.
21. Itala Komerca ĉambro de Casablanca.
22. Itala-Germana Komerca ĉambro, Milano.
23. Komerca kaj Industria ĉambro de Potenza.
24. Komerca kaj Industria ĉambro de Mantova.
25. Itala Komerca ĉambro en Egiptio kaj Sudano, Alexandrie.
26. Komerca kaj Industria ĉambro de la Provinco Cagliari.
27. Komerca ĉambro de la Departemento Deux Sèvres (Francio).
28. Komerca ĉambro de Thiers (Francio).
29. Komerca ĉambro de Lure (Francio).
30. Komerca kaj Industria ĉambro de Pisa.
31. Komerca ĉambro en Nimes (Francio).
32. Industria kaj Komerca ĉambro en Hradec Kralove (Ĉeĥoslovakio).
33. Komerca ĉambro de Budapest (Hungario).
34. Komerca ĉambro de Braila (Rumanio).
35. Komerca ĉambro de Sion (Svislando, Valais).
36. Ĉina Komerca ĉambro, Siam (Azio).
37. Komerca ĉambro de Sacramento (Usono, Kalifornio).
38. Societo por Monda Komerco, Wien (Aŭstrio).
39. Banka Societo Vogt, Stuttgart (Germanio).
40. Rotary Club, Harrogate (Anglio).
41. Reala Supera Instituto por Komercaj Studoj, Genova.
42. Reala Supera Instituto por Komercaj Studoj, Venezia.
43. Industria Oficejo, Genève.
44. Svisa Turisma Oficejo, Zürich.
45. Respublika Komitato de la Komerco, Industrio kaj Agrikulturo, Paris.
46. Societo de la Foiro de Frankfurt (Germanio).
47. Kooperativa Svisa Societo de Konsumado, Genève.
48. Belga Komerca ĉambro en London (Anglio).
49. Svisa Societo de Hotelistoj, Genève.
50. Komerca kaj Industria ĉambro, Arad (Rumanio).
51. Komerca kaj Industria ĉambro, Cremona (Italio).
52. Ministrejo de la Internaj Aferoj, Berlin.
53. Komerca kaj Industria ĉambro, Padova.
54. Valda Komerca ĉambro, Lausanne (Svislando).
55. Delegacio de Persio al la Ligo de Nacioj.
56. Komerca ĉambro de Tarare (Francio).
57. Ĝenerala Franca Konfederacio de Meblado, Paris.
58. Komerca ĉambro Franca, London.
59. Komerca ĉambro de Bradford.
60. Komerca kaj Industria ĉambro de Treviso.
61. Komerca ĉambro Nederlanda en Italio, Milano.
62. Komerca ĉambro de Brno (Ĉeĥoslovakio).
63. Ŝufabrikejoj de Norwich (Anglio), (Norvich Shoe Company).
64. Komerca ĉambro Itala-Rumana, Milano.
65. Komerca ĉambro de Genève.
67. Societo de Komercistoj en Edinburgh (Edinburgh Merchant Company).
68. Internacia Apoteka Federacio (Nederlando).
69. Rotary Club, Edinburgh (Skotlando).
70. Itala Komerca ĉambro en Tunizio (Tunis).
71. Komerca ĉambro de Olomouc (Ĉeĥoslovakio)
72. Komerca ĉambro de Valencia (Hispanio)
73. Komerca kaj Industria ĉambro de Bari.
74. Ministrejo de l' Industrio kaj Komerco de la Pola Respubliko.
75. Ceĥoslovaka Turing Klubo, Praha.
76. Turista Gazeto „La Caravane", Gaillac (Francio).
77. Internacia Ekspozicio de Dekoracia Belarto, Monza (Italio)
78. Komerca ĉambro de St. Omer (Francio)
79. Itala Komerca ĉambro de Montevideo (Uruguay).
80. Komerca ĉambro de Reichenberg (Ĉeĥoslovakio).
81. Komerca ĉambro de Catania (Italio).
82. Radio-Elektra Societo, Genève.
83. „Pro Italia" Nacia Asocio Turisma.
84. Unuiĝo de la ĉeĥoslovakaj komercistoj, Brno.
85. Internacia Oficejo por favori Komercon kaj Industrion, Amsterdam (Nederl.)
86. Sindikato Turista, Zagreb (Jugoslavio).
87. Komerca ĉambro de Dunfermline (Britlando).
88. Komisiono de la Komerca ĉambro en London por la Komerca Instruo.
89. Ministrejo Komerca de la ĉeĥoslovaka Respubliko, Praha.
90. Unuiĝo de Turistaj Societoj en Respubliko ĉeĥoslovaka, Praha.
92. Universala Federacio por komuna komerca lingvo, Sheffield.
93. Silezia Turisma Societo, Breslaŭ (Germanio)
94. Federacio de la Turismaj Sindikatoj en Pariza Regiono.
95. Ĝenerala Asocio de la apotekistaj Sindikatoj franca], Paris
96. Ceĥoslovaka Oficejo de Vojaĝoj kaj Transportoj, Praha
97. Komerca kaj Industria ĉambro en Catanzaro (Italio)
98. Rotary Club Sheffield.
99. Franca Komitato por Komerca Lingvo, Paris.
100. Itala Komerca ĉambro de Santa-Fé (Argentino).
101. Komerca ĉambro de la Provinco Cuneo (Italio)
102. Komerca ĉambro de Roanne (Francio).
103. Komerca ĉambro de Eger (Ĉeĥoslovakio).
104. Komerca ĉambro de La Spezia.
105. Komerca ĉambro de Halberstadt (Germanio).
106. Komerca ĉambro de Barcelona.
107. Svisa Asocio por la komuna komerca lingvo, Bern.
108. Turista Sindikato de Grenoble kaj Dauphiné, Grenoble (Francio).
109. Turista Sindikato de la Touraine (Francio).
110. Komerca ĉambro de Paris.
111. Internacia Labor-Oficejo, Genève.
112. Komerca ĉambro de Trapani, Italio.
113. Ĝenerala Komerca ĉambro de Peking.
114. Komerca ĉambro ĉina, Makassar, Oceanio.
115. Komerca ĉambro Sheffield.
116. Komerca ĉambro de l' Kantono Tiĉino, Lugano, Svislando.
117. Arbarista Unio Rumana, Bukuresti.
118. Komerca ĉambro Tecuci, Rumanio.
119. Komerca ĉambro, Galatz, Rumanio.
120. Sindikato de vendistoj de vinoj kaj likvoroj pogrande de la Gironde, Bordeaux
121. Komerca ĉambro Ploeŝti, Rumanio.
122. Jugoslava Ministerio Financa, Belgrad.
123. Federacio Regiona de Centra Montaro, Francio
124. Komerca jarlibro Didot-Bottin, Paris.
125. Internacia Foiro de Vieno, Aŭstrio.
126. Urba Komunumo de Milano, Italio.
127. „Le Grand Tourisme", Paris.
128. „Le Cuir" kaj Index des industries du cuir [Jarlibro pri leda industrio], Paris
129. Federacio norda de la Sindikatoj Turismaj, Lille, Francio.
130. Sindikato Turisma de Orleanlando, Francio.
131. Ĉina misio de komercaj studoj, Lyon.
132. Komerca ĉambro de Tien-Tsin, Ĉinio.
133. Belga Komitato por komerca lingvo, Verviers, Belgio.
134. Asocio de pogdetalaj vendistoj de Vienna regiono, Francio.
135. Sindikata mastra ĉambro de la teksa industrio, Vienne, Francio.
136. Hungara Komerca Unuiĝo, Buda-Pest, Hungarlando.
137. Lernejo fraŭlina por altgrada Komerco, Paris.
138. Franca Aervetura Ligo, Paris.
139. Federacio de la Sindikato turisma Pyrenés, Languedoc kaj Roussillon Francio
140. „Les Echos de l'exportation", Paris.
141. Turista Asocio por Moravio kaj Silezio, Brno, Ĉeĥoslovakio.
142. Sindikata Turismo de Vivarais, Vals-les-Bains, Francio.
143. Unuiĝo Sindikata de la teknikistoj de la komerco, industrio kaj agrikulturo, Paris.
144. Asocio komerca kaj industria de Tiĉino, Locarno, Svislando.
145. Komerca ĉambro de Londono, Britlando.
146. Komerca ĉambro de Hago, Nederlando.
147. Asocio de Artistoj kaj Metiistoj, l'Art de France, Paris.
148. Sindikato de kemiaj produktajoj, Lyon, Francio.
149. Komerca ĉambro de Cluj, Rumanio.
150. „L'Exportateur français", Paris.
151. Komerca ĉambro de Chisinau, Besarabio.
152. Akademio Balkana, Bari, Italio.
153. Rumana Instituto Ekonomia, Bukureŝti.
154. Komerca ĉambro de Calais.

155. Federacio de la ĉambroj sindikataj mastraj de Lyon.
156. Komerca ĉambro de Ĝerona, Hispanio.
157. Banko de Sicilio, Palermo, Italio.
158. Komerca ĉambro de Lucca, Italio.
159. Komerca ĉambro der Verona, Italio.
160. Nacia Komerca ĉambro de Cananca, Meksiko.
161. Interfoira Komisiono, Leipzig.
162. Brita Komitato por Komerca Komuna Lingvo.
163. Altgrada Lernejo Komerca de Odense, Danlando.
164. Ministerio de Ekonomio de la Germana Respubliko, Berlin.
165. Konferenco internacia por profesia orientado, Ĝenevo, Svislando.
166. Ministerio de Komerco kaj Industrio de Rumanio.
167. Ĝenerala Direkcio de fervojaro rumana.
168. Komerca ĉambro de Bukuresti, Rumanio.
169. Unio de Bankoj de reĝlando serba-kroata-slovena, Zagreb.
170. Asocio de bankoj kaj ŝparkasoj hungaraj, Budapest.
171. Nacia organizo por la industrio turisma, Roma.
172. „La Vie en chemin de fer“ (revuo), Paris.
173. Komunumo de San Pier d'Arena, Italio.
174. Komerca ĉambro de Brescia, Italio.
175. Ligo de ekspedistoj en reĝlando serba-kroata-slovena, Beograd.
176. Internacia Oficejo de Foiroj kaj Ekspozicioj, Paris.
177. France-Europe-Orient, Paris.
178. Nacia Ligo de Negocistoj de Kroatio-Slovenio, Zagreb.
179. Societo de komercistoj de nutraĵoj en Zagreb.
180. Turisma Oficejo en Zagreb.
181. Turisma Ligo en Freiwaldaŭ, Ĉeĥoslovakio.
182. Komerca kaj industria ĉambro en Troppaŭ, Ĉeĥoslovakio.
183. Germannacia Ligo Turisma por Moravio kaj Silezio.
184. Komerca kaj industria ĉambro en Udine.
185. Komerca ĉambro, Milano.
186. Turisma Klubo de Hradec Králové, (Königgrätz), Ĉeĥoslovakio.
187. Verband Mitteldeutscher Industrieller, Frankfurt am Main.
188. Komerca kaj metia ĉambro de Bozen, (Bolzano), Italio.
189. Komerca ĉambro, Lecce, Italio.
190. Porfremdula Oficejo, Budapest.
191. Hohenzollern, Landa sekcio de komerca ĉambro en Frankfurt am Main.
192. Turisma Asocio de Annecy, Francio.
193. Societo Franca de Fotografarto, Paris.
194. Foiro de Malmö, Svedio.
195. Turisma Sindikato de Bourg en Bresse, Francio.
196. Turisma Sindikato de la regiono de Roanne.
197. Ĝenerala Unuiĝo de teknikistaj lernantoj de industrio, komerco kaj agrikulturo, Lyon
198. Turisma Sindikato de Veneta kaj Garda regiono.
199. Turisma Sindikato de Deauville (Francio).
200. Foiro de Zagreb (Jugoslavio).
201. Foiro de Lwow (Pollando).
202. Tutmonda Federacio de vojaĝagentejoj, Paris.
203. Internacia Societo de komercistoj je poŝtmarkoj, Paris.
204. Komerca ĉambro de Stuttgart.
205. Komerca ĉambraro de Württemberg.
206. Foiro de Valencia (Hispanio).
207. Foiro de Budapest.
208. Foiro de Lyon.
209. Komerca Ministrejo Itala.

* * *

### Laŭfaka statistiko:

8 ministrejoj; 87 komercaj ĉambroj; 21 foiroj; 52 unuiĝoj, bankaj, industriaj, profesiaj kaj eksportaj; 9 institutoj por komerca studado; 30 turismaj kaj porfremdulaj korperacioj; 2 urbaj administracioj = 209.

Landoj reprezentitaj: 27.

Kontinentoj: 5 (Eŭropo, Azio, Afriko, Ameriko, Oceanio).

---

**Mondonacoj.** — Ĝis 20 aprilo la Oficejo ricevis jenajn monsendojn kaj kore dankas al la afablaj donacintoj: Esperanto-Grupo Lausanne 10 fr. svis.; S-ro Schenkel, Friedrichstal, 3000 M; S-ro Billet 5 liroj; S-ro Boinis 15 liroj; S-ro Axel Baesens, Malines, 5 fr. svis.; S-ro Holger Hansen, Holbaek, 5 Kd.; Esperantistoj, Eger, 100 Kĉ.; S-ro Engelmann, Rosny les Bois, 8 fr. svis., S-ro Méras, Paris, 7 fr. svis.; S-ro Parrish, Buffalo, 37.50 fr. svis.; Esperanto-Grupo Lyss 20 fr. svis.; S-ino Yvonne Thooris, Bruges, 10 fr. belg.; Esperanto-Societo St. Gallen 20 fr. svis.; S-ro H. Kürsteiner, St. Gallen, 5 fr. svis.; per S-ro Poncet, Lyon, diversaj mondonacoj, 12 fr. svis.; S-ro Legrand, Montevideo, 100 fr. svis.; Esp.-Grupo Bern 8 fr. svis.; S-ro Istel Ludwig, Wiesbaden, 5 0 M; F-ino Klara Albersheim 500 M; S-ro J. T. Holmes, Bradfort, 5 funt. sterl.; Esp.-Societo New-York 60 fr. svis.; S-ro Chomette 10 fr. svis.; S-ro G. Černohvostov, Alberga, 50 f. mk.; La Polusstelo, Helsinki, 100 f. mk.; A. J. Ahti, Helsinki, 50 f. mk.; E. Sandström, Helsinki, 50 f. mk.; Esp.-Societo Amsterdam 5 hfl.; S-ro De Villa, Habana, 50 fr. svis.; S-ro E. L. Southwick, Pawtucket, 1 dol.; S-ro P-ro E. Roy, Gaillac, 50 fr. franc.; S-ro Mammen, Svenaa, 20 K.; Esp.-Societo Zürich 40 fr. svis.; S-ro Jan Jelinek, Brno, 5 Kĉ.; S-ro Emanuel Jelínik, Letovice, 7 Kĉ.; S-ro Jacob Jacobson, Nordmaling, por diversaj donacintoj, 5.25 K; Ges-oj Blicher, Kopenhagen, 75 K; S-ro Ullastres, Gualba, 5.50 fr. svis.; S-ro Hans Isch, 20 fr. svis.; Stelo, Genève, 50 fr. svis.; Borsa 10 fr. svis.; S-ino Tissot-Martin, 150 fr. svis.; S-ro Major Edw. M. Rosher, San Francisco, 5 fr. svis.; S-ro L. D. Stockton, Oakland, 5 fr. svis.; S-ro H. S. Lane, Oakland, 5 fr. svis.; S-ro A. S. Vinzent, San Francisco, 5 fr. svis.; F-ino M. D. San Sloun, San Francisko, 2.50 fr. sv.; Svisa Societo, Genève, 50 fr. svis.; Esp.-Grupo Sevilla 10 fr. svis.; S-ro Rodriguez, Mexico, 25 fr. svis.; S-ro Poncet Lyon, por diversaj donacintoj, 42.75 fr. svis.; Esp. Unuiĝo, Červený Kostelec, 50 Kĉ.; UEA, dua parto, 200 fr. svis.; S-ro Charles Tiard, Paris, 25 fr. franc.; Génermont, Moulin, 20 fr. franc.; „La estonto estas nia“ 22.50 fl.; S-ro Yanagita 75 lir.; S-ro John Merchant, Sheffield, 5 funt. sterl.; S-ro Paul Blaise, 1 funt. sterl.; S-ino Magnus-Focké, Orléans, 50 L.; sume: 3045.33 fr. svis. (Nova listo sekvos en majo.)

 ESPERANTISMO 

# XVa Universala Kongreso de Esperanto en Nürnberg.

*Lastminute: La Prezidanto de la germana Respubliko konsentis esti patronanto de la kongreso.*

### 4a Cirkulero.

*Aliĝoj.* — Aliĝis ĝis fino de februaro 2192 kongresanoj el 33 landoj. Ni petas, ke per tuja aliĝado oni helpu kaj plifaciligu la laboron de L. K. K.

*Kongreskotizo.* — Pro ĝenerala malplivaloriĝo de la germana marko dum la pasinta kvaronjaro ni estas bedaŭre devigataj denove plialtigi la kongreskotizojn por aŭstroj, germanoj, poloj, hungaroj, kaj rusoj fiksante ĝin je 3000 gmk. depost la 1a de aprilo.

Por plifaciligi kaj malkarigi la aliĝadon de eksterlandanoj, ni rajtigas kaj petas la Naciajn Asociojn kolekti la aliĝilojn kaj kotizojn de siaj anoj kaj transsendi ilin kune je fino de ĉiu monato al L. K. K.

*Restadpermeso.* — Laŭ dekreto de Distrikta Polico, la kongresa karto havigas la permeson restadi tri semajnojn en tuta Bavarujo. La eksterlandanoj ricevas rabaton de proksimume tri kvaronoj de la oficiala takso. Pri pasporto kaj vizo ni informos pli poste.

*Loĝigo.* — Multaj samideanoj petis pri perado de malkaraj loĝejoj. Volonte ni atentos pri tio kaj aranĝos ankaŭ komunajn dumnoktejojn.

*Apudaj kongresoj.* — Rekte antaŭ la Universala Kongreso okazos en Nürnberg apartaj kongresoj de Germana Esperanto-Asocio, Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista kaj Tutmonda Polica Ligo.

*Blinduloj.* — Dum la XVa okazos ankaŭ la 3a internacia blindula kongreso. Aliĝis ĝis nun 45 blinduloj el 7 landoj. Ili havos senkostajn kongresan karton kaj loĝejon ĉu en la Blindula Instituto ĉu en najbara lernejo. La elspezoj por la manĝoj, kiujn disponigos la Instituto je memkostoj, estas pagotaj per la donacoj al la blindula kaso. Eventualaj kondukantoj de la blinduloj ricevos la samajn favoraĵojn, sed pagos la kongreskotizon. Aranĝo de koncerto estas projektata.

*Fakkunsidoj.* — Estas plue anoncitaj la jenaj fakkunsidoj:

a) Internacia Esp. Ligo de Liberpensuloj kaj Monistoj;
Adr.: Kurt Hubricht, Leipzig-Neustadt, Mariannenstrasse 30/III.

b) Teozofia Esp. Ligo;
Adr.: F-ino Maria van Rees, ĉefsekretariino, Wilderswill, Chalet Bertha, Svislando.

c) Asocio de Junaj Germanaj Esperantistoj;
Adr.: Erich Habellok, Breslau, Schleiermacherstr. 19.

d) Kristana Esperantista Ligo;
Adr.: Paul Hübner, Quedlinburg, Bergstrasse 1a.

e) „Konkordo“;
Adr.: Edvardo Wiesenfeld, Warszawa, Biala 3.

f) Aŭstruja Esp. Delegitaro;
Adr.: Centra Oficejo, Wien, Mollardgasse 55.

g) por Psikistoj;
Adr.: Direktoro L. Gube, Berlin-Friedenau, Fregestr. 26.

h) por studado de naciaj lingvoj;
Adr.: Johann Jungfer, Lübben N.-L., Lindenstrasse 10.

Por certigi fruktodonan daŭriĝon, ni petas la interesulojn, jam nun interkorespondadi pri la preparoj, starigo de programo, elekto de referentoj ktp. turnante sin al la nomitaj adresoj.

Ĉiu fako aŭ nacia societo, kiu intencas aranĝi apartan kunsidon, estas petata, komuniki ĝin ĝis la 1ª de majo al L. K. K.

*Festaranĝoj.* — Krom aliaj festaranĝoj ni reprezentigos la faman dramon „Natan la saĝulo“ de E. Lessing, esperantigita de Karl Minor kaj eldonota ĉe F. Ellersiek & Borel, Berlin. La teatraĵo estos ludata de eminentaj geaktoroj de la Urba Teatro, kiuj jam nun fervore studas Esperanton en speciala kurso.

Por la projektata Internacia Dancrevuo, kiu estos certe atrakcio en la kongreso, ni petas la Naciajn Asociojn kaj Societojn, konigi jam nun proponojn kaj deziresprimojn. Estus bone, se ĉiu nacio estus reprezentata de almenaŭ 4 paroj, kiuj dancas en naciaj kostumoj kaj laŭ originala muziko de sia lando. Premioj estas disdonotaj.

*Poŝtoficejo.* — En la kongresa kunvenejo troviĝos aparta poŝtoficejo kun esp. oficistoj. La leteroj kaj poŝtkartoj estos stampataj per oficiala stampilo. Jam nun elirantaj poŝtaĵoj surhavas reklamstampon kun la teksto: Vizitu la XVªⁿ Universalan Kongreson de Esperanto en Nürnberg, 2.—8. aŭgusto 23.

*Kongressigno.* — Bela arta signo arĝentita, surhavanta verdan stelon kaj vidaĵon de la Nürnberga Kastelo, estas preta. Ĝi estos disdonata al la kongresanoj en la Akceptejo.

*Propagando.* — Glumarkoj — pro malaktualeco — kaj kongresafiŝoj — pro multekosteco ne estas eldonataj, des pli multe ke la propaganda valoro laŭsperte ne estas konsiderinda. Serio da belaj ilustr. poŝtkartoj kaj aliaj memoraĵoj pri la kongresurbo estas en preparo.

*Komercista propagando.* — Diversaj gravaj komercistaj firmoj disdonigos esperantlingvajn prospektojn kaj reklamilojn. La Leipziga Foiro montrigos specialan filmon pri la industrio de Germanujo. Similaj aranĝoj estas projektataj.

*Korespondado.* — Pro la grava plialtiĝo de la poŝttarifo ni petas denove aldonon de respondkuponoj, kiam oni petas informojn.

*Loka Kongresa Komitato.*

---

# Antaŭ- kaj postkongresoj.

## XIIª Belga Esperanto-Kongreso.

**Namur,** 20—21 majo 1923 (Pentekosto).

La XIIª Belga Esperanto-Kongreso okazos en Namur la 20ªⁿ kaj 21ªⁿ de majo proksima (Pentekosto).

Namur, bela urbo lokita meze de plej pentrinda regiono, valo de Sambre kaj Meuse, certe allogos ĉiujn turistojn kaj amantojn de bela naturo.

La Organiza Komitato nenion preterlasos por igi la kongreson interesa kaj rezervi al la kongresanoj plej agrablan restadon. Ĝi okupas sin pri loĝado sed estas konsilinde tuj rezervigi siajn ĉambrojn ĉar Namur estas tre vizitata dum Pentekosto kaj la organizantoj ne povas garantii loĝejon al la kongresanoj kiuj mendus malfrue. Oni do tuj aliĝu!

La kongreskarto kostas kvin (5) frankojn, la festeno kostas dekkvin (15) frankojn.

Oni povas havi bonan ĉambron po kvin ĝis dek frankoj po persono.

Por ĉiuj informoj sin turni al S-ro Henri Petiau, ĝenerala sekretario de „Belga Ligo Esperantista“, 60 Boulevard St. Liévin, Gand-Gent, Belgujo.

* * *

## XIVª Brita Kongreso.

La XIVª Brita Kongreso okazos de 18ª ĝis 22ª de majo en la bela kaj fame konata tra Britujo marborda banloko Bournemouth.

La Kongreskomitato sukcesis havigi al si la altvaloran helpon de D-ro Edmond Privat el Genève.

Du gravaj publikaj kunvenoj okazos vespere la 18ªⁿ kaj la 19ªⁿ de majo, je kiuj D-ro Privat parolados. Unu el ĉi tiuj kunvenoj okazos sub la aŭspicioj de la Bournemouth'a Filio de la Unuiĝo de la Ligo de Nacioj, kaj de la ĉi tiea Esp.-grupo.

La urbestro oficiale bonvenos la delegitojn je la unua kunveno.

Du ekskursoj estas aranĝataj:

1) Per aŭtomobiloj tra la „Nova Arbaro“, plantita de la Reĝo Vilhelmo Iª en 1079.
2) Vaporŝipe al la Insulo de Wight por viziti la Kastelon de Carisbrooke, kie la Reĝo Karlo Iª estis enkarcerigata en 1646.

Dimanĉon, posttagmeze, okazos komuna temanĝo, kaj mardon, komuna tagmanĝo.

Lundon je la 7.³⁰ p. t. m. okazos la Kongresa Balo.

Sekretario: S-ro H. Stay.

„La Nia“,
Heatherlea Road, Southbourne, Hants. (Anglujo).

* * *

## 2ª Danziga Esperanto-Kongreso.

(Postkongreso de Nürnberg.)

Danzig estas kaj restos ĉiam urbo vidinda. Mallarĝaj stratetoj iras flanke de grandaj modernaj stratoj. Kelkcentjaraj konstruaĵoj troviĝas en ĉiuj partoj de la urbo. Danzig estas la loko, kie oni povas kaj devas senti sin bone. Esperanto kreskas kaj floras en la malgranda ŝtato „Libera urbo Danzig“.

**Iª Komuniko.**

*Tempo:* 10.—14. VIII. 1923.

*Pasportaferoj:* Por malpliigi la kostojn estas elektita la agrabla ŝipveturado de Stettin—Swinemünde al Danzig (Alveno: 10. VIII. je la 13ª).

*Aliĝo:* Aliĝiloj ne estas dissendataj. Rekomendinde estas skribi adreson, specialajn dezirojn pri loĝejo, gvidado ktp. sur poŝtkarto.

*Kotizoj:* ⅓ de la Nürnbergaj kotizoj, por malbonvalutaj landoj: 500 gmk. Por samfamilianoj 25% malpliigo.

*Adresoj:* Por leteroj: Esperanto-Werbeamt, Danzig, Kohlenmarkt 3, I. Por monsendoj: Sparkasse der Stadt Danzig (Girokasse), Konto 2896 — Esperanto-Kongreß Danzig.

*Donaca kaso:* Akceptataj donacoj por propagando de Esperanto en la „Libera urbo Danzig“, kvitancoj en la „Esperanta Triumfonta“, la oficiala organo de Danziga Kongreso.

Tre riĉenhava programo, diversaj kunsidoj, diservoj kun Esperanto-predikoj (katolika kaj protestanta), Esperanto-ekzameno, gvidado ktp.

**Esperanto-Werbeamt Danzig.**

*Aeltermann,* prezidanto. *Majorkiewicz,* sekretario.

* * *

## IREKO.

(Internacia Rejna Karavano).

La je la 25ª de februaro en Godesberg okazinta kunsido de la estraroj de Rejna-Vestfalia Esperanto-Ligo (Revelo) kaj de la Koblenza grupo rezultigis, ke ĉi tiu sola organizos Irekon. La *karavana programo* estas fiksita jenmaniere:

Kolektiĝa loko por la karavano estas *Koblenz*. Oni atendos ĉi tie la partoprenontojn je lundo 30. julio. Posttagmeze la alvenintoj rigardos la vidindaĵojn de la urbo. Vespere estos oficiala internacia festkunveno. La postan tagon (31. 7.) matene oni suriros vaporŝipon, por ĝui dum kvinhora veturado la plej belan parton de la rejna valo. De Rüdesheim' vagonaro portos la karavanon al la konata foirurbo Frankfurt am Main. Tie noktuminte, la partoprenantoj vizitos merkredon (1. 8.) matene la vidindaĵojn de la urbo. Tagmeze ili daŭrigos la fervojan vojaĝon kaj atingos ĝustatempe la kongresurbon. Jen la ĝenerala iom ŝanĝita plano.

Lundon antaŭtagmeze okazos en Koblenz laborkunsido de la *Revelanoj*.

La freko-*kotizoj* estos por

| | | | |
|---|---|---|---|
| Belgoj . . . . | 5 frankoj | Hispanoj . . . | 2 pesetoj |
| Britoj . . . . | 2 ŝilingoj | Italoj . . . . | 7 liroj |
| Danoj . . . . | 2 kronoj | Nederlandanoj . | 1 guldeno |
| Ĉeĥoslovakoj . | 15 kronoj | Norvegoj . . . | 2 kronoj |
| Finnlandanoj . . | 15 markoj | Svedoj . . . . | 2 kronoj |
| Francoj . . . . | 5 frankoj | Svisoj . . . . | 2 frankoj |
| Germanoj . . . | (fiksota) | Usonanoj . . . | 1/2 dolaro |

Oni pagu nur per monbiletoj de sia lando (ne per poŝtmandato)!

La anoj de aliaj ŝtatoj ol la supre nomitaj sendu 10 malnovajn respondkuponojn kun ruĝa surpreso aŭ 5 novajn, nove stampitajn.

*Anoncu tuj vian partoprenon,* por ke ni eksciu plej baldaŭ la proksimuman nombron de partoprenontoj. La unuaj 50 aliĝontoj ricevos donacon pri Koblenz.

*Por aliĝi* alsendu vian kotizon, sciigante samtempe vian precizan adreson [klara skribo!] kaj, por kiuj noktoj vi deziras noktloĝejon [de 1a, 2a, 3a rango] en Koblenz kaj Frankfurt. La aliĝintoj ricevos partoprenan karton. — *Adreso:* Esperanto-Grupo, Florinsmarkt 7a I, Koblenz [Germanujo].

*Ni respondos nur* demandojn, al kiuj estos aldonita nove stampita respondkupono. Por ŝpari multajn demandojn kaj al ni respondojn, oni bonvolu regule tralegi la oficialajn sciigojn en „E. T." kaj aliaj Esp.-gazetoj.

*Esperanto-Grupo de Koblenz.*

# Lingvaj Studoj.

## Ne troigu!

Respekto al akademiaj rekomendoj estas ja laŭdinda, sed erara troigo estas evitinda. En la esperantista gazetaro ni legis lastatempe *Brazilujo, Galicujo,* en leteroj mi legis *Amerikujo* kaj en kongreso mi eĉ aŭdis *Varsovujo!* Baldaŭ la Akademio estos devigata kondamni tiujn formojn, kiel nepre kontraŭfundamentajn. D-ro Zamenhof skribis *Brazilio, Galicio, Ameriko* kaj *Varsovio.* La uzo de *-ujo* tie estas ridindaĵo kaj montras la danĝeron de teruriga fanatikismo en lingvaj aferoj. Eble ĝi ankaŭ montras la bezonon al unuformeco. Nia L. K. notu tiun fakton. Ĝi ankaŭ notu, ke en ĉiuj niaj kongresoj oni konstante aŭdas reciprokajn prezentiĝojn: *„Mi estas svedano, li estas francano, ĉu vi estas svisano? . . . Ne, mi estas italano."* Ankaŭ tiuj uzoj montras senvolan emon al analogia ĝeneraligo.

Eble la L. K. bone faris rifuzante jam decidi pri sistemigo de la landnomoj, ĉar ankoraŭ plia spertado kaj studado utilos. Profeti estas ĉiam riske, sed oni povus preskaŭ certe antaŭdiri ke unu el la du tendencoj ĝeneraliĝos kaj iom post iom venkos la alian, ĉu la sistemo *Brito-Britujo, Hindo-Hindujo,* ĉu la metodo *egipto-egiptano, indio-indiano, azio-aziano,* kun rektoro Boirac mi vetas por la dua kaj mi opinias ke D-ro Privat ĝuste sekvis la veran Zamenhofan instinkton pri lingva viveco kiam li montris la antaŭvideblan kaj senrompan vojon tra riĉa duobleco kiel *Ruso-Rusujo-Rusio-Rusiano, Italo-Italujo-Italio-Italiano, Serbo-Serbujo-Serbio-Serbiano* ktp.

Italio, ne Italujo, entenas Sudan Tirolon germanlingvan. Germanio, la regno, ne Germanujo (la tero de germanoj) entenis Poznanion antaŭ la milito.

Tiu vojo ne nur sekvas la naturan senrompecon de novaj folioj apud malnovaj (laŭ la komparo de D-ro Zamenhof), sed ĝi ankaŭ sekvas la marŝon de civiliza progreso. Ankoraŭ longe restos inter la homoj la sento pri genta nacieco de rusoj, ĉeĥoj, slovakoj, rumanoj, kaj konsekvence vortoj necesos por esprimi tiun senton. Sed samtempe disvastiĝos administra kompreno pri leĝa regneco de rusianoj (eble hebreoj), ĉeĥoslovakianoj (eble germanoj), rumanianoj (eble hungaroj), italianoj (eble slovenoj). Longe, longe apudvivos la du necesaj komprenoj ĝis iam la homoj sentos sin antaŭ ĉio homaranoj, kiel nia Majstro.

Tial ni ne troigu kaj ne revenu malantaŭen sur la vojo de naturo. Eĉ al D-ro Privat kaj al abato Cseh mi volus humile peti: ne uzu senutilajn *Ruslandon* aŭ *Rumanlandon* pro troa respektego al akademia rekomendo. Kiel vi mem konstatis, la Akademio ja konfesas vian rajton uzi internaciajn formojn laŭ artikolo 15 de la Fundamento. *Russie, Russia, Roumanie, Rumania* ekzistas preskaŭ en ĉiuj lingvoj eŭropaj. Kial do preferi strangan germanan formon? Ne troigu, ne troigu! Disciplino ne postulas forlason de la vivo.

*Lingvisto-popolano.*

## La funda principo de lingva evoluo.

Ĉiufoje kiam ni penas penetri misterojn de lingva etimologio, ni unue konstatas principon, laŭ kiu nova ideo estas esprimata per malnovaj elementoj. Tiu principo regas des pli absolute, ju pli memstaras lingvo. Ni vidu tipajn ekzemplojn pri tio. Ideon de „vintro" latinoj kreis (hiems) el ideo de „neĝo" (him-, radiko konservita en la Himalaja). Germanoj vorton por la sama ideo forĝis el vorto „vint", tiamaniere ili diris, ke la vintro estas „venta tempo", kiel por latinoj la printempo estas „unua tempo".

Primitiva homo infangenie miksis sian korpon kun la universo. Tial aperis esprimoj en la speco de: Dent du Midi (monto Suda Dento), Jungfrau (monto Juna Virino), La Manche (markolo Maniko), Bouches du Rhône (buŝoj de Rodano, t. e. rivera enfluujo), sammaniere aperis: monta gorĝo, borda kapo, monta piedo, botela kolo, boata nazo, tera lango, armea frunto, rada fingro, mina vejno, landa koro k. m. a.

Ne sole popolo kaj poetoj larĝe profitis tiun fruktoriĉan fonton por krei centojn kaj milojn de novaj vortoj. La sama principo regas en sciencoj kaj artoj. Plej severa el ili, la matematiko, ankaŭ uzas: frakcio (rompaĵo), radiko, hiperbolo (transĵetito), konhoido (helikosimila), integralo (tuta). . . . Inĝeniero sen ŝerco diras: le mouton à vapeur (f.: vaporŝafo), la grue (f.: gruo), lebiodka (r.: cignino), bik (r.: bovo), kozli (r.: kaproj), . . . ĉi tie temas pri maŝinoj por levi, pri ilegoj, konstrupartoj.

La sama principo pli-malpli frue ekregos en nia lingvo. Vane, oni proponas por specialaj ideoj „specialajn" vortojn; tiuj vortoj ankaŭ estas nur metaforoj kaj bildesprimoj: apartamento (apartejo), kandelabro (kandelarbo), klasifiki (klasigi), konfidencio (kunfideco), ornitologio (birdoscienco), plutokratio (monorego), monoteisto (unudiano), nihilisto (neniigulo), rinocero (nazokorno), semestro (jarduono), mizantropo (homevitulo), krematorio (bruligejo), konstelacio (stelarkuno), kaligrafio (belskribo), analfabeto (senabculo), pasilalio (mondlingvo).

*Petro Stojan,* L. K.

# Svisa Esperantista Societo.

Interesajn raportojn ricevis la Komitato el Bern, Zürich, Lausanne, Rorschach, St. Gallen, Lugano, Genève, Le Locle. Krom la bonegaj kliŝoj (lumbildaj) de S-ro Perlet por propagandaj paroladoj nun S. E. S. havigis al siaj grupoj belan kolekton pri Finnlando, afable pruntitan de la tiea registaro.

La Centra Komitato ĉiuĵaŭde kunvenis dum la vintro per demokrata vespermanĝeto en senalkohola restoracio ĉe la Madeleine en Ĝenevo. En sia lasta kunsido ĝi decidis donaci 50 fr. al la Venezia Konferenco kaj konstatis kun plezuro, ke enskribiĝis pli ol 40 partoprenantoj el Svislando. Ĝeneva grupo „Stelo" donacis ankaŭ 50 fr.

La Berna Grupo kunvenas ĉiuvendrede en Hotelo Ruof, Aarbergergasse. En Bern kaj Spiez ankoraŭ paroladis S-ro Perlet kun siaj lumbildoj. En Societo de Komercistoj parolis S-ro Schmid, en Bern kaj Olten, S-ro Spielmann, prezidanto de la grupo, kun la lumbildoj pri Finnlando.

La grupo en St. Gallen kunvenas ĉiumerkrede kaj havis sukcesan ĝeneralkunsidon la 4. februaro kun festvespero. Ĝi subtenis per 100 fr. la eldonon de germana eldono de la raporto de la Ligo de Nacioj ĉe Ferd. Hirt & Sohn en Leipzig kaj presigis 5000 flugfoliojn germane pri „Esperanto en lernejoj".

La grupo en Rorschach kunvenas ĉiuĵaŭde kaj ĵus finis kurson, kies lernintoj nun parolas la lingvon. Dolore la grupo perdis talentan junulon, kiu mortis 22-jara.

En Le Locle S-ro Ducommun verkis mirindan album-raporton pri la instruista konferenco en Ĝenevo kun fotografaĵoj kaj pedagogiaj detaloj. Ĝi forte impresis oficialajn legantojn en lernejestraj rondoj kaj meritas presigon. Se iu trovus la monon por tio, li ĝojus por tuta vivo.

En Genève la grupo „Stelo" havis ĝeneralan kunsidon la 18. marto kaj ĵus finis superan kurson de D-ro Privat pri Esperanto kaj lingvoscienco. Regulaj kunvenoj okazas en Zamenhofa Domo, 6, rue du Vieux-Collège, ĉiuĵaŭde vespere. En Maison du Faubourg F-ino Dubois gvidas perfektigan kurson ĉiulunde vespere kaj S-ro Arago faras same por instruistoj ĉe Instrua Direktejo. Superan kurson por lernintoj elirintaj el unuagrada lernejo sindone gvidas S-ro Borsa. En la lernejoj mem la deviga instruado daŭras kontentige. D-ro Privat finis kurson ĉe Socia Virina Lernejo kaj parolis ĉe la Komerca Ĉambro, kiu poste alprenis favoran rezolucion.

En Lausanne la Esperanto-Grupo kunvenas la duan kaj kvaran merkredojn de ĉiu monato. Ĝi efike propagandis per dissendo de raportoj de la Ligo de Nacioj. La laborista grupo Zamenhof sukcesigis belan feston la 17. marto kun multnombra ĉeestantaro kaj finis kurson kun 12 ekzamenitoj. Kurso por infanoj okazas ĉiusabate posttagmeze kaj grupaj kunvenoj ĉiumarde vespere.

De la ceteraj grupoj la Centra Komitato petas afable ankaŭ raportojn por reciproka kuraĝigo. Nepagitajn kotizaĵojn senpacience atendas

la kasistino: *Yvonne Bouvier*,
Genève, 14 Bd. des Tranchées.

# Esperantista Literatura Asocio.

*Aprila raporto.*

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos

La esperantista verkistaro kaj multaj legantoj scivoleme nun atendas la decidon de la Akademio pri premiotaj libroj. Nur kvin tre bonaj libroj, aperintaj en la lasta jardeko ricevos premiojn. Ni esperas, ke multaj libroj estas prezentitaj kaj ke la elekto estos malfacila, ĉar la verkoj certe ĉiuj estas bonaj. Niaj libroj ja estas vera pruvo pri la taŭgeco kaj perfekteco de nia lingvo.

Similan valoron, kiel la libroj, havas niaj literaturaj gazetoj. Ili estas legataj sur la tuta terglobo, el ĉiuj regionoj kunvenas la diversaj artikoloj, la gazetoj havas internacian, tutmondan kunlaborantaron, la danĝero de ia troa nacieco ne ekzistas. Ni tial ĉiam denove rekomendas la abonon de niaj gazetoj. En la regularo de nia Asocio ni diras, ke la abono de „ESPERANTO" ne estas deviga sed tre rekomendinda, ni komprenoble opinias, ke estas necese, ke ĉiu kolego, ĉiu ano de la Esperantista Literatura Asocio abonu la gazeton, kiu enhavas niajn raportojn, kaj kiu jam de 19 jaroj sindone servas al la disvastiĝo de nia lingvo.

Al ĉiuj aliaj gazetoj ni deziras similan sukceson, ni ne ĉiujn povas citi, sed hodiaŭ ni diru kelkajn vortojn pri „ESPERANTO TRIUMFONTA", kiu ĝuste nun travivas krizon per la malfeliĉaj politikaj cirkonstancoj kaj per plikariĝo de la plej necesaj objektoj. La tasko de la gazeto treege malfaciliĝis. Ĉiuj legantoj scias, ke ĝi estas bonega, riĉenhava kaj interesa. Ili konfesas, ke ili scivoleme sin ĵetas je la felietono, ĉar ĝi estas ĉiam alloga, kelkfoje per sia bonhumora (oni ja volonte iomete ridas eĉ en serioza tempo), kelkfoje per serioza verketo speciale leginda. Tre laŭdinda ankaŭ estas la „REVUO", monata aldono al E. T., kiu poste fariĝos valora volumo. Kun plezuro ni konstatas, ke la tuta estraro de E. T., S-roj Jung, Butin kaj Pillath estas fervoraj anoj de la Esperantista Literatura Asocio.

S-ro Walter Lippmann sendis al ni la jenajn atentindajn notojn pri la uzado de l' artikolo en Esperanto: „Multaj Esperantistoj, precipe anoj de senartikolaj lingvoj, ne korekte uzas la artikolon en Esperanto. Estas vere, ke D-ro Zamenhof en sia Lingva Respondo I, 2 (III, 42) instruas, ke la uzado de la artikolo ne estas deviga en nia lingvo kaj ke en ĉiuj dubaj okazoj oni ne uzu ĝin, sed la tuta evoluo de nia lingvo kaj la stilo modela de Zamenhof mem pruvas, ke Esperanto apartenas al la lingvoj regule uzantaj la artikolon kie ĉiuj vivantaj indogermanaj, neslavaj lingvoj. Forigo aŭ arbitra neuzo de l' artikolo estus esenca ŝanĝo de nia lingvo kaj ago kontraŭa al la Fundamento. Kiel ni komprenu la supre cititan respondon, montras klare alia Lingva Respondo de D-ro Zamenhof (II, 23 24, III, 43), en kiu li diras: Vi povas tute ne uzadi la artikolon almenaŭ ĝis la tempo kiam vi tute bone scios ĝian signifon." Laŭ tio la konsilo ne uzi la artikolon estas direktita kaj direktinda nur al komencintoj en la lernado de nia lingvo. Sperta Esperantisto, precipe se li volas publikigi ion, havas la nepran devon regule uzi la artikolon laŭ la modelo, kiun donis al ni nia Majstro kaj niaj plej bonaj aŭtoroj."

Kolego Lippmann atentigis nin, ke enŝoviĝis eraro en nia februara raporto: ne *li* intencas traduki Zarathustra, sed tion faras jam de kelka tempo la Vendreda Klubo Leipzig, al kiu li apartenas.

F-ino Ŝidlovskaja tre fervore laboras por Esperanto en Dmitrov (Rusujo). Espereble baldaŭ aperos nova eldono de „La Senlingvulo" al kiu ŝi deziras aldoni antaŭparolon pri la aŭtoro (Korolenko) kaj registron de liaj verkoj.

Oni atentigas nin, ke tre dezirinde estas daŭrigi kaj kompletigi la faman katalogon de Davidov. Ŝajnas al ni, ke ĉi tio estas la tasko de la Rusa Sekcio de E. L. A., ĉar ĝi nun administras la bibliotekon de Davidov.

Ni ricevis kun afabla dediĉo „Alegorioj el la Naturo" el la angla lingvo tradukita de George Gordon, dua eldono. Ni gratulas pro la bona sukceso kaj esprimas ĉi tie nian dankon. Karto, sendita la 26. 9. 1922 al Hawthorn, Victoria (Aŭstralio) revenis. Ni petas nian kolegon George Gordon doni al ni sian novan adreson.

Sinceran dankon ankaŭ por „Oni ridas" de O. Rieck kaj por lia amika dediĉo. Dankesprimon afable akceptu ankaŭ S-ro J. Ŝapiro por du ekz. de Babiladoj de Bonhumora Zamenhofano. Tre ĝoje ni ricevis bonajn portretojn de S-roj Buenemann kaj Ŝapiro. Estas ankoraŭ loko en nia albumo, novaliĝintaj kolegoj sekvu la bonan ekzemplon.

Kotizon sendis: S-roj Petro Stojan, J. Ŝapiro, P. Buenemann, D-ro Goehl, Teo Jung.

Nur ĉi tie ni danke kvitancas.

Baldaŭ aperos verketo de Margarethe Iv. Krestanoff: „Bukedeto". Ŝep diversnaciaj rakontoj. Kun antaŭparolo de Marie Hankel. Eldonejo Oskar Ziegler, Deisenhofen b. München.

Kelkaj samideanoj ne certe scias, kiom da mono ili devas sendi. Ni intence lasis al ili liberecon sendi kvin francajn aŭ svisajn frankojn aŭ similan sumon. Ĝenerale ili malavare rondigas kaj plialtigas la sumon.

*Marie Hankel*, Dresden, Nicolaistr. 18.




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj frankoj. *Membro* (M) *5 Fr. Membro-Abonanto* (MA) *12,50 Fr. Membro-Subtenanto* (MS) *25 Fr.* La MA kaj MS ricevas la gazeton. — *Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj: *300 Fr.* (Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniu nacia prezo kiel ĉe aliaj membro-kategorioj. — Naciaj prezoj por M, MA, MS:

**Aŭstrio:** Kr. 20, 40, 150 mil; **Belgio:** Fr. 10, 25, 50; **Britio:** ŝil. 5, 12/6, 25; **Bulgario:** L. 45, 100, 400; **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 18, 45, 90; **Danio:** Kr. 5, 12, 24; **Estonio:** Emk. 75, 150, 600; **Finnlando:** Fmk. 22, 60, 120; **Francio:** Fr. 10, 25, 50; **Germanio:** Mk. 5, 10, 25 mil; **Hispanio:** P. 6, 15, 30; **Hungario:** Kr. 750, 1500, 6000; **Italio:** L. 12, 30, 60; **Jugoslavio:** D. 22, 60, 120; **Latvio:** Lat. 1.50, 3, 12; **Litovio:** L. 1, 6, 24; **Nederlando:** G. 2.50, 6, 12; **Norvegio:** Kr. 5, 12.50, 25; **Polando:** Pmk. 8, 16, 60 mil; **Rumanio:** L. 45, 100, 400; **Svedio:** Kr. 4, 10, 20; **Usono-Kanado:** D. 1, 2,50, 5. — El aliaj landoj oni pagu laŭ la oficiala prezo en svisaj frankoj.

La helpmembroj (HM) kategorio kreita favore al jenaj landoj kun tre malalta monkurzo: Aŭstrio: Kr. 7000; Bulgario: L. 15; Estonio: Mk. 25; Germanio: Mk.1200; Hungario: Kr. 250; Latvio: Lat. 0.50; Litovio: L. 1 H; Polando: Mk. 2500; Rumanio: L. 15. La HM ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevon de la jarlibro, gazeto kaj enskribon en la interrilata adresaro.

La Entreprenoj de UEA (komercaj firmoj, societoj k. t. p.) pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando) — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Svisa Poŝtĉeko: I. 2310. — Poŝtĉeko en Aŭstrio: Postsparkassenamt Wien, Konto 105439. — Poŝtĉeko en Ĉeĥoslovakio: No. 79236, Praha. — Poŝtĉeko en Germanio: No. 90850, Frankfurt am Main. — Poŝtĉeko en Pollando: No. 190576, Warszawa.*

---

**Nova teritorio.** — Laŭ iniciato de S-ro Rud. Hromada, Komitatano de UEA, la Delegitoj en Ĉeĥoslovakio voĉdonis pri kreo de teritorio „Ĉeĥoslovakio“ laŭ la limoj de la respubliko. Respondis el 84 demanditaj delegitoj 57; 55 kun *jes*, 2 *ne*. Necesa duono 42. Teritorio akceptita. La kandidatoj por la ofico de ĉefdel. kaj anstataŭanto: S-ro O. Sklenčka, Del. en Hradec-Králové, S-ro J. Klinger en Bodenbach ricevis saman nombron de voĉoj kaj estas do elektitaj. La Centra Oficejo uzas la okazon afable danki S-ron Hromada por lia kunhelpo; al la du novaj ĉefdelegitoj, malnovaj amikoj de UEA ni sincere gratulas, esperante de ilia laboro rapidan kreskon de nia Asocio en Ĉeĥoslovaka Respubliko, kie ĝi kalkulas konsiderindan nombron de membroj.

La voĉdono pri Teritoria Kaso ne donis la necesan nombron da voĉoj, kiu laŭstatute devas esti $^3/_4$ de la nombro de Delegitoj ($^3/_4$ de 84 = 63, voĉdonis 57). Tiu ĉi demando estas pli poste reprenota.

La protokolo pri la voĉdono estas datita 20 februaro 1923, kaj subskribita de S-roj Hromada, Ginz kaj Brambora.

**Konferenco en Venezia.** — Pro foresto de la Vicprezidanto kaj de la Ĝenerala Sekretario de UEA la korespondado amasiĝis ĉe la Centra Oficejo kaj bezonas certan tempon por plenumiĝi. Ni petas niajn Delegitojn kaj membrojn pacienci.

**Novaj prezoj.** — Ni komunikas la jenan ŝanĝon de prezoj de jenaj landoj:

| | HM | M | MA | MS |
|---|---|---|---|---|
| *Estonio:* | 40 | 100 | 200 | 800 Est. Markoj. |
| *Turkio:* | 20 | 50 | 150 | 400 Piastroj. |

**Statistiko de la poŝtajoj.** — Movado de la poŝtajoj dum februaro 1923: Ricevitaj: 978, forsenditaj: 3957, entute: 4935.

**Kotizoj por 1923.** — Je la 28 februaro estis enkasigitaj 49 kotizoj de Helpmembroj, 822 de Membroj, 2530 de Membro-Abonantoj, 98 de Subtenantoj, sume 3499.

Sama epoko 1922: 3258.

**Korekto.** — En oficiala informilo, marto 1923 ni informis pri akiro de *dua* atesto de la Garantia Kapitalo, unua serio de S-ro C. T. M. v. d. Laarschot en Bussum, Nederlando. Efektive devus esti *tria* atesto kion ni ĝustigas per tio ĉi.

**Subtenantoj.**

*Kvara listo:*

70. S-ro Tauno Hakanen, Turku. 71. S-ro Martin Blicher, København, 72. S-ro Jan Borel, Vaumarcus. 73. S-ro Karl Hell, Eger. 74. S-ro A. Christen, New York. 75. S-ro A. B. Christen, New York. 76. S-ro D-ro J. Silbernik, New York. 77. S-ro Houng Gor, Lyon. 78. S-ro Soisson, Sens, 79. S-ro Rudolf Zöllner, Brno. 80. kaj 81. Ge-roj Sklenčka, Hradec Králové. 82. kaj 83. Du sennomuloj el Omaha. 84. S-ro C. J. Pickert, St. Charles, Minn. 85. S-ro Arne Arnessen, Kristiania. 86. S-ro Wilson H. Sturge, Birmingham. 87. S-ro Enrique Legrand, Montevideo. 89. S-ro J. A. Sörensen, Skjelskjör. 90. S-ro Peter Rian, Levanger. 91. S-ro Honoratus Bonnevie, Kristiania. 92. S-ro Pratley, Quebec. 93. S-ro John Hill, Birmingham. 94. S-ro John H. Lloyd, Birmingham. 95. S-ro Jules Wolf, La Chaux-de-Fonds. 96. S-ro Mark Gilbert, Menton. 97. S-ino Cunningham, Bollington. 98. S-ro E. Wüster, Charlottenburg.

**Delegitoj.** Delegitoj estas elektitaj en jenaj lokoj:

*Anina* (Rumanio, Banat). — D.: S-ro Henrik Wittenberger, farmaciisto.

*Arden* (Usono, Delaware). — D.: S-ro Donald Stephens, ellaborado de artajoj.

*Baileŝti* (Rumanio, jud. Dolj). — D.: S-ro Johann Fürst, tegolfabrikisto.

*Beograd* (Jugoslavio, Serbio). — D.: S-ro Inĝ. Dragomir Andonoviĉ, universitata profesoro, Brankova 23.

VD.: S-ro Radomir Klajič, inspektoro de Financa Ministerio, Topliĉin Venac 11.

*Bocŝa-Montana* (Rumanio, Banat). — D.: S-ro Stefan Simon, elektromuntisto.

*Bolgrad* (Rumanio, Bessarabio). — D.: S-ro Pincus Gheldman, studento, Strada Bulevard 115.

*Braila* (Rumanio). — D.: S-ro Franco Cossutta, prokuristo ĉe Navigac. A. S. „Dunarea“ Stada Heliade Radulescu 4.

*Buzau* (Rumanio). — D.: S-ro Julius Negulescu, komerca vojaĝisto, Strada Al. Demetriad 6.

*Cahul* (Rumanio, Bessarabio). — D.: S-ro J. Kuĉerenko, poŝtoficisto, Oficial P. T. T.

*Caranŝebes* (Rumanio, Banat). — D.: S-ro Edmund Vincze oficisto, Str. Capitanul Temes 3.

VD.: S-ro Gèza Ulicska oficisto, Str. Târgului 33.

*Darmstadt* (Germanio, Hessen-Darmstadt). — S-ro Claus Koops, fervoja oficisto, Heidelbergerstr. 40. H. p.

*Deisenhofen bei München* (Germanio, Bavario). — D.: S-ro Oskar Ziegler.

*Enzeli* (Persio). — D.: S-ro Bagdan Hajrapetjan, librotenisto.

*Fohnsdorf bei Judenburg* (Stirio, Aŭstrio). — D.: S-ro Rudolf Lidl, librotenisto.

*Friedland i. B.* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Benedikt Ulm fabrikoficisto, Mildenau 130.

VD.: S-ro Karl Richter, fabrikoficistoMildenau 256.

*Galatz* (Rumanio, Moldavio). — D.: S-ro Toma Aburel, farmaciisto.

VD.: S-ro Gustav Schapira, Pasagiul Mercur 2.

*Garmisch-Partenkirchen* (Germanio, Bavario). — D.: S-ro Paul Richter, telegrafmekanikisto, Hölzlfussweg 53 qu.

VD.: S-ro Johann Schwaiger, poŝtoficisto, Eisenbahnerhäuser.

*Hohenelbe* (Ĉeĥoslovakio, Orienta Bohemio). — D.: F-ino Elise Tham, instruistino, 153.

*Hulvaky apud Marianské Hory* (Ĉeĥoslovakio, Moravio). — D.: S-ro Vilem Vantuch, maŝinisto, 289.

*Huŝi* (Rumanio). — D.: S-ro Leon Tuckerman, studento, Strada Ghica Voda 55.

*Jaffa-Tel-Aviv* (Palestino). — D.: S-ro Mark Gorodiski, advokato, Jehuda Halevi.

VD.: S-ro Mordĥaj Ĥĕjruti, studento laboristo, P. O. B. 173.

*Janessen* (Ĉeĥoslovakio, Karlsbad). — D.: S-ro Franz Bouschek, oficisto, N-ro 52.

*Le Havre* (Francio, S. I.). — D.: S-ro Henri Dubuisson, komercreprezentanto, rue Bellevue 18.

*Lewiston* (Usono, Maine). — D. S-ro Warren Gould, studento, Bates College.

*Mistek* (Ĉeĥoslovakio, Moravio). — D.: S-ro Jozef Jarvis, Markova 385.

*Nancy* (Francio, Meurthe e Moselle). — D.: S-ro Albert Esselin, prefekteja konsilisto, 28, rue Jeanne d'Arc.

*Nelson* (Anglio, Lanc.). — D.: S-ro Robert William Roberts, teksisto, 26, Garden Street.

VD.: S-ro Samuel Hirst, teksisto, 48, Moore Street.

*Niederlössnitz* (Germanio, Saksio). — D.: S-ro D-ro Dietrich Plagge, Mathildenstr. 1.

VD.: S-ro Willy Heinze, elektra inĝeniero, Bennostr. 29. Radebeul-Oberlössnitz.

*Novi Sad* (Jugoslavio, Vojvodino). — D.: S-ro Arpad Zeisler, kompostisto, Lazareva ul. 14. Stamparija „Zastava".

*Odessa* (Ruslando). — D.: S-ro V. Veniamin Vozdvijenskij, Ŝkolnij per 6.

*Omsk* (Siberio). — D.: S-ro D-ro A. K. Skalskij, kuracisto, U. K. Marks, N-ro 11.

*Potsdam* (Germanio, Brandenburg). — D.: F-ino Hildegard Nickel, korespondistino, Blücherplatz 2.

VD.: S-ro Emil Markau, instruisto, Kl. Weinmeisterstr. 3.

*Radziejow* (Polio, Kujawy). — D.: S-ro D-ro Kazimierz Lewinski, kuracisto.

*Recht* (Persio, Gilan). — D.: S-ro E. Rebrik, kooperativisto.

*Resita* (Rumanio, Banat). — D.: S-ro Miĥaelo Puskàs, seruristo, Strada Calmen Sylva 12.

*Roman* (Rumanio). — D.: S-ino Charlotte Schiffer, Strada Stefan, cel Mara 90.

*Salonta-Mare* (Rum. jud. Bihor). — D.: S-ro Josef Bernstein, ĉeflibrotenisto.

*Sâmpetru* (Rum. jud. Braŝov). — D.: S-ro Gheorghe Bârsan Pipu, terkulturisto, N-ro 465.

*Sângeorzpadureni* (Rumanio, Trans.). — D.: S-ro Dionizio Csiszer, komunuma sekretario.

*Satu Mare* (Rumanio, jud. Satmar). — D.: S-ro Karl Kudelàsz, aktoro, Varosi szinhàz.

*Sévran* (Francio, Seine-et-Oise). — D.: S-ro L. Gervois, 37, rue de l' Amicale.

*Slezskà Ostrava* (Ĉeĥoslovakio, Silezio). — D.: S-ro Jan Babinec, tipografisto, Vrchlického ul. 343.

*Talpasi* (Rumanio, jud. Doljuil). — D.: S-ro Stefan Basilescu, instruisto, Of. Melinesti, Dolj.

*Vrgorac* (Jugoslavio, Podprolog, Makarska Split). — D.: S-ro Anton Marinovič, agrikulturisto.

*Warnsdorf* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio). — D.: S-ro Franz Kaulich, urba oficisto, Radetzkystr. 1591.

*Weehawken* (Usono, New Jersey). — D.: S-ro J. J. Süssmuth, Box 199.

**Ŝanĝoj.**

*Alba-Julia* (Rumanio, Transs.). — VD.: F-ino Helena Szàlantzy, instruistino, Traian 27.

*Arad* (Rumanio, Banat). — D.: S-ro Stefano Orlov-Ferenczy, profesoro, Str. Mocioni, 21.

VD.: F-ino Elisabeth Buczy, Str. Margit 8.

*Aussig* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio). — D.: S-ro Wenzel Wawřinek, oficisto, Dresdenerstr. 12.

*Bilbao* (Hispanio, Viscaja). — VD.: S-ro Juan José Larrea, Hospital Civil.

*Brüx* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio). — D.: S-ro Josef Beller, Teplitzerstr. 37.

*Buffalo* (New York, U. S. A.). — VD.: S-ro Donald E. Parrish, 1011, Elmwood Ave. Tel. Bidwell 5875. J.

*Cernauti* (Rumanio, Bukovino). — D.: S-ro D-ro Peter Schacht, kemiisto, Str. Jancu Flondor 46.

VD.: S-ro Boris Lebidinski, lernanto, Str. Romana 45 bis.

*Chemnitz* (Germanio, Sachsen). — D.: S-ro Max Hofmann, Nordstr. 3. E. g.

*Cluj* (Rumanio, Transsilvanio). — D.: S-ro Bela Davis, cenzuristo, Administratia Universitatii.

*Debreczen* (Hungario, Hajdu). — VD.: S-ro Kolomano Gyulai, medicina studento, Simonyi 16a.

*Freiberg* (Germanio, Sachsen). — D.: S-ro Georg Neubert, teknikisto, Hornstr. 28.

VD.: S-ro Karl Spitzner, oficisto, Dammstr. 26/II.

*Freiburg i. Br.* (Germanio). — VD.: Eugen Gabelmann, prokuristo, Katharinenstr. 14. Tel. 1482.

*Mercurea-Ciuc* (Rumanio, Transsilv.) — VD.: S-ro Johan Gàbor, Sedria Orf. Jud.

*Narua* (Estonio). — D.: Jakob Friedrichsmann, tajloro, Soldina tänav 185.

*Nürnberg* (Germanio, Bavario). — VD.: S-ro Emil Muscat, komercisto, Tucherstr. 21.

*Oradea-Mare* (Rumanio, Transsilv.). — D.: Izsò Keleman profesoro, Strada Viilor 14.

VD.: S-ro Francisko Balogh, oficisto, Moskovits ipartelepek, Kolozsvari ut.

*Orange* (Francio, Vaucluse). — D.: S-ro Marius Maurin, 5, bd. de la Meyne.

*Petroŝeni* (Rumanio, Transs.). — D.: S-ro Francisko Lerch, lignaĵisto, Strada N. Jorga 8.
VD.: S-ro Miĥaelo Gallo, desegnisto, Butorgyàr.

*Sibiu* (Rumanio, Transsilv.) — D.: S-ro Karl Wagner, oficisto, Strada Fabini 2.
VD.: S-ino Margarethe Roth, oficistino, Strada Turnului 25.

*Split* (Jugoslavio, Dalmacio). — VD.: S-ro Anton Goiĉ-Keveŝic, bankoficisto, Ljublanska Banka.

*San Francisko* (Usono, Cal.) — D.: S-ro Brewster F. Ames, advokato, 121, Chronicle Building, Tel. Kearney 830.

*Tighina* (Rumanio, Bessarabio). — D.: S-ro David Grünberg, lernanto, Strada Regina Maria 51.
VD.: S-ro Isaak Bauch, lernanto, Strada Poetul Mateevici 40.

**La supraj elektoj fariĝas valoraj, se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D. kaj VD. agas provizore.**

Provizore ne plu estas Delegitoj en jenaj lokoj:

*Przemysl* (Polio); *Torquay* (Anglio); *Vordernberg* (Aŭstrio).

*Genève*, 20ᵃ de marto 1923.

*H. Jakob*,
Ĝenerala Sekretario de UEA.

---

# Esperantista Parolejo.

## IIIᵃ Poznan'a Foiro.

Printempe, de la 29ᵃ de aprilo ĝis la 5ᵃ de majo okazos en pola urbo Poznan la IIIᵃ Poznan'a Foiro.

La urbo Poznan (kun ĉirkaŭ 200.000 enloĝantoj) kuŝanta en Okcidenta Polujo, havas speciale bonan geografian situacion, komfortan fervojan komunikadon kaj en multaj rilatoj estas urbo interesa kaj vidinda.

La foiraj teritorioj, kuŝantaj proksime de la ĉefstacidomo kaj de urba centro, ampleksas ĉirkaŭ 250.000 kvm; la haloj, el kiuj la granda, bele konstruita, „Turo Supersilezia“ estas famkonata, pli ol 30.000 kvm.

Dank' al klopodoj de la loka Esperanto-grupo la estraro de la foiro ekinteresiĝis pri Esperanto kaj disponigis al ĝi senpage ejon por ekspozicio kaj informejo.

Per faktoj ni devas montri al la estraro la taŭgecon kaj utilecon de Esperanto.

Komercistoj ĉiulandaj, venontaj Poznan'on, uzu bonvole niajn servojn, skribu Esperante al la Foiroficejo, postulu informojn en Esperanto! (Adreso: Targ Poznanski — Poznan — Plac, Sapieżynski (Polujo).

Foiroj, firmoj, uzantaj Esperanton, sendu al ni viajn prospektojn, katalogojn, reklamilojn ktp. por nia ekspozicio.

Gesamideanoj, ĉiuj helpu nin laŭpove por bono de nia komuna afero.

*Por la Foira Komitato de Pola Esperanto Societo Poznan.*
*Tadeusz Kapela*,
Poznan — ul. Żórawia 19. — Polujo.

*Rimarko!* Ĉiuj gazetoj estas tre petataj presi tiun artikolon kaj sendi ekzempleron kun la artikolo al la supre citita adreso.

* * *

## Oni laŭdas!

*Ni presigas en ĉi tiu senpaga rubriko dankojn nur pri gravaj servoj plenumitaj de delegitoj.*

S-ro **Ksenofon Jankof** en Ŝumen, Bulgario, kore dankas S-ron K. Takahaŝi, delegito de UEA en Sizuoka, Japanio, pro lia servemo, helpi komercrilatojn.

S-ro **Salo Grenkamp-Kornfeld** en Jaslo (Pollando) tutkore dankas S-ron Bernhardt Kötz, delegito de UEA en Leipzig pro sukcesa interveno ĉe kelkaj Firmaoj.

S-ro **St. Minkov** en Sofia, Bulgario tutkore dankas al S-ro Louis Blot, del. en Angers, Francio pro akurate plenumita servo kaj sendo de multvalora teknika libro.

S-ro **Frans Schoofs,** Antwerpen, Belgujo, plej sincere dankas S-rojn J. P. L. Niestein, Gerrit van Heek kaj A. P. Borghout, delegitoj en Nijmegen, Hengelo kaj Rosendaal (Nederlando) pro ĉiuspecaj informoj, servoj kaj sindona helpo, kiujn ili malavare dediĉis al li, okaze de lia afera vojaĝo en februaro lasta.

S-ro **F. D. Marphy** en Norwich dankas kore S-ron N. Fichefet, delegito en Ostende, kiu rehavigis al li iom da mono deponita kiel bicikla-garantiaĵo ĉe la belga dogano.

S-ro **P. Balkányi** el Budapest korege dankas la gravajn servojn faritajn per S-roj A. Villafranca kaj Pedro Gomez en Buenos-Aires al lia fratino.

S-ro **Percy Hudson** el Oakleigh (Vic.) Aŭstralio tre kore dankas pro gravaj servoj aŭ ĝentilaĵoj, dum lia mondvojaĝo jenajn samideanojn: S-ro C. Cain, Perth. Okcidenta Aŭstralio; S-ro G. Gauvin kaj S-ro R. Auguste, Toulon, Francujo; D. S-ro C. J. Edwards, Gibraltar; D. S-ro Edmonds, London; S-ro Bruijn, Gravenhage; D. S-ro P. Balkanyi, Budapest; S-ro F. J. Schade, Wien; D. S-ro F. Pizzi, Venezia; D. S-ro F. Hirzel, Zürich; D. S-ro R. Huber, Luzern; D. S-ro R. Bolliger, Bern; S-ino B. Grasset, Genève; D. S-ro L. Poncet, Lyon; D. S-ro H. Hutton, Bourg-en-Bresse; D. F-ino M. Rousset, Avignon; S-ro J. Gili Nortá, Barcelona; D. S-ro E. Soler, Sabadell; S-ro S. Chaler, Tarrosa; D. S-ro A. Pino, Valencia; S-ro L. R. Escartin, Madrid; D. S-ro F. S. Serrano, Cordoba; VD. S-ro C. Martinez, Sevilla; D. S-ro B. Martins D'Almeida, Lisboa; D. S-ro G. Wilken, Alexandria; S-ro E. Vironesi, Kairo; S-ro M. L. Gorodisky, Jaffa, Palestino; D. S-ro D-ro A. Stamatiades, Konstantinoplo; S-ro P. A. Kolev Sofia; S-ro R. Klajiĉ, Belgrad; D. S-ro S. Rudnicki, Krakow; S-ro L. Dreher, Krakow; S-ro S. Karolezyk, Warzawa; S-ro W. Pfeiffer, Lodz; D. S-ro L. Borkowski, Poznan; D. S-ro F. Kleiner, Berlin; F-ino H. Nickel, Potsdam; D. S-ro A. Junker, Köln; D. S-ro H. Fricke, Frankfurt a. M.; D. S-ro R. Rian, Trondhjem; D. S-ro K. E. Franson, Lulea; D. S-ro H. Holldor, Stockholm; D. S-ro N. G. Nilsson, Göteborg; D. S-ro G. H. Backman, Helsingborg; D. S-ino L. Blicher, København; S-ro Lappalainen, Helsinki.

S-ro Hudson aldonas: „Dum mia vojaĝado, kiu daŭris 17 monatojn, dum kiu mi vizitis 34 landojn, uzis 29 diversajn monojn, veturis per 29 ŝipoj, vizitis Nov-Zelandon en la sudo, kaj Laplandon en la nordo, kaj ĉirkaŭvagis la terglobon mi konvinkiĝis ke tia vojaĝo estas nur ebla per la helpo de Esperanto kaj Esperantismo.

Bone mi rememoras la lastan fojon kiam mi vizitis Eŭropon tiam, mi konis nur la anglan lingvon; tre baldaŭ mi enuis pro la lingvaj malfacilaĵoj kaj revenis al Anglujo kaj aliaj landoj kie mi povis paroli angle!

Nun dank' al Esperanto mi povas vojaĝi ie ajn en la mondo.

Krom tiuj en la listo estas centoj da Esperantistoj kiujn mi volas danki pro ilia afabla helpo dum mia vojaĝo, la listo estus tro longa por enpresi en „Esperanto“. La Melbournaj samideanoj, bonvenigis min kaj festis mian revenon, kaj mi jam faris kelkajn propagandajn paroladojn pri miaj esperantaj spertoj.“

## Esperantista Vivo.

**Naskiĝoj.** — Al Ge-roj *Eduard* kaj *Ida Tamm,* del. d. UEA en Kaarepere, Estonio naskiĝis filino nomita Laine.

Al Ge-roj *Bogdano Hajrapetjan,* delegito en Enzeli (Persio) naskiĝis filo nomita Sokrat.

Al Ge-roj *Bourdelon,* delegito en Brignoles (Var) naskiĝis fileto Jean-Jacques.

**Fianĉiĝoj.** — S-ro *Walter Ranft* en Dresden kun F-ino *Else Martini.*

F-ino *Rajna Bojĉeva* kun Subleŭtenanto *Kasabov* en Ŝumen, Bulgario.

F-ino *Olea Ghitman* kun S-ro *Leib Contarji,* delegito de UEA en Causani-Noi, Besarabio.

**Edziĝo.** — F-ino *A. M. van Roode,* V.-Delegitino de UEA en Culemborg kun S-ro *C. Prins,* teknikestro.

— Ge-roj *Giov. Ragusin* el Trieste festis la 14an de februaro en Bejrut (Palestino) sur ŝipo „Abbazia“ la 25an datrevenon de ilia edziĝo. Ni kore gratulas la feliĉan paron, esperante ke post 25 jaroj ili povos festi la „oredziĝon“.

## Niaj mortintoj.

Kun bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

S-ro D-ro **Nuno Baena,** delegito de UEA en Rio de Janeiro mortis la 11an de novembro. Li estis unu el la plej kompetentaj kaj agemaj esperantistoj en Brazilo. Li estris plurajn grupojn, organizis kursojn kaj en 1922 publikigis libreton „Ama Stelaro.“

S-ro **A. Fanzeres,** malnova esperantisto, organizinto de la Unua Brazila Kongreso en 1912 mortis post longedaŭra malsano.

S-ro **João Teixeira de Siqueira Magalhães** mortis 84-jara en São José do Calçado (Brazilo). Li lernis Esperanton malgraŭ lia maljuneco kaj kutimis diri „ke maljuna papago ankoraŭ povas lerni lingvojn.“

S-ro **J. Coppini,** membro N-ro 14970, mortis 22-jara en Rorschach (Svislando).

S-ro **R. T. Wedding** en Florida ĉiam varma defendulo de Esperanto, mortis la 14an de decembro 1922, post longa malsano.

S-ro **Emile Charles Boulnois,** onklo de nia samideano S-ro Henri Boulnois el Paris.

S-ro **Risto M. Popović Ĉupić** en Montenegro. Jen elspiris lastfoje ankoraŭ unu el niaj malnovaj samideanoj malofte precipe en tiu terangulo; konata verkisto kaj homamanto. Komence instruisto, poste pastro en sia naskurbo Danilovgrad, li translokiĝis post la mondmilito en Cetinje, kie li okupis postenon en la konsistorio. Dum sia vivo li verkis poeziaĵojn, prozaĵojn kaj literaturajn artikolojn por multaj serblingvaj gazetoj, kaj kolekto de liaj verkaĵoj aperis en du belaj volumetoj tre laŭdataj de liaj samlandanoj. De liaj rakontoj aperis en Esperanto nur du: „Tre bone“ kaj „La medalo“, pitoreskaj priskriboj de la montenegra instruista kaj popola vivo. Kun Esperanto li konatiĝis sufiĉe frue kaj vigle propagandis ĝian fratigan ideon. Interalie li estis kelkajn jarojn Del. de UEA en Danilovgrad. La anonco pri lia morto venis al mi, kiel malnova lia korespondanto, de la Cetinja poŝtoficejo.

Pacon al lia cindro kaj koresprimon de dolorsento al lia familio.

*Iv. H. Kr-off.*

## ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek,* Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto.

**Problemo N-ro 67.**
*O. Votruba,* Ŝomoŝová.
(Originalo.)



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 68.**
*J. Chocholouŝ.*
(Humor. Listy 1874.)



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 69.**
*J. Cumpe.*
(Ĉasopis Ĉes. Ŝach. 1923.)



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 70.**
*W. Chmellarz,* Teplitz-Sch.
(Originalo.)



Sinmatigo per la 6-a movo.

*Solvoj de la problemoj:*

**N-ro 61:** 1. Te6 — e8 ktp.
**N-ro 62:** 1. Df6 — f4 ktp.
**N-ro 63:** 1. Rc8 — d8 ktp.
**N-ro 64:** 1. a2 — a3, b4 — b3, 2. Kf3 — c6 ktp.
b4 × a3, 2. b2 — b4 + ktp.
c7 — c6, 2. a3 × b4 + ktp.
Ra5 — a4, 2. Kf3 — d1 + ktp.

— En tiu ĉi problemo estis erare ellasita bl. R sur e1. —

**N-ro 65:** 1. Tg7 — g5, d5 — d4, 2. Tg5 × b5 ktp.
a4 — a3, 2. Tg5 — g3 ktp.
Ra7 — a8, 2. Rc7 — b6 ktp.
Ra7 — a6, 2. Rc7 — b8 ktp.

*Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

N-ro 58, 59, 60: Aŭg. Brivul, Riga (Latv.); W. Chmellarz, Teplitz-Schönau (Ĉeĥ.); N-ro 59, 60: C. D. W. Boissevain, Genève, (Svis.); N-ro 60: S. Frantz. Paris (Franc.); N-ro 54, 55: V. Svirchevskij, Le Kef (Tunis).

*Fakaj esprimoj:* Estis rekomendite uzi *sinmatigon* pro tio, ke sole per tiu ĉi vorto estas ĝuste esprimita ideo: Blanko devigas Nigron mati Blankon. La vorto *aroko* enhavas la persan vorton roĥ. La signifo de tiu ĉi vorto ne estas ĝis nun konata. Per ĝi oni nomis figuron, kiu portas hodiaŭ la nomon Turo. La vorto aroko signifas la kombinitan salton de Reĝo kaj Turo. La simplan *reĝsalton* estas necese konservi por la historiaj verkoj el la tempo de Lolli kaj aliaj, kiam oni aplikadis diversajn formojn de la reĝsaltado tute malsimila al la nuna kutimo.

*Korespondo:* S-ro W. Ch., Teplitz. Estis necese meti Peonon e4 en la problemo, por eviti duasolvon, minacantan sur c6 aŭ e4 per la Kuriero.

# REKLAMO

Nur anoncoj kun *samtempa* pago estas notataj. Ni akceptas la anoncojn laŭ la disponebla loko kaj ne povas garantii la aperon en difinita numero. Ni ne sendas pruvnumerojn kaj rekomendas al la anoncantoj aboni nian gazeton. Ni ne akceptas respondecon pri la sekvoj de anoncoj.

## TARIFO.

### Oficialaj prezoj en svisaj frankoj.

**Korespondado:** Unu enskribo (la adreso kaj ne pli ol 5 vortoj) Fr. sv. 0.75. — Por ĉiu plia linio (= 10 vortoj) Fr. sv. 0.50.

**Petoj kaj Proponoj. — Internacia Komerco:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. sv. 0.50.

**Grandaj anoncoj:** Unu kolono-larĝeco: Fr. sv. 2.00 po centimetro da alteco.

### Naciaj prezoj por la 3 kategorioj.

**Aŭstrio:** Kr. 2000, 2000, 10000. **Belgio:** Fr. 1.50, 1.—, 4.—. **Britio:** Ŝ. -|6, -|5, 1|6. **Bulgario:** L. 10, 8, 40. **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 2.50, 2.—, 7.50. **Danio:** Kr. 0.75, 0.50, 2.—. **Estonio:** Mk. 15, 15, 40. **Finnlando:** Mk. 5, 4, 12. **Francio:** Fr. 1.50, 1.—, 4.—. **Germanio:** Mk. 100, 100, 400. **Hispanio:** Pes. 1.—, 0.75, 2.50. **Hungario:** Kr. 75, 60, 250. **Jugoslavio:** D. 4, 3, 15. **Italio:** L. 2, 2, 6. **Latvio:** Lat. 0.30, 0.25. **Litovio:** Lit. 0.50, 0.50, 2.—. **Nederlando:** G. 0.35, 0.25, 1.—. **Norvegio:** Kr. 0.80, 0.60, 2.—, **Polio:** Mk. 300, 300, 1000. **Portugalio:** Esk. 2.—, 1.50, 5.—. **Rumanio:** L. 8, 6, 25. **Ruslando:** laŭ tarifo por Germanio. **Svedio:** Kr. 0.60, 0.40, 1.50. **Svislando:** vidu oficialajn prezojn. **Usono kaj Kanado:** D. 0.15, 0.10, 0.40.

## KORESPONDADO.

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko.* **k. ĉ. l.** = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.*

**Atentigo!**

**La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unuloje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziris daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.**

### Aŭstrio.

**Wien VI.** — S-ro Anton Schmitt, Gumpendorferstr. 39, PI k. ĉ. l.
**Wien VI.** — S-ro Franz Focher, Gumpendorferstr. 39, PI kun ekstereŭropanoj.
**Wien VI.** — S-ro Johann Struber, Gumpendorferstr. 39, PI k. ĉ. l.
**Wien VII.** — S-ro Robert Eckert, Stiftgasse 8, PI kun ekstereŭropanoj.
**Wien VI.** — S-ro Adolf Ermer, Chwallagasse 2, ĉe pordisto, PI k. ĉ. l.
**Wien VI.** — S-ro Michael Tuschel, Gumpendorferstr. 39, PI k. ĉ. l.
**Wien VII.** — S-ro Franz Dobrozemsky, Halbgasse 3, PI k. ĉ. l.
**Wien 13|5.** — S-ro Josef Kolnhofer, Zehetnergasse 37, PK, PM, Esp-gazetoj, rifuzas senvalorajn PM. Vidu ankaŭ la rubrikon „Petoj kaj proponoj".

### Ĉeĥoslovakio.

**České Budějovice.** — S-ro Josef, Žižkova tř. 38, k. ĉ. l. PI, bfl, L.
**České Budějovice (Mladé).** — S-ro Josef Nádvorka, Husova tř. 38, PI, L k. ĉ. l., bfl.
**České Budějovice.** — S-ro Karel Hanzalík, Žižkova tř. 38, PI, L, bfl k. ĉ. l.
**Nové Hodějovice 94,** Pošto České Budějovice. — S-ro Verner Václav, PI, bfl, L k. ĉ. l. (nur serioze).
**Přibyslav u Něm. Brodu.** — S-ino Anděla Prošková, L, PK, PI k. ĉ. l.
**Přibyslav u Něm. Brodu.** — F-ino Manjo Rosendorfská, L, PK, PI k. ĉ. l.
**Přibyslav u Něm. Brodu.** — F-ino Vlasta Pohořelá, placo 39, L, PK, PI k. ĉ. l.
**Přibyslav u Něm. Brodu.** — F-ino Jarča Rozová, L, PK, PI k. ĉ. l.
**Přibyslav u Něm. Brodu.** — S-ro Filip Fiala, ŝparkasa kasisto, L, PK, PI, PM k. ĉ. l.
**Troppau.** — S-ro Josef Kunert, L, PI k. ĉ. l., PM, fot-aĵoj.

### Danzig (Liberŝtato).

**Danzig.** — S-ro R. Klaps, Karpfenseigen 103, L, PI, PM, esp-aĵoj k. ĉ. l.

### Estlando.

**Rackwere.** — S-ro J. Ansmann, Postkontor, PM, PI, bfl k. ĉ. l.
**Tallinn.** — S-ro Rud. Rosenfeldt, Vaksali tän 18|1. PM laŭ katalogoj Senf, Michel, Kurzel 1922. Europa. Koresp. est., esp., germ., ruse.
**Tartu.** — Cand. med. Harry Busch, Elisabethstr. 17, dez. interŝanĝi opiniojn pri medicino, sporto, nacia arto, literaturo, etnologiaj demandoj; interŝanĝas naciajn sciencajn revuojn, ilustritajn ĵurnalojn, gazetojn, PI kaj PM.
**Tartu.** — S-ino Meta Busch, Elisabethstr. 17, int. PI, PM, ĵurn.

### Finnlando.

**Helsinki.** — S-ro Birger Hagert, Andregatan 11, PM k. ĉ. l.
**Helsinki.** — S-ro Arnold Sundholm, Styrmansg. 9, PM k. ĉ. l.
**Helsinki.** — S-roj A. & Y. Fagerlund, Fabriksgatan 25, E. 19, PM, PI k. ĉ. l.
**Kajaani.** — F-ino Ulla Vuolas, Kauppakatu 15, PI, PK k. ĉ. l.
**Kajaani.** — F-ino Paula Irene Pekkala, Asema, PI, PK, L k. ĉ. l.
**Mikkeli.** — F-ino Airi Maukonen, PI, L k. ĉ. l.
**Petäjärvi.** — S-ro Aapo Kurikka, Ryhmä, L, PI, PK, PM k. ĉ. l., precipe kun desegnamatoroj.
**Sortanlahti.** — S-ro A. A. Mallita Konevitsa, (PM el Albanio, Argentino) sendos finnajn aŭ pagos.
**Tampere.** — F-ino Emilia Soronen, Hatanpää, PI, PK k. ĉ. l.

### Francio.

**Gentilly (Seine).** — F-ino Yvonne Geny, 46, avenue du Docteur Durand, PM k. ĉ. l.
**Lyon.** — S-ro E. Lestaevel, 110, Cours Henri, PI k. ĉ. l.
**Paris 17.** — F-ino Suzanne Gallaire, 50, avenue des Ternes, PM k. ĉ. l.
**Salbris (Loir-et-Cher).** — S-ro J. Emy, k. ĉ. l. (pri ĝardenkulturo).

### Germanio.

**Dresden-Zschachwitz.** — S-ro Herbert Brader, instruisto, Simonstr. 11, PI, L pri ĉiu temo k. ĉ. l.
**Esslingen a. N.** — S-ro H. Saupe, Olgastrasse 10, PM (ne malpli ol 50).
**Frankfurt a. M.** — S-ro C. Hildebrandt, PM, rifuzas senvalorajn PM.
**Gnotzheim** bei Gunzenhausen (Bavario). — S-ro Johann Wegerle, L, PI, naciaj, esp. gaz., alfabetumoj kun instruistoj kaj seriozaj sam-anoj de ŝtatoj, kiuj ne militis Germanion kaj ankaŭ nun afable aŭ almenaŭ neŭtrale opinias pri Germanio. Kor. hisp., port., angle, fr., esp.
**Heidenau-Nord.** — S-ro Erwin Schöne, telegrafisto, Lüttichanstr., PI, esp-gaz. k. ĉ. l.
**Münster-Stuttgart.** — S-ro E. Mayer, Joselstrasse 1, PM, ne malpli ol 50.
**Niedersedlitz** b. Dresden. — S-ro Hans Jentzsch, bakisto, Wilhelmstr. 2, PI, L, esp-gaz. k. ĉ. l.
**Wurgwitz-Dresden.** — S-ro A. Wolf, komercisto, 5, P, PI, L, PM, monerojn, monbiletojn kun eksterlando.
**Zittau (Sachsen).** — S-ro Ali Akber b. A. Ehm, Poŝtfako 105, L, PI, bfl, esp-aĵoj, PM k. ĉ. l.

### Hispanio.

**Huesca.** — S-ro Manuel Ruberte, Apartado 1, PM PI k. ĉ. l.
**Huesca.** — S-ro Antonio Betrán, Padre Huesca 61, PM, PI k. ĉ. l.
**Nerva (Huelva).** — S-ro Gaudencio Vázquez, komercisto, calle Jaime Vera 26, kun komercistoj el ĉiuj landoj dezirantaj importi komercaĵojn en Hispanion.

### Hungario.

**Budapest.** — D-ro Károly Hegedüs, VI. Ankerköz, PM k. ĉ. l.
**Szombathely.** — S-ro Aleksandro Szakonyi, Nádasdy ú. 27, PI, PM, k. ĉ. l.

### Italio.

**Firenze 4.** — S-ro Giuseppe Pachi, Via Borgognissanti 110, p. p., PI, bfl.
**Lecce.** — S-ro D-ro Vito de Benedetto, lernisto de ekonomiaj sciencoj, Via Palmieri 1, L, PK, PI, Esp-aĵo k. ĉ. l.
**Padova.** — S-ro Gobbato Tullio, Via Fabbri 1, PM k. ĉ. l.
**Pisa.** — S-ro Cesare Moschini, Casella Postale 1, PM, PI, papermonoj.

### Jugoslavio.

**Zagreb.** — F-ino Malvina Ivanuš, Nikoličeva ulica 13, PI, bfl k. ĉ. l., PM. Sendu nur po unu peco PM de ĉiu valoro, rifuzas senvalorajn PM.
**Novi Sad.** — S-ro A. Zeisler, Ustavska 14, Štamparija „Urania". PM kontraŭ esp.-glumarkoj. Unuan sendaĵon atendas. Ĉiam respondas.

### Latvio.

**Riga.** — S-ro Germann Noim, Marijas iela 2 dz. 6, kor. k. ĉ. l.
**Riga.** — S-ro L. Gercmark, Marijas iela 33 dz. 4, kor. k. ĉ. l.
**Riga.** — S-ro Gregoro Lempert, Skolas iela 4, deziras korespondadi pri propagando de Esperanto. Poŝtmarkkolektantoj sin detenu!

### Nederlando.

**Helder.** — S-ro C. Govers, Steengracht 21, (pri instrumetodoj en kursoj kaj vivo en grupoj).

## Pollando.

**Bialystok.** — A. Babkes, Prózna 3, PM, PI, papermono.

## Rumanio.

**Sfântu-Gheorghe** (Transilvanio, jud. Treiscaune). — S-ro I. Szász, studento, PM laŭ katalogo Michel, L pri ĉiuj temoj k. ĉ. l.

**Timiŝoara** (Banato). — S-ro D-ro Stefan Mihalovitz, advokato, IV., Bratianu 8, PM

**Targul-Mures.** — S-ro Norbert Smilovits, studento, Hunyadi y 8, PI, L k. ĉ. l.

## Svedlando.

**Malmö 7.** — S-ro Lennart Lundéll, kontoristo, Åbo 1, PI, amatorfot. k. ĉ. l.

## Svislando.

**Lugano.** — S-ro Aloysio Cappello, Dir. de la jurista Societo „La Difesa", via Maghetti 2, PI, PK, PM, esp.-aĵoj kaj fotografaĵoj (sportoj, belartoj, pejzaĝoj ktp.).

## Afriko.

**Telde** (Canarias). — S-ro Narciso Reyes, advokato, L, PI, PM.

## Ameriko.

**Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro José Catala, Calle Uriarte 485 Talleres F. C. S., PM rekomendite.

**Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro Juan Navarro, Calle S. Martin 485 Talleres F. C. S., PM rekomendite.

**Moundsville, W. Va** (Usono). — S-ro Herbert M. Scott, 1312 Purdy Ave., kunredaktoro de Amerika Esperantisto, PM, prefere kun malnovaj filatelistoj aŭ ekstereŭropanoj. Nepre ne sendos unue.

**Philadelphia** (USA, Pa.). — S-ro Washington Hudson, 4312 Aspen Street, L, PK pri politikaj kaj ekonomiaj temoj.

## Aŭstralazio.

**Riĉhmond** (Vic.). — F-ino E. J. Hill, 44, Cameron Street, L, PI, PM k. ĉ. l.

## Azio.

**Barnaul** (Siberio). — S-ro Nikolaj Ivanov, 110, Puŝkinskaja, PI, L, esp-aĵoj.

**Fukuoka** (Japanio). — S-ro Kazuo Tokunaga, studento, Fukuoka Kotogakko, PI.

**Mastusaka** (Japanio, Mieken). — Anoj de Esp.-Grupo en komerca lernejo. PI, L. Sendi al S-ro Hideo Kamo, Matsusaka Shoggo Gakko.

**Kamisuwa** (Japanio, Naganoken). — S-ro Sokichi Fujimori, Kakumacho, PI.

**Okajama** (Japanio). — S-ro Ichiro Aoki, ĉe Sozan-ryo, Kadotayashiki 110, PI.

**Osaka** (Japanio). — S-ro Tsunetaro Fujima, 7, Soyemoncho, Minamiku, PI.

**Osaka** (Japanio). — Anoj de „Sumitomo Esp.-Grupo", PI, L. Sendi al S-ro T. Yamada, ĉe Sumitomo Bank.

**Osaka** (Japanio). — S-ro Hisao Takeda, 192, Temmabashisujii 7-chome, Kitaku, PI.

**Osaka** (Japanio). — S-ro Sukesaburo Fujita, 9, Andojimachi 2-chome, Minamiku, Osaka, PM.

**Vladivostok** (Siberio). — S-ro S. Golubcov, Societo „Espero", interŝanĝas naciajn proverbojn k. ĉ. l.

# JUNULA KORESPONDADO

**Por ĉi tiu rubriko rezervata al junuloj maksimume 17-jaraj oni bonvolu indiki la aĝojn.**

**Wurgwitz-Dresden** (Germanujo). — S-ro Krumbiegel, instruisto kaj 40 infanoj, 12—15-jaraj, PI, L, PM kun eksterlando.

# PETOJ KAJ PROPONOJ.

**Al memoro de Petöfi** la fama poemo estas dediĉita parto de la kristnaska numero de Literatura Mondo! Ilustrita, riĉenhava, unika en esp.-gazetaro! Mendu ĝin tuj! Por neabonantoj nur kelkaj numeroj rezervitaj! Eldonejo: Budapest VI, Andrássy ut. 81. Prezo: 1 sv. fr. aŭ egalvaloro.

**Atentigo.** S-ro A. Leroux en Saint-Sulpice atentigas ke S-ro J. Landowski, Wiele 69, Pow. Chojnicki, Polio, ne donis vivsignon post ricevo de cent poŝtmarkoj kaj monsumo.

**Averto!** S-ro Ansmann, Rakvere (Estl.), sciigas adresojn de nerespondintoj: Tabriz (Persio) Eftehare-Defter, Pesc (Hungario) Fiedler, Udine (Italio) Rubetti, Milano (Italio) Giancarlo, Antwerpen (Belgio) Perwe, Sofia (Bulgario) Dimitriev, Kaunas (Litovio) Jakobson, Kaunas Pyragius, Seoul (Koreo) Wen Young, Chseinando (Koreo) Hangjai See, Necochea (Argentino) Noseda, Tunis Antipov.

**Biblioteko** esperantlingva, 300 pecoj, vendas komercservo Böning, Libanonstrasse 45, Stuttgart, Germanio.

**Bindigu** viajn librojn per komercservo Böning, Libanonstr. 45, Stuttgart, Germanio.

**Eldonistoj kaj verkistoj de Esp.-aĵoj.** Mi deziras 1-2 ekz. de viaj verkoj post 1921 aperintaj kaj aperontaj, interŝanĝe kun mia „La malbonaj flankoj de sporto". Pli grandaj verkoj kompensataj per pluraj ekzempleroj. J. Vahtkerl, Luise 5-11, Tallinn, Estonio.

**Esp. societoj kaj revendistoj de Esp.-aĵoj.** Por revendado verko „La malbonaj flankoj de sporto". Adresu demandojn (prefere per duobla poŝtkarto) al J. Vahtkerl, Luise 5-11, Tallinn, Estonio.

**Fideleco kaj Espero.** Himno pri fideleco al Esperanto. Rekomendita de Esperantista Literatura Asocio. Kanto kaj Fortepiano. Prezo: 1 fko. Havebla ĉe l' aŭtoro: S. Frantz, 21, rue Alain Chartier, Paris, Francio.

**Filatelistoj.** Havigu al vi PM-katalogojn, albumojn ktp. per komercservo Böning, Libanonstrasse 45, Stuttgart, Germanio.

**Filatelistoj.** Kontraŭ mondepono aŭ referencoj mi vendas belajn seriojn de PM de PM de Germanio aŭ okupitaj provincoj. C. Hildebrandt, Frankfurt a. M., Göringstrasse 1, III. Germanio.

**Finnlando.** Oni bezonas grandajn fotografaĵojn de Finnlando. Aĉeto aŭ interŝanĝo. S-ino M. Sampson, 48, Windson Road, Torquay, Anglio.

**Fotografaĵoj.** Alexander Struthers, Church Street 14, Partick, Glasgow, Britio. — Sendu tri malgrandajn fotografaĵojn de via lando, mi laŭvice sendos tri de Skotlando.

**Instruistoj.** Mi serĉas rilatojn kun geinstruistoj ĉl. por serioza korespondado pri fakaj temoj, interŝ. fakajn gazetojn, librojn kaj esp-aĵojn. F. Sielke, instruisto, Gdańska 23, Kartuzy (Pomorze), Pollando.

**Interŝanĝo** de poŝtmarkoj k. ĉ. l. Sendaĵo minimume 200 pecoj aŭ pli valoraj. Akurate respondas. Erkki Mansikka, Mikkeli, Finnland.

**Jozef.** 132—13 = Telefonnumero en telefonlibro en Budapest sub nomo Esperantoofico. (Eksterlandanoj venante Budapeston alvoku la numeron, vi ricevos la dezirataĵn sciigojn.)

**Knabina** Lernejo en Rougemont Vaud, Svisio. Rapida kaj facila lerno de franca lingvo kaj stenografio (3—6 monatoj). Mastrumado. Itala, angla lingvoj, sportoj. Aerkuracejo por brustmalforteco. Lakta dieto. 100—150 fr. Direktoro: S. Saugy.

**Novan libreton** „Tri rakontetoj" kontraŭ 0.50 Fr. sv. sendas aŭtoro: V. Brejnik, Libochovice, Ĉeĥoslov.

**Poŝtmarkelektaĵoj** ricevas ĉiu samideano por propra kaj komisia vendado. Alta rabato! Prezoj pli malmultekoste ol ie! Postulu prezaron! Mi ankaŭ interŝanĝas, sed nur per kataloga bazo! Josef Kolnhofer, Wien 13/5, Zehetnergasse 37.

**Poŝtmarkoj.** 50—100 italaj PM interŝ. k. ĉ. l. Puppo Mario, Lorenzo Pareto 8, Genova.

# INTERNACIA KOMERCO

**Berlin** — Germanio. Tre volonte mi senpage plenumas ĉiujn komisiojn, komerce kaj private. Fritz Bohlmann, Berlin SO 16, Neanderstr. 20, II. (Poŝtĉeko Berlin 104688.)

**Brosfabrikistoj.** S-ro Herman Brukarz, Miedzyrzec, Staromiejska 40, Polio, vendas ĉiuspecajn bonajn porkharojn. Prezaron senpage. Specimenon kontraŭ 1—2 fr. Korespondado pole, ruse, germane kaj esperante.

**Gesamideanoj** helpu enkonduki Esperanton ĉe la komercistoj kaj industriuloj, donas komisiojn. Komisiojn por ĉiuj fakoj akceptas: P. Becker, Mainz a.Rh., Augustinerstr. 58.

**Katalogojn** de maŝinoj por fabriki pajlkovraĵon de bier- aŭ vinboteloj petas S-ro H. Jagi, medicina fakultato, Imperia Universitato, Kioto (Japanio). Sendu ilin kune kun esperanta resumo. Samvaloran kompenson volonte mi sendos.

**Komercservo** Böning, Libanonstrasse 45, Stuttgart (leĝe registrita) peras ĉion, precipe elektromotorojn, ledajn klubseĝegojn, prizorgas asekurigojn kaj plenumas zorgeme komisiojn.

**Reprezentadon** de eksterlandaj firmoj por Rumanio akceptas kaj estas preta aranĝi tenejon S-ro Adalberto Toader, poŝtestro, Teiuŝ 2, Gara (Rumanio).

**Sendu specimenojn** de novaĵoj, kuriozaĵoj, puntoj ktp., kune kun prezoj por vendi maklere. E. Esther Owen-Flint, 26—2nd.St. North, Saint Petersburg, Florida, U.S.A.

**Tabako.** S-ro Georgi D. Kafaliev, ulica Djustabanov 39, Plovdiv, Bulgario, deziras rilati kun tabakkomercista firmo, peras je tabakkomercado.

# LA UNISMA FEDERACIO.

## La Nova Edukada Movado por Mondpaco per Kooperativa Rekonstruado.

Por tiuj kiuj volas servi sen mona rekompenco.



Por starigi la multe deziratan mondpacon sufiĉas nek belsonaj esprimoj nek bonaj intencoj. Nun vere prezentas sin la okazo *por agi kooperative* en la politikaj kaj industriaj sferoj, ĉar internacia amikeco ne povus efektiviĝi antaŭ ol la diversaj landoj interne ĝuos paceman rekonstruadon. Ĉie kunhelpa sociala sistemo devas senprokraste anstataŭi la malkontentigon de hodiaŭ. Tiucele „La Unisma Federacio“ estas fondita laŭ la sekvanta difino:

„Demokrato estas individuo kiu posedas opiniojn pri politikaj, industriaj aŭ aliaj aferoj, sed kiu samtempe konsentas ke aliuloj ankaŭ rajtas posedi kaj esprimi siajn proprajn ideojn. Same ĉiu nacio devas interrilatiĝi kun aliaj nacioj.“

La nova movado akordiĝe kredas ke la partia sistemo de registaro iatipe estas senutila kaj nedezirinda dum la nuna krizo. Por fari uzon de la pluraj valoraj reformplanoj oni devas plibonigi la elektan maŝinaron kie necese per sistemo de proporcia reprezentado. Ĉi tiu aranĝo permesos ke ĉiuj politikaj grupoj kaj sendependularoj ricevu plenan kaj justan reprezentadon parlamentan. Plue ĉiuj grupoj rajtus partopreni en la funkcioj de la ministraro. Spertuloj, same kiel en Svislando, tamen devus kontroli la fakojn de la ŝtato.

Tia nepartia sistemo komprenebIe bezonas kooperativan politikon rilate al la industrio. El la multaj skoloj de reformo estas sendube necese elekti simplan planon akcepteblan de la granda plimulto, kaj jen la utilo de la unisma idealo.

En la nuna tempo granda baraktado evidentiĝas inter la subtenantaj de la socialismo kaj la defendantoj de la individualismo. Tiuj volas enkonduki sistemon en kiu la komunumo iamaniere kontrolos la produktadon kaj la distribuadon; ĉi insistas por ke la industrio restu sub la kontrolo de privataj personoj.

Kompromison inter la du principoj estas deviga por eviti senecon kaj ĥaoson dum la kriza periodo de rekonstruado. La Unismo, kiel unuiga konstruema plano, liveras formulon:

a) La Individuo devas produkti.
b) La Komunumo devas distribui.

Alivorte la popoloj estas petataj interkonsenti pri la kontrolo de la industrio:

a) Estas permesate ke ĉiaj produktantaj industrioj estos starigitaj, organizitaj aŭ pligranditaj per privata mono-kapitalo kaj per la energioj de privataj individuoj aŭ grupoj. Tio signifas ke kooperativaj produktantaj societoj, sin kontrolantaj fabrikejoj, asocioj de produktantoj, privataj individuoj, publikaj akciaj kompanioj, naciaj gildoj, metiaj sindikatoj kaj aliaj tipoj povos daŭri eksperimenti. Tiamaniere solviĝos paŝo post paŝo la malsimplaj problemoj de interna organizado kaj de direkcia kapableco.

b) Estas decidite ke ĉiaj funkcioj de distribuado, konservado kaj transportado — kiel ebligos la sperto — estos komunume aŭ ŝtate kontrolitaj por fariĝi disdonada sistemo por senpartie helpi fabrikantojn kaj por efike servi la aĉetantan publikon. Kiel unua paŝo al la scienca organizado de distribuado — precipe de la ĉiutagaj necesaĵoj de la popoloj — oni povos kunigi kaj akordigi la rektajn disdonadajn metodojn de spertulo kiel S-ro Hoover kun la maŝinaro de la kooperativaj distribuadaj societoj. Libera interŝanĝado de komercaĵoj, en kaj ekster ĉiu lando, rapide disvolviĝos, kaj grava incitilo por militi tiel malaperos.

Post kiam komenciĝos la rekonstruado laŭ la unisma kompromiso, tiam la kunhelpa spirito estos pli preta por priparoli la aliajn diskutindajn reformojn koncerne la teron, la edukadon, la financojn k. a.

Sume mallonge, kiu volas aliĝi al La Unisma Federacio tiu fakte akceptos tri principojn:

1. Nepartia registaro bazita je reprezenta parlamento per proporcia reprezentado; spertula administracio.
2. Kunhelpa plano pri la kontrolo de produktado kaj distribuado dum la rekonstruada epoko laŭ la unisma formulo.
3. Libera esprimado de opinioj kaj zorga konsiderado de aliaj reformemaj politikoj.

Tial estas libera iu entusiasmulo fondigi senprokraste en sia distrikto grupon eĉ de nur tri anoj. Ĉiu grupo devas esti sendependa de ekstera aŭtoritato, kaj faros siajn proprajn regulojn kaj financajn aranĝojn. La komuna ligilo estos la deĵorado diskuti, disvolvigi kaj uzi la unisman planon laŭ kondiĉoj lokaj aŭ naciaj ĝis kiam internacia kunligado ebliĝos por rapidigi la homaran interkonsenton.

* * *

*Senpaga broŝurforma klarigo de la Unismo estas havebla de S-ro Colin Unwin, Box 47, Fremantle, Western Australia. (Poŝtkesto 47, Fremantle, Okcidenta Aŭstralio.) Pro la necerteco de poŝtaj aranĝoj kaŭze mondkondiĉojn la memstareco de grupoj estas precipe dezirinda. Ankaŭ oni devus peti broŝuron denove se ĝi ne alvenus ĝustatempe.*

Esperanto-Presejo Paul Göring, Magdeburg-N.